# REGO

## RUSIA ESPERANTO-GAZETO

*komuna eldono de REU kaj REJM* **№ 3 (28) junio 2005**





**en la numero**


*REK-24 kaj EoLA-17: raportoj kaj opinioj*

*historio, etoso, perspektivoj de Tiĥvina E-klubo*

*citaĵkolekto de Anatolo Gonĉarov "Esperanto estas ne nur lingvo"*

*protokolo kaj decidoj de la 21-a Konferenco de REU*

*kluba ranglisto de REU por 2004*

*laŭreatoj de EoLA-17*

*du satiroj de Mikaelo Bronŝtejn*

*"Bulteno de REU", novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*



**Moskvo, 2005**

# Atingoj de la Jaro en Rusia Esperanto-movado



**Rusia Esperantisto-2004**

*1. Aleksandr Melnikov*
*2. Vitalij Malenko*
*3. Vladimir Samodaj*




**Rusia Esperantaĵo-2004**

*"Dek tagoj de kapitano Postnikov" de Mikaelo Bronŝtejn*



**Rusia Kantisto-2004**

*Anatolij Radajev*

**Rusia Poeto-2004**

*Mikaelo Bronŝtejn*





**Rusia E-Aranĝo-2004**

*IJK-60 apud Kovrov*



## REK-24: KIEL TIO OKAZIS

***raportoj de Andrej Grigorjevskij, senditaj el Jekaterinburg al la retgrupoj***

### REK komenciĝis

Hodiaŭ en Jekaterinburg komenciĝis la 24-a Rusia E-Kongreso. Momente alvenis jam ĉ. 50 personoj el iom pli ol 100 aliĝintaj. Venis homoj de Krasnojarsk, Surgut, Tjumenj, Ĉeljabinsk, Tiĥvin, Moskvo, Soĉi, Arĥangeljsk, Permj, Samara, Uljanovsk, Ŝumerlja kaj kelkaj aliaj. Kompreneble, sufiĉe multas ankaŭ la mastroj. La etoso estas tre bona kaj amika – la lokanoj ege bone prepariĝis kaj zorgis pri ĉiuj necesaj oportunaĵoj. El la programeroj hodiaŭ okazis ronda tablo pri la problemoj de rusia E-movado, prelego pri E-jubileoj de la jaro 2005, porkomencanta kurso de Irina Gonĉarova kaj Interkona vespero. La ronda tablo estis tre vigla. Oni neniel povis ĉesi plendi pri tio, kiom malbona la situacio estas. Ankaŭ savplanoj estis prezentitaj. Pludiskutote.

### Dua tago de REK

Nun jam noktas en Jekaterinburg, sed laŭ la antikva tradicio preskaŭ neniu dormas – oni kantas orajn kantojn, uzante la noveldonitan kantaron. Ekz. nun sonas "Karteta dometo". La tago komenciĝis per longe atendita Konferenco de REU. La Estraro raportis, kaj oni komencis pridiskuti, kvankam la pridiskuto konstante forglitis al teoriaj aspektoj de la movado ĝenerale. Poste okazis interesega prelego de V.Opletajev pri lingvaj kompetentecoj laŭ la normoj de Eŭropa Unio. Sekvis malgranda koncerto de Nina Djomuŝkina memore al Solomon Visokovskij. Aleksandr Kalaŝnikov kaj Tatjana Vŝivceva (Baŝmakova) vigle rakontis pri la dekjara historio de lernejana E-movado en 1982-92. Kun lumbildoj. Admirinde, ke lingvaj ŝtupoj, aplikitaj en la lernejana rondo, estis ege similaj al la multe pli postaj "lingvaj kompetentecoj". Anatolo Gonĉarov prelegis pri vivo en Esperanto kaj ĝia diferenco de


*okazas informado de la ekstera mondo*

Esperanto-agado, de la rafinita raŭmisma vidpunkto. Sekvis riĉaj vivrememoroj de Vladimir Samodaj, kiu samtempe aranĝis imponan ekspozicion de siaj fotoj, faritaj en diversaj periodoj de la vivo, aparte dum E-renkontiĝoj. En la vespera kultura bloko prezentiĝis Anatolo Radajev, kiu i.a. plenumis plurajn kantojn, komponitajn de li laŭ la vortoj de Nikolao Hohlov. Li prezentis la noveldonitan libron de Hohlov, kies originalajn E-tekstojn paralelas rusaj tradukoj, ĉefe de Anatolo mem. Fine koncertis Sergej Bozin kun la bando "Atentema Vu". Ĉiuj aŭskultis sidante kaj foje aplaŭdante. Tamen estis unu dancanto – Anatolo Gonĉarov, kiu laŭ ĉies pritaksoj faris tion tute junulece. Dum la tago dufoje okazis E-lecionoj por novaj e-istoj, gviditaj de Irina Gonĉarova. Estis interese kaj gaje.


*Tatjana Vŝivceva*

## REK – tago la tria

La tria tago de REK disfalis je du samgravaj partoj: REU-Konferenco matene, festado de la 40-jariĝo de SEJM posttagmeze. Plu rakontas Nikolaj Gudskov. Dum la Konferenco oni sukcesis fari nur du aferojn: pritaksi kontentiga la laboron de la antaŭa Estraro kaj elekti "novan" Prezidanton de REU, Andrej Grigorjevskij. La balotado okazis pri du kandidatoj – la alternativo estis Tatjana Vŝivceva (Miass). La elektoj de la cetera parto de la Estraro pasos morgaŭ. Kandidatas 10 personoj. La posttagmeza programo komenciĝis de rakonto pri retaj servoj de UEA, kiu baldaŭ transiris al diskutado pri reta instruado en Rusio. Ĉiuj sekvaj programeroj estis dediĉitaj al la Glora SEJM (1965-1979). Rakontoj pri ĝi (A.Gonĉarov), kvizo pri ĝi (V.Aroloviĉ), lumbildoj pri ĝi (V.Samodaj), kantoj el ĝia epoko (Andrej Peĉonkin). Por nostalgie festi venis pluraj iamaj SEJM-anoj, eĉ pli multaj videblis sur la lumbildoj kaj fotoj (Bronŝtejn, Kolker, Perevertajlo, Soskina, Smetanina, Jegorovas kaj multegaj aliaj, kies nomoj estis tuj rememorataj de la publiko). La vesperon kronis regalado per abunda ĉampano kaj dancoj. Hodiaŭ la plej rimarkindan belecon de dancado demonstris L.Jerofejeva kaj V.Kulakov. Morgaŭ REK finiĝos kaj startos EoLA. Ĝiaj partoprenontoj (multe pli junaj ol plejparto de REK-anoj) jam komencis alvenadi. I.a. venis du pliaj alilandanoj – Jan Shroeder (Germanio) kaj Pier Luigi Cinquantini (Italio), aldone al kongresanino el Belorusio.



*la partoprenantoj sur la limo inter Eŭropo kaj Azio*

## IMPRESOJ PRI REK-EoLA, PROPONOJ POR ONTAJ EoLA-j

Antaŭ kelkaj horoj mi revenis hejmen el Jekaterinburg post REK-24 kaj EoLA-17. Bonvolu akcepti miajn ĉi-rilatajn pensojn.

Pri REK mi povas diri la nuron: perfekte! Okaze de la plej sukcesa Rusia Kongreso el ĉiuj de mi spertitaj mi tutkore gratulas al la ĉeforganizantoj Raja kaj Viktoro Kudrjavcev-oj kaj ilia teamo pro la bonega organizado, al Garik Kokolija – pro la senriproĉa gvidado de la Konferenco, al Viktoro Aroloviĉ – pro tujaj referencoj el la konforma dokumentaro, al Vladimir Opletajev kaj Galina Terentjeva – pro akurata protokolado, al ĉiujn novestraranoj – pro la konsento (re)elektiĝi, al la ĉeestintaj REU-membroj – pro la veno kaj aktiva partopreno en debatoj kaj voĉdonadoj, al la artistoj – pro bonaj vesperaj koncertoj. Dankon, karaj, al vi ĉiuj pro la inspiro al plia poresperanta agado!

Pri EoLA la afero estas multe pli komplika. Kun REK prefere ne kompari. Povra duonfilino, aŭ eĉ orfino, adoptita de entuziasmaj, sed malspertaj junpatrinoj. Ne, mi ne diras, ke EoLA-17 fiaskis. Ĝi okazis, kaj pasis eĉ ne malbone. En la senco, ke – dank' al kelkaj entuziasmuloj – ĝi realiĝis tiom bone, kiom eblis en la formiĝintaj kondiĉoj. Pri kiuj kondiĉoj temas?



*la kurso de Irina Gonĉarova*

La historiistoj korektu min, sed ŝajne estis la unua EoLA, pri kiu komplete rezignis REJM – la tutlanda junulara organizo, kiu iam proklamis EoLA-n sia ĉefa amasa aranĝo (samvice kun



*"Flava submarŝipo" el la tetraĵo "Marvirineto"*

SEJT). Malgraŭ tio, la ĉefan respondecon prenis sur siajn ŝultrojn la kuraĝaj gejunuloj el la Tjumena E-klubo, neniu el ili – REJM-ano. Al ili – admiron kaj aplaŭdojn! Speciale al la senŝanĝa organizanto kaj gvidantino – Galja Sarapulova. Kompreneble, helpegis ge-Kudrjavcev-oj. Sed el la organizintoj *neniu* partoprenis antaŭe eĉ unu EoLA-n – evidente, neniu konis la tradiciojn kaj regulojn.

Cetere, kio pri EoLA-Regularo? Ĉu vere tiu ne ekzistas? Eble, iuj Rekomendoj? Kial estas neniuj dokumentitaj mencioj pri EoLA en la ĵus eldonita "Manlibro de la REU-membro"? Ĉu ĉar ne estas aranĝo de REU (aŭ *nur de REU*)? Mi opinias, ke necesas urĝe elfosi la EoLA-Regularon kaj retrakti ĝin. Aŭ verki la novan, se neniuj reglamentaj spuroj troviĝos. Do, tio estas la unua mia propono.

La dua: ĉesigi profanadon. Finfine konsciiĝi kaj akcepti, ke ne povas esti *konkurso*, se venis malpli ol 5 konkurseroj! Ke ne povas en la sama branĉo (Poezio) konkursi originalverkitaj versaĵoj, tradukaĵoj kaj eĉ deklamado! Ke manlaboroj ne rilatas al *lingvo arta*. Nu, ktp, mi ne daŭrigu. Cetere, dum *festivaloj* oni ne nepre konkursas. Esence: jam delonge necesas ĉesigi sintrompadon pri tio, ke ni havas en Rusio E-festivalon, kie riveliĝas niaj artaj fortoj kaj atingoj. Se estas vere tiel – necesas simple tuj fermi la magran hontindan butikon. Aŭ ŝanĝi la koncepton, rilaton kaj preparadon. Mi estas por la dua varianto.

Kiu kulpas, kion fari kaj kie estas miaj okulvitroj? Necesas:

1) (Re)verki la Regularon de EoLA.

2) Koncepti EoLA-n kiel gravan tutrusian aranĝon de la tuta landa esperantistaro, levi ĝian prestiĝon. Se REJM en la proksima jaro ne povas organizi la aranĝon, ripozu ĝi (REJM) en paco. Faru ajnaj kuraĝuloj (kiel ĉi-jare), kun helpo de la sperta kaj interesita Organiza Teamo.

3) Ne plu trakti la aranĝon kiel konkurson por komencantoj. *Ĉiuj* estas invitataj partopreni, ĉiuj! Por komencantoj – aparta fako, ne pli. Eblas kaj stimulindas malĉeesta partopreno.

4) La ĉefa celo – pliriĉigo de la arta *lingva* programo. Kio estas *lingva arto*? Imagu – ankaŭ instruado, ĵurnalistiko, rolludoj, prelegoj, studentaj kurslaboroj, defendoj, filmoj, KD-oj, retpaĝaroj, broŝuroj,


*Galina Sarapulova (Tjumenj)*

afiŝoj k reklamfolioj ktp. Ĉu vi povas daŭrigi la liston? Bonvenon!

5) Dum ne venis minimume 5 eroj por la anoncita branĉo, ne nomi tiun "konkurso". Eble, ĝenerale rezigni pri konkursado.

6) La tuta rusia Esperantujo devas prepariĝi al la vica EoLA dum la tuta jaro. Kiel?

– Labori kaj raporti al la Organiza Komitato (anoncita dum/tuj post EoLA) pri siaj preparlaboroj. Se tiu Komitato anticipe elektos la ĉefajn (kaj fakultativajn) "viktimojn" kaj senĉese interesiĝos pri iliaj preparsukcesoj, tio stimulos, certe.



la rolantoj de "Mocart' kaj Saljeri"

– Anonci ĉiujn (aŭ laŭ la interkonsentita elekto) literaturaĵojn (artikolojn, prozajn beletraĵojn, poeziaĵojn, humuraĵojn, distraĵojn), kiuj aperas en rusiaj E-periodaĵoj (REGo, "Scienco kaj Kulturo", "Komencanto", klubaj eldonaĵoj ks), konkurseroj por EoLA (vaste pri tio anonci!). La selektaj komisionoj el kompetentuloj pri la konformaj branĉoj devas labori tra la tuta jaro kaj ritme raporti pri la rezultoj al OK.

– Dum la festivalo laboru apartaj Metiejoj. Ne pri perlumado. Pri la ĉefaj branĉoj. La plej bonaj rezultoj de la metiejoj – por la konkursoj, al la scenejo, por la ĉefa koncerto. Rememoru, feliĉuloj, la StRIGon-2 ("100-jariĝo de Esperanta Teatro") – jen laŭ tiu ĉi skemo. Same – apartaj laŭbranĉaj ĵurioj laboru paralele kaj samtempe. Al la scenejo – nur la indaĵojn! Ĉi tie troviĝos loko ankaŭ por LONoj kaj BeLegoj.

– Anoncu anticipe niaj sponzoroj kaj favoruloj siajn proprajn premiojn.

– Lanĉi fonduson por helpi al aktivaj kaj perspektivaj artuloj veni por ĉeesta partopreno.

Sufiĉas por la komenco. Mi certas, ke ĉiu el la legantoj, se ekdeziros, povus daŭrigi la proponaron. Nun ni interŝanĝu opiniojn. Kaj – por ne perdi tempon – anonciĝu por la Organiza Komitato, al kiu ankaŭ mi ŝatus aliĝi. Dankon pro la atento kaj via tuja kaj onta aktiveco!


nokta amika rondo

***Irina Gonĉarova***
***(Odincovo)***

## EoLA-17. MUZIKO. ĈU RENESANCO?

En kanta konkurso de la festivalo EoLA-17 partoprenis dek plenumantoj. Certe, dek ne estas kvindek, sed dum EoLA-14 apud Ĉeboksari kaj EoLA-15 apud Novosibirsk (kiujn mi partoprenis) en kantaj konkursoj estis nur po tri-kvar personoj. El ĵusaj partoprenintoj al mi plej memoriĝis Pier Luigi Cinquantini el Italio, Nastja Kirillova el Ivanovo kaj la dueto "Marvento" el Krasnojarsk.

Pier Luigi konsternis min ĝis profundo de la animo per sia plenumo de fama "O sole mio" en Esperanto, kaj mi eĉ reskribis de li la tekston. Siamaniere estis rimarkinda la kantado de Nastja. Ŝia "drajva" voĉo memorigis al mi la plej ŝatatan plenumanton – Paŝa Korotenko.

Ankaŭ estis interesa debuta elpaŝo kun propra koncerto de la dueto "Marvento" (Anja Maciboruk – Mara kaj Kostja Ĥlizov – Vento). Kostja verkas kantojn, kantas, gitar- kaj flutludas, Anja – flut-, tamburet- kaj gitarludas kaj kantas. Estas bonaj, belaj, artistemaj muzikistoj. Se estus konkurso "Miss EoLA-17", Anja nepre venkus en ĝi. Tuj post la koncertoj de "Marvento" kaj "Atentema VU" (kie ili ankaŭ partoprenis) ŝin iu kisis en vangeton kaj donacis florojn kiel signon de admiro... Ankaŭ la energia karaktero de Kostja allogas junajn geesperantistojn, kaj nun ili vere estiĝis centro de nia junulara movado.



*Sergej Bozin, Andrej Peĉonkin, Kostja Ĥlizov kaj Anja Maciboruk kantas koruse*

Dum EoLA okazis koncertoj de Anatolo Radajev (Samara), Andrej Peĉonkin (Krasnojarsk) kun kompanio kaj de la projekto "Atentema VU".

Anatolo kantis bele kaj kun grandega inspiro, esperantistoj sciis la kantojn kaj kunkantis. Tiu ĉi estis vera Esperant-koncerto de vera Esperant-bardo. Anatolo kunveturigis siajn diskojn kaj poemlibrojn por ĝojo de adorantoj de lia talento.

Andrej Peĉonkin post longdaŭra paŭzo denove aperis inter ni, kaj aperis ne simple – kun la koncerto. Spektantoj per aplaŭdoj taksis la rezultojn de lia muzikheroaĵo – dum kelkaj tagoj li sukcesis krei interesan ensemblon kun Nina Djomuŝkina (elektropiano) kaj Kostja Ĥlizov (gitaro). Andrej kantis siajn kantojn, memtradukitajn kantojn (en la stiloj roko, blus-roko k.t.p.), kantojn de Esperant-bardoj. Principe la impreso estis bona, sed estos eĉ pli bone, se Andrej daŭrigos la agadon. Krome li verkis ĥoran kanton, kiun ni kune plenumis.

Dekomence estis planitaj du koncertoj de la projekto "Atentema VU": la kanta

dum REK kaj koncerto de tranca kaj medita muziko dum EoLA. Tamen multaj gejunuloj alvenis nur al EoLA, kaj laŭ iliaj petoj ni ripetis la kantan koncerton dum la festivalo.

Ĝenerale ni koncertis triope (Sergeo Bozin, Kostja Ĥlizov kaj Anja Morskaja), sed... Alveninta el Ĉeboksari Tonja Muljukova neatendinte por ni ekkantis "Vagan kanton" de Kostja, kaj ni decidis plenumi ĝin kune (Tonja kantis la kanton ankaŭ dum la konkurso). Por plenumo de du kantoj ni vokis ankaŭ Lena Buĥmak el Novosibirsk, kies bela voĉo al ni plaĉis.



*Andrej Peĉonkin*

Dum la festivalo la kvalito de nia plenumo principe estis sama, sed kontakto kun la aŭskultantaro videble plifortiĝis de koncerto al koncerto, kaj se la unua estis renkontita sufiĉe trankvile, dum la tria koncerto por ni estis problemo – iel trankviligi la halon kaj finfine ĉesigi la plenumadon.

Ĝuste post la lasta, plej sukcesa koncerto, ĉe mi aperis multe da novaj geamikoj, signife pliboniĝis la humoro kaj en atmosfero de amo kaj konkordo ni revenis hejmen eĉ dektriope en unu trajno... Ni kantis orajn, arĝentajn kaj simplajn kantojn, ludis intelektajn (kaj ne tre) ludojn... kaj unu kunvojaĝanto el suda lando (al nia granda miro) donacis al ni paketon kun aveloj... Sur la ondo de subita inspiro mi eĉ ekvolis traduki en Esperanton mian Ŝatatan Libron.

Kion ankoraŭ? Grandan dankon al Raja kaj Viktor Kudrjavcev kaj al la tuta organiza teamo pro la interesa aranĝo. Mi ne vidis ĉion, sed al mi tre plaĉis teatraĵoj de la novosibirskanoj (Katja Arbekova kun sia brila kompanio). Ankaŭ menciindas la tago, kiam iumatene televidistoj faris raportaĵon pri REK-EoLA, jam vespere ni kun granda plezuro spektis nin en TV-kesto, kaj sekvamatene lokaj servistinoj diris al ni: "Ho, tiuj ĉi estis vi...". Kiel ĉiam, pro teknikaj kaŭzoj oni malsukcesis registri la kantajn koncertojn, sed mi havas registraĵojn de la programo, kiu estis farita en Krasnojarsk antaŭ EoLA, kaj, ŝajne, mi sukcesos fari K-diskon kaj kunpreni ĝin al RET en Jelec ĉi-aŭguste.

Gratulojn okaze de bela EoLA, geamikoj!

***Sergeo Bozin (Krasnojarsk)***



*"Marvento"*




*tosto je gloro de SEJM*

## UNU TAGO KUN SEJM-VETERANOJ

***la 1-an de majo 2005***

En kies kapoj elĝermis la ideo pri kunvenigo de iamaj SEJM-aktivuloj en Jekaterinburg? Sendube, la iniciato fontis okaze de la kvardekjariĝo de Sovetia Esperantista Junulara Movado, kaj Raja kaj Viktor Kudrjavcev intence enprogramigis festajn jubileajn aranĝojn por ne nur rememorigi pri eventoj pasintaj, sed ankaŭ por kontaktigi esperantistojn de pli junaj generacioj kun homoj, kiuj antaŭ 50-40 jaroj, post restarigo de la ruinigita movado en Soveta Unio, plifirmigis ĝin kaj abnegacie servis al Esperanto dum ĉi tiuj jardekoj.

Mi, kiel multaj aliaj mezaĝuloj, venis al Esperanto komence de la 70-aj jaroj kaj spertis la pintan disflorperiodon de SEJM kaj ĝian varian agadon ĝis la malfondo en 1979. Kio estis do specifa por la ordinara sinteno de esperantistoj en tiu tempo? Unuavice, aparteno al unike alloga kaj unuiga kolektivo funkcianta aŭtonome, sen oficiala ŝtata registriĝo kaj protekto – SEJM, kies aŭtoritato estis nekontestebla, ĉar ĝi kreskis de malsupre el la koroj kaj travivaĵoj de multaj dekoj da aktivuloj kaj kluboj. Laŭ la asertoj de Anatolo Gonĉarov la naskiĝanta movado de la unuaj paŝoj enradikigis tre zorgeman rilaton al la lingvo, kio riveliĝis en strikta lingva disciplino kaj neripeteble alloga lingva etoso dum la kunvenoj. Sed ankaŭ la eternaj homaj ecoj, kiaj estas internaciismo, pacemo, frateco, amikeco kaj interkomprenemo, estis por SEJM-anoj neniam nur poreksteraj dekorobjektoj. Oni plastike kondiĉigis sian kunestadon en la movado kun aparta, kvazaŭ nature memkomprenebla kaj nepra konsidero de gravaj moralaj ecoj, cetere ne sen ambicia konkurado, kiu pro eksteraj devigaj kaŭzoj konforme al tiutempaj sociaj tradicioj nomiĝis socialisma, sed enhave ĝi restis reale efika antaŭenigilo kaj spronilo de multflanka aktivado. Al ĉio ĉi necesus atribui entuziasmon kaj vervon de junaĝo, ĉar la movado efektive estis junulara, ebliganta al multaj ne nur brile realigi sin en la esperantista medio, sed ankaŭ en plua vivo fari rimarkindajn karierojn.

La unuan de majo dum la sinsekva vico de jubileaj kunvenoj okaze de la kvardekjara datreveno de SEJM pluraj gastoj kaj partoprenantoj de REK-24 havis neripeteblan ŝancon vidalvide sidi, amike kontakti kaj aŭskulti kelkajn el tiuj famuloj, kiuj staris ĉe la sojlo de SEJM, metis ĝian fundamenton, zorge konstruis ĝiajn murojn. Jen ili venadis antaŭ la publikon iom grizharaj, la travivitaj jaroj stampis sulketojn sur iliaj vizaĝoj, sed iliaj okuloj kiel antaŭe vigle brilis elradiante inspiron kaj neestingiĝantan entuziasmon.

Anatolo Gonĉarov – svelta, energia, vigla, plena de fekundaj ideoj, kvazaŭ unuspire travivinta la kvar jardekojn ekde sia unua Adresaro en 1965 ĝis novaj realigindaĵoj sub la influo de kunagadaj sistemoj, estas preta plu movi pezajn ŝtonojn sur onta vojo kaj utile servi al ĉiuj, kiuj vivas sub raŭmisma stelo en kaj per Esperanto. En sia parolo li kun bedaŭro konfesis, ke eble vane estis malfondita SEJM kaj per tio perditaj tia ĉi unika kunagada formo kaj ĝia ne plu revivigebla aŭtenta atmosfero. Sed estas ja li, kiu lanĉis ĉi tiun plenzorgan kaj animskue plezurigan laboron. Estas li, kiu povas nun fieri pri siaj idealoj kaj atingoj, fidelaj disĉiploj kaj famaj lernantoj. Brave, Anatolo!

Vladimir Samodaj prezentas kvazaŭ inverse kontraŭan bildon de Gonĉarov kaj aspektas solide kun la kapo ornamita per impone blankaj haroj. Li havas ruzetan rideton, kiu facile kaŝiĝas en la lipharoj, kaj okulojn de homo multon vidinta kaj nun trankvile kaj humurplene rigardanta la tumultan mondon. Tamen li ne kontemplas ĝin de sur la neatingeblaj altaĵoj de siaj spertoj kaj meritoj, sed volonte kontaktas homojn malkovrante trajtojn de sociema kaj demokratiema sintenoj. Dank' al la invito de Anatolo Gonĉarov li aliĝis al la unua Adresaro kaj depost tiam grave kontribuis al la starigo de SEJM; ankaŭ nun li daŭre kaj fruktodone aktivas por Esperanto. Dankon, Vladimir!



*la veteranoj bone scipovas ne nur labori, sed ankaŭ ripozi*

Oni apenaŭ povas trovi inter rusiaj adeptoj de Esperanto pli akademiecan esperantiston kun neimageble skrupulaj analizkapabloj kaj eksperte enciklopediaj scioj, ol Viktoro Arolоviĉ. Li kapablas ĉe bezono tuj eligi el sia ŝajne senfunda memortrezorejo plej konvenajn senerarajn faktojn kaj ilumine lerte kaj trafe precizigi diversfakajn ideojn kaj vortumi komplikajn temojn. Sed ankaŭ li iam tutplene kaj verve dediĉis sin al SEJM, estante unu el ĝiaj multjaraj aktivaj gvidantoj. En la Kongreso li prezentis unikan ekspozicion de vidindaj kaj nuntempe apenaŭ retroveblaj dokumentoj kaj arkivaj fotoj el la jaroj de SEJM kaj preparis interesegan kvizon pri ĝia historio, kiu plurfoje per malfacilaj kronikaj kaj personrilataj



*renkontiĝis du "balenoj": kunfondinto de SEJM-1 Vladimir Samodaj kaj unu el ĉefaj aktivuloj de SEJM-2 Garik Kokolija*

demandoj embarasis du rivalajn teametojn, konsistantajn el esperantistoj plejparte de post-SEJM-aj generacioj. Ni estimas vin, Viktoro!

Vladimir Bespalov – unu el la plej simpatiaj, viglaj kaj neindiferentaj kongresanoj – feliĉokaze ĝis nun ne scias la neeviteble pezigan inerton de jaroj, fervore kaj senlace gvidas li la klubon en sia fama kurac- kaj banloka ĉemara urbo. Same entuziasme li aktivis dum multaj jaroj en SEJM ekde ĝia fondiĝo kaj ankaŭ nun senlace serĉas kaj strebas inventeme apliki novajn agadformojn. Eĉ tieaj kolektivaj klubaj vizitoj al saŭno regule okazas ne sen speciala Esperanto-fono. Ne haltu, Vladimir!

En la posttagmeza programo samtage estis anoncita nostalgia vespero, vekinta eksplicite nostalgiajn sentojn per lumbildoj prezentitaj kaj trafe komentitaj de Vladimir Samodaj. Sur la ekrano vidiĝis bone konataj kaj ne tre rekoneblaj vizaĝoj de junaj kaj agemaj homoj el pasintaj jaroj, multaj el inter kiuj ankaŭ hodiaŭ apartenas al brila fonduso de aktivaj kaj eminentaj esperantistoj de nia lando. La slajdprezenton sekvis festa tablo kun dolĉaĵoj kaj ĉampano. Aŭdiĝis tostoj, glasaj tintoj, ĝojaj interparoloj, gratuloj, interkisoj, salutvortoj, nerimarkate gutetis larmoj. Ekbrulis bengalaj fajroj, kaj fotistoj amase hastis kapti neforgeseblajn momentojn de la solenaĵo, kiu plu daŭris por valsemaj kaj diskotekemaj diversaĝuloj sur dancplaceto senpaŭze kaj gaje ĝis la frua mateno.

Tiel impete traflugis kvardek jaroj de la neforgesebla SEJM-historio, kaj tiel rimarkinde pasis nur unu maja REK-tago en la rondo de amikoj kaj veteranoj. Ĉiam pli rapide formoviĝas neforgesendaj datoj kaj eventoj, kiuj neeviteble fariĝas historiaj, kaj estas tre grave, ke atestantoj de ĉi tiuj eventoj ne hezitu rememori ilin, konigi ilin al novaj esperantistoj, noti historion de sia propra vivo, skribi pri gravaj kaj ne tre gravaj movadaj travivaĵoj.

***Vladimir Opletajev (Surgut)***

<u>Referencoj pri la personoj</u>:

***Aroloviĉ Viktor Semjonoviĉ,*** *naskiĝis en 1946, esperantistiĝis en 1966 en Moskvo, aktiva gvidanto de SEJM, ĝia multjara komitatano kaj prezidanto (1974-76).*

***Bespalov Vladimir Ivanoviĉ****, naskiĝis en 1940, esperantistiĝis en 1963 en Soĉi, aktivulo de SEJM ekde ĝia fondo.*

***Gonĉarov Anatolij Jevgenjeviĉ****, naskiĝis en 1940, esperantistiĝis en 1958 en Odeso, iniciatinto kaj fondinto de SEJM, ĝia prezidanto (1966-69, 1972-74).*

***Samodaj Vladimir Vladimiroviĉ,*** *naskiĝis en 1935, esperantistiĝis en 1958 en Odeso, unu el la fondintoj kaj la nominto de SEJM, ĝia estrarano kaj fakestro.*

## REJM – REU

*(rimarkoj de eksterlanda observanto)*

Dum kelktaga partopreno en REK kaj poste en EoLA mi havis la okazon ĉeesti gravajn momentojn de la rusia movado. Unue – balotoj por elekto de estraranoj de REU kaj poste – malpli grava kunveno por prezentado de aktivado de REJM. Pri la unua miajn rimarkojn – pro tio, ke ŝajnas ke gastoj ne rajtas interveni en la diskutado – mi diris, post la asembleo, al novaj prezidanto kaj vicprezidanto. Ne temis pri gravaj aferoj, kaj do mi ne volas ĉi tie daŭrigi pri tio. Mi ŝatus interveni, male, pri la strukturo de organizita movado en Rusio.

Samkiel pri lingvoj, kie ofte malsamlingvanoj verkas pli profundajn eseojn pri ili, pro tio ke el ekstere oni havas alian observopunkton pri la strukturo, eble fremdlandano povus kontribui per rimarkigo de eblaj balastoj por pli flua funkciado de burokratio. Mi tute ne intencas instrui ion al vi; se mi havus tian povon mi rezervus ĝin por pli bone funkciigi italan movadon. Mi volas nur atentigi pri kelkaj faktoj, kiuj eble kontribuas al via malrapida kresko. Mi volas substreki, ke temas ne pri "rivelita vero", sed pri miaj ideoj, do eble eĉ eraraj, kaj ĉiukaze tute kontraŭargumenteblaj.



*Pier Luigi ne nur observis, sed ankaŭ kantis*

Nu, dum la prezentado de REJM fare de Kostja Ĥlizov – celita al gejunuloj, sed nur 10% de la ĉeestintoj estis tiaj (almenaŭ laŭaĝe), – mi eksciis ke REJM havas iom pli ol 20 membrojn. Tio ne malmulte surprizis min, ĉar mi rimarkis, kaj dum IJK en Kovrov, kaj dum la kunvenoj en Jekaterinburg, multajn gejunulojn, pli-malpli aktivemajn, venantajn de diversaj kluboj tra Rusio. Tiel mi eksciis, ke REJM estas memstara asocio de junuloj, kiu rekte referencas al TEJO, kaj krome, ke por esti ĝia membro oni devas havi almenaŭ la unuagradan diplomon de E-o. Nu, kun tiaj kondiĉoj kial tia lamentado flanke de Kostja? Dudeko da homoj "kvalifikitaj" ne facile troviĝas kie ajn. Kaj tamen estas serĉataj novaj helpfortoj, kaj tamen EoLA estas organizata jam de kelkaj jaroj de volontuloj ekster REJM, apogitaj de REU.

Do, ŝajnas ke io ne bone funkcias, eble la meĥanismo bezonas lubrikadon. Laŭ mia elekstera vidpunkto ne eblas, ke junulo, kiu decidis iom engaĝiĝi, pagu kotizon al REU, kaj se tiu volas iom pli enprofundiĝi, post ekzameniĝo, pagu kroman kotizon al REJM. Mi ne parolu pri la ebla kotizo al la loka klubo. Eble la kotizoj ne estas altaj, eĉ por studentoj, sed tamen, psikologie, eltiri trifoje la monujon iel pezas (kaj ne temas nur pri monaj kialoj).

Asocio kiu havas 20 membrojn estas ankaŭ malpli reprezenta sine de TEJO (oni povus rimarkigi ke temas pri bonaj regantoj de E-o, sed tio ne multe ŝanĝas la rezulton). 20 membroj estas kvanto deca por iu ŝtateto, sed ne por Rusio. Ankaŭ

fronte de la vigleco de diversaj kluboj. Nu, kion fari por plibonigi la situacion? Jen miaj personaj opinioj rilate tion, lume de mia sperto en la itala movado.

– Estu nur unu nacia asocio (ekz. REU), ĉiukaze ne devus esti tiom granda ŝanĝo en la kutimoj, ĉefe nun ke kelkaj iamaj "junuloj" eniris kaj emiksiĝis en la "nova" asocio.

– Ĉiuj gejunuloj – membroj de REU sub iu aĝlimo (26, 30 aŭ kiom oni volas) formu la junularan sekcion de REU.



*multaj diskutoj okazis dum la fumado ekstere*

– Parto de la kotizoj de la junaj membroj estu por la junulara sekcio kaj ĝia financado.

– REJM havas statuton kiu permesas aliĝon nur al diplomitoj? Bone, oni malfondu ĝin, aŭ se tio estas tro komplika por re-aliĝo al TEJO, oni ŝanĝu la statuton. Aŭ, se oni ne volas forigi tiun artikolon pri diplomo, oni povus decidi ke diplomitoj havas specialan rangon en la asocio, aŭ ke prezidanto rajtas esti nur diplomito, ktp.

– Alia problemo, pri kiu mi eksciis, estas la atingo de la kvorumo dum iaj okazoj, pro la dimensioj de lando kiel Rusio. Nu, tio povus esti problemo solvebla per statutmodifo (aŭ modifante la punkton kie oni postulas tro altan procenton da ĉeestantoj, aŭ, se oni volas tamen konservi tian garantion, enmeti kromajn voĉdonformojn: mandatoj, voĉdono per letero aŭ per reto).

Mi rimarkis, dum miaj vizitoj al Rusio, ke estas forta movado de potencialaj junaj aktivuloj, komencante de Moskvo, trapasante Ĉeboksari, alvenante al Tjumenj. Oni ne povas permesi al si la lukson lasi ekster la oficiala movado aktivajn homojn nur ĉar ili ne regas bone la lingvon. Dum ĉi tiu EoLA mi rimarkis, ke unu el la "motoroj" estis juna knabino el Tjumenj, Galja Sarapulova. Jes, komencantino, laŭ lingva vidpunkto, sed Dio volu, ke estu cento da tiaj komencantoj! Kaj krom tio, kial ellasi eventualajn denaskulojn, kiuj povus ne emi akiri ian diplomon, aŭ povus ne emi esti "juĝataj" pri sia scio de la lingvo? La lingva


*ne multaj eltenis tagajn diskutojn kaj noktajn kantadojn*

nivelo estas ĉiam plibonigebla. Kaj tio ne signifas, ke ĝi ne gravas. Male! Mi ĉiam estis subtenanto de plialtigo de lingva nivelo, kaj pro tio, ĉiam malantaŭ la aktivuloj, ne bone regantaj la lingvon, vigilu pli spertaj esperantistoj por lingve kontroli aliĝilojn, programtabulojn, ktp. Se kunvenoj ne utilas ankaŭ al plibonigo de la lingvonivelo, ili ne plenumas tute sian taskon. Kluboj kiel Ĉeboksari, kie ne ĉiuj regas bone E-on, povis tamen krei kaj ripeti eventon tiel gravan kiel Lingva Festivalo (nuntempe ĉiam pli imitata en- kaj eksterlande).

Fine, la rolo de la kluboj. La kluboj estas inter la ĉefaj fortoj de nia movado. Ili estas la radikoj de la Movado en la socia grundo. Danke al ili eblas organizi librotagon en urboj, disdonadi flugfoliojn tra stratoj aŭ universitatoj, ktp. Do, kiel rilatigi ilin al la nacia asocio? Nu, anstataŭ esti kunaĵo de membroj, la Nacia Asocio estu kunaĵo, federacio de kluboj. Ĉi-lastaj kolektu la membrojn por la nacia asocio. Praktike ili pagigu ian membrokotizon al siaj membroj, kaj el tia kotizo unu parto iru al la Asocio, kaj alia parto restu al la klubo por ĝia aktivado. Tiel la estontaj membroj ne devos pagi trifoje (kaze de junuloj) por aparteni al tri diversaj organizoj, kaj ĉi-kaze oni eĉ povus plialtigi la membrokotizon ĉar ĉi tiu sistemo donos al ĉiuj kromajn avantaĝojn, kiel ekzemple ricevi la asocian revuon. Pri tio, kio koncernas la izolitajn membrojn (samideanoj loĝantaj tie, kie ne estas kluboj): tutaj iliaj kotizoj iru al la Nacia Asocio. Ĉi-lasta decidu ankaŭ, kiom estu la minimuma nombro, por ke klubo povu sin nomi tia, kaj teni por si parton de la kotizoj (ĉu 10, 8 membroj aŭ malpli). Tiamaniere kaj REU kaj REJU (aŭ kiel vi volas nomi ĝin) estus pli fortaj kaj sine de UEA-TEJO, kaj en rilatoj kun la lokaj institucioj, kie ili povus interveni, nome de la kluboj, okaze de oficialaĵoj.



*Viktoro Aroloviĉ tre bone konas ĉiujn movadajn mekanismojn*

Nu, jen la strukturo kiun mi proponus. Ĝi respegulas tiun de la Itala Asocio. La movado ĉe ni iom stagnas, sed nia lando ne havas klubojn viglajn kiel la rusiaj.

Fine, lasta rimarko. Ne estas logike ke okazu dum jaro diversaj kunvenoj, kaj ili foje estu organizitaj danke al la bontrovo de "privatuloj". Se oni atingus tian strukturon, kian mi priskribis, estu same la kluboj, aŭ la "surlokuloj", la organizantoj, sed sub superrigardo kaj apogo de la asocioj (plenkreskula aŭ junulara), ĉefe laŭ la flanko de praktika helpo aŭ de ebla deficito se eventuale la aliĝkotizoj ne povus repagi la kostojn.

Ofte en nia "familio" ekzistas rivaleco, ĵaluzo, kverelemo, sed tiuj ne estu pretekstoj por damaĝi nian Movadon. Demokratiaj statutoj, kiuj bone funkcias, permesas al ĉiuj, kiuj havas ian plimulton, ŝanĝi la estraron; se tio ne eblas, pro manko de plimulto, – paciencon, tio estas la reguloj de demokratio...

***Pier Luigi Cinquantini (Italio)***

# Tiĥvina Esperanto-klubo:

## *historio, etoso, perspektivoj en la opinioj de kelkaj klubanoj*

**Aleksandr Belov (jaro de esperantistiĝo – 1978):** La unua E-kurso aperis en nia urbo en 1926, sed la kursfinintoj ne organizis E-klubon, kaj nur unu el ili, Nikolaj Zverev, ne forgesis la lingvon ĝis la 90-jariĝo, ĝis sia morto.

La dua, moderna periodo de E-vivo en Tiĥvin komenciĝis en 1972, kiam post fino de politeknika instituto en la urbon venis Mikaelo Bronŝtejn. En tiu tempo li jam estis tre fama esperantisto en nia lando, ĉar li aktivis en SEJM preskaŭ de la fondiĝo kaj konstante okupis diversajn postenojn kiel komitatano kaj fakestro. Do certe en Tiĥvin li tuj organizis E-kursojn kaj sekvantjare kun la kursfinintoj vizitis BET-on. Kiam al Tiĥvin venis ankoraŭ unu aktiva esperantisto, Aleksandro Kogan, li kun Mikaelo decidis organizi E-klubon kaj tuj starigis grandan celon – organizi en nia urbo SEJT-on. La 27.07.1974 dum la 8-a konferenco de SEJM oni akceptis Tiĥvinan E-klubon al SEJM kaj M.Bronŝtejn estis elektita vicprezidanto pri renkontiĝoj. Eble ĝuste tiun tagon necesas kalkuli kiel naskiĝtagon de la klubo, sed oficiale en nia urbo la klubo ankoraŭ ne ekzistis, kaj nur en aprilo 1975 uzina komsomola komitato faris decidon organizi klubon de internacia amikeco "Esperanto". Dekomence la klubo baziĝis en la urba kulturdomo, sed poste ricevis apartan lokon.



En 1976 la klubo sukcese organizis SEJT-18 kun 273 partoprenintoj, malgraŭ diversaj malfacilaĵoj (pli detale indas tralegi en "Legendoj pri SEJM" de M.Bronŝtejn). Eĉ se la klubo farus plu nenion, ĝi restus por ĉiam en la historio de landa movado, sed dum pli ol 30-jara ekzisto la klubo aktivis konstante kaj stabile. Kaj ne gravis, kiu gvidis en tiu tempo la klubon – ĉu M.Bronŝtejn, A.Kogan, Z.Kaĉalova aŭ V.Kandalinskij – konstante estis organizataj kursoj, la klubanoj vizitadis E-renkontiĝojn, la klubo aktive partoprenis vivon de la urbo.

Mi venis al Tiĥvin fine de 1977; en 1978 mi aperis en E-klubo kaj tuj komprenis ke por mi ĉi tie estas tre interese. Post vizito de miaj unuaj renkontiĝoj en 1979 (Ignalina Boatado kaj OkSEJT-21 en Kievo) mi ekvidis kia etoso estas tie, kiaj saĝaj, inteligentaj, neordinaraj homoj estas en E-movado kaj mi komprenis, ke estas mia sorto – vivi en Esperantujo dum la tuta vivo. Do, kiam aperis ebleco, mi

fariĝis dumviva membro de REU kaj certe – de Tiĥvina E-klubo. Dum la 27 jaroj de mia esperantista vivo estis multaj interesaj renkontiĝoj en- kaj eksterlandaj. Mi trovis multe da amikoj, trakantis multe da kantoj dum senlacaj komunaj kantadoj, ĉiam strebis aktive partopreni kvizojn, KGS-ojn, konkursojn kaj eĉ foje mem ion organizi. Nia klubo por mi estas la dua familio – mi sentas min ĉi tie komforte, kaj mi fieras, ke la klubon oni amas en nia lando, kaj ke ĝi konstante okupas altajn lokojn en la kluba ranglisto. Bedaŭrinde, nia urbo estas malgranda, homoj forveturas de ĉi tie. A.Kogan nun aktivas en Kopenhago (Danlando), V.Gakalenko – en Jevpatorija (Ukrainio), J.Litvinova – en Gent (Belgio), I.Skladnova – en Peterburgo ktp., ktp.



Pri Julinka Litvinova indas rakonti aparte. En 1999 ŝi finis E-kurson kaj bonŝance por ŝi en tiu jaro okazis OkSEJT en nia urbo. Do ŝi aktive partoprenis ĝin kaj ricevis specialan premion kiel plej aktiva komencanto. En la sama jaro ŝi decidis partopreni IS-on en Germanio, proponis helpon al organizantoj kaj gvidis signifan parton de la programeroj. Tuj oni komencis invitadi ŝin por organizo de diversaj internaciaj E-renkontiĝoj, elektis en la REJM-estraron, poste ŝi aktivis en TEJO, organizis la unuan en la mondo ret-babilejon, konatiĝis kun la kasisto de TEJO Ilja de Coster, edziniĝis al li ĝuste en la Zamenhof-tago kaj forveturis al Belgio.

Mi ne povas ne mencii la muzikan parton de nia kluba vivo. En la klubo ekde la komenco ĉeestis talentaj kantistoj: M.Bronŝtejn, V.Rajskij, la ensemblo “Espero”, la junaj stelulinoj – Ĵenja Berger kaj Olga Tiĥomirova... En nia klubo estis faritaj la unuaj E-diskoj: “Nia norda urbet' festas verdan someron”, “Iom da bono de Bruna Ŝtono”, “Blanka Nokto”, “Esperantujo mia”. En nia urbo estis registritaj la unuaj diskoj el la serio “Oraj kantoj”.

Ankoraŭ estas freŝaj en la memoro de ĉiuj partoprenintoj bonaj impresoj pri OkSEJT-39 kaj RET-04, okazintaj en Tiĥvin. Ne eblas per nemultaj vortoj rakonti ĉion pri la riĉa historio de nia klubo. Vivu ĝi eterne, mi esperas ke nia junularo daŭrigos nian aferon. Mi estas feliĉa, ke mi estas loĝanto de la lando Esperantujo.

**Natalja Rajskaja (1973):** Certe, ĉiu homo mem venas al la okupiĝo pri tiu aŭ alia afero, ankaŭ pri lingvo. Por mi ĉio komenciĝis de literaturo: en iu libro mi renkontis la belan vorton “Esperanto”. Mi ekvolis ekscii pli detale, kion ĝi signifas. Do kiam en mia lernejo estis organizita kurso de tiu lingvo, mi aliĝis kaj lernis kun granda intereso. La lingvo logis min per simpleco kaj samtempe – per riĉeco de koloroj, melodieco kaj vastaj ebloj de farado de vortoj. Kaj ankaŭ eniris en la animon bonegaj kantoj, rakontoj de saĝaj homoj. Esperantistoj estas tre allogaj: ili estas homoj entuziasmaj, sindonemaj kaj eĉ simple – “malsanaj” pri Esperanto. Verŝajne

ĉio tio kune tenas min en la klubo jam dum tiom da jaroj. Estas ebleco ĉiam ekscii ion novan kaj estas amika etoso. Ja Esperanto estas la lingvo por ĉiuj ni.



**Oljga Tiĥomirova (2004):** Por mi nia klubo estas kolektivo de diversaj homoj, kiuj havas unu amon en siaj vivoj – Esperanton. E-klubo estas enirejo en la landon Esperantujo, kie oni povas konatiĝi kun bonaj homoj, aliaj landoj, aliaj kulturoj, kun belega kulturo de Esperanto. Por tio oni ne bezonas scii multe da lingvoj, sufiĉas nur unu – Esperanton. Sed tiu, kiu konatiĝas kun gajaj, talentaj, belaj homoj, trovas ankaŭ en sia animo iom da talento, kaj mem iĝas pli gaja, pli bona, kaj volas dividi tion kun ĉiuj.

**Zoja Kaĉalova (1978):** Por mi la tiĥvina vivo komenciĝis de la E-klubo. Kiam mi venis en la urbon post fino de la instituto, mi ekvidis anoncon pri kurso de E-lernado. En 1978 en la klubo estis tri balenoj: Mikaelo Bronŝtejn – lingvoinstruisto kaj ĉefgvidanto, Aleksandro Kogan – generatoro de diversaj ideoj, flamaj kaj ofte spontane neatenditaj, Vladimir Gakalenko – saĝa, laborema, serioza praktikulo, bona majstro, vera kaj firma kamarado. Pasis multaj jaroj, restis nur unu el la balenoj. Tamen dank' al lia homloga karaktero, intelekto kaj ĉiama bonhumoro, nia klubo estas unu el la plej agemaj kaj interesaj. Mi ĝuas ne nur la lingvon mem, nek nur la ŝatatan de mi legadon de E-libroj, mi ĝuas ankaŭ la interrilatojn de la klubanoj. Mi estas certa, ke mi havas bonajn amikojn. Do mia vivo estas firme ligita kun Esperanto kaj kun miaj geamikoj.

**Mikaelo Bronŝtejn (1962):** Pasintjare la 90-jara Nikolaj Nikolajeviĉ Zverev, homo treege estimata en la urbo, kaj la sola nia klubano, posedinta la plej altajn honorigojn de la ŝtato, inkluzive Lenin-ordenon, forpasis. Ekde tiam mi fariĝis la plej olda membro de la klubo. Tio estas avantaĝo, ĉar provokas estimon almenaŭ al la griza barbo, sed ankaŭ malavantaĝo, ĉar miaj belegaj kursaninoj kaptas miajn flatajn ridetojn kun ioma timo.

Mia tasko en la klubo estas instruado diversnivela. Tion mi faras ekde 1968, tamen pli ol dekon da jaroj mi estis faranta tion ne en Tiĥvin. Sed eĉ forĵetante tiun jardekon, mi kalkulas, ke A-nivelan ekzamenon en Tiĥvin plenumis sume ĉirkaŭ 150 miaj gelernantoj. Bedaŭrinde, ne multaj el ili restas en la klubo. Tiĥvin estas problema urbo kun granda senlaboreco, do junularo, post fino de mezlernejo, ekstremokaze – de loka pedagogia instituto, ekserĉas bonan sorton en la apuda urbego aŭ eĉ pli fore. Spite al tiu fakto mi kuraĝe diras, ke Tiĥvina E-klubo havas bonan perspektivon pro kelkaj kaŭzoj.

Unue, ĉar la klubo estas estimata en la urbo pro multaj utilaj agoj kaj pro ne malpli utilaj kaj estimindaj klubanoj. Aleksandr Belov – renoma maratonisto, Viktor Kandalinskij – prezidanto de la Asocio de ĝemelurba amikeco, Jelena Loĵkina –

vicdirektorino de Rimskij-Korsakov-muzeo, Natalja Rajskaja – urba deputito, Vera Vlasova – vicestrino de la Artlernejo, – ilin la popola opinio (esplorita de amaskomunikiloj) apartenigas al la Ora fonduso de Tihvin. Due, ĉar la estimindaj klubanoj kapablas instrui Esperanton kaj organizi kluban vivon sen mia asisto kaj, mia-opinie, tre bone faras ĉion ĉi. Trie, ĉar tamen restas en la urbo kaj en la klubo iom da gejunuloj, sufiĉe aktivaj por daŭrigi la agadon. Kaj kvare, ĉar la klubo estas por ĉiuj anoj ne simpla malenuigejo, sed amika esperantista komunumo, la medio, en kiu la vivo iĝas pli feliĉa.

**Vera Vlasova (1984):** Iam antaŭ dudek jaroj Aleksandr Kogan, paĉjo de unu el miaj lernantinoj, invitis min en E-klubon kun celo prepari programon de la ensemblo de politika kanto por vica konkurso. Ekde tiam komenciĝis mia konatiĝo kun mirinda fenomeno – Esperanto-movado. Po iom alirante al la lingvo, post konatiĝo kun esperantistoj mi komprenis, ke ĝenerale esperantisto estas brila talenta persono. Kiel ekzemploj de tio estas miaj geamikoj el nia Esperanto-klubo. Mi tre bedaŭras, ke frue forpasis talenta poeto-kantaŭtoro Vladislav Rajskij, kies kantojn ŝatas ne nur esperantistoj. Mi fieras pro amikeco kun Mikaelo Bronŝtejn, pro tio ke mi kantas liajn kantojn. Certe, por multaj Esperanto estas lingvo por komunikado, por vojaĝoj, por renkontiĝoj kun eksterlandaj esperantistoj. Por mi ĉefa estas tio, ke dank' al Esperanto mi havas amikojn, kiuj ĉiam varmigas mian deziron plu okupi min pri la lingvo, deziron krei. Sen ilia helpo kaj subteno mi eĉ ne pensus pri registrado de la kantoj; la disko "Blanka Nokto", pri kiu mi revis, aperis nur dank' al niaj klubanoj.



**Margarita Bistrova (2005):** Antaŭe mi ne sciis, ke ekzistas tia rimarkinda lingvo kiel Esperanto, sed nun ĝi fascinas min, kaj mi tre dankas destinon pro la renkontiĝo kun karaj samideanoj de nia Tiĥvina E-klubo. Ili estas tre viglaj personoj kun superba senso de humuro, kun mirinda entuziasmo en siaj koroj. Ili bonege scipovas Esperanton, kaj kiam mi aŭdas iliajn paroladojn, mi volas paroli tiel bone kiel ili, kaj ĝenerale mi volas pensi Esperante. Kiam mi aŭdas la vorton "Esperanto", mi sentas admiron, flugon, inspiron kaj ĝojon. Al mi ŝajnas, ke mi estas freneza, sed mi sentas sincere, ke Esperanto havas senlimajn eventualecojn, ĝi nature flamigis min per neestingebla fajro de entuziasmo, kaj mi kredas, ke ĝuste Esperanto estas la plej taŭga lingvo por tutmonda korespondado kaj agrabla komunikado. Vivu Esperanto kaj Ludoviko Zamenhof! Mi kun grandega plezuro vizitadis kurson de Esperanto kaj estas tre danka al ĉiuj, kiuj interesigis min pri tiu mirakla lingvo. Tio estas niaj scivolaj klubanoj.

**Viktor Kandalinskij (1977):** Krom, mi diru, esperantista kluba vivo, ĉiam ekzistis (almenaŭ dum lastaj dudek kvin jaroj) tiu trajto de kluba agado, kiun mi



nomus familieca. Mi parolas pri turismumado en la naturo, kiam E-o apenaŭ sonas, sed kiam regas komuna ĝojo, kiam oni sentas sin "en sia telero", troviĝante en tiu leĝera atmosfero de amika interkomunikado, kiun oni poste rememoras kun plezuro. En la tempo de propra klubejo (troviĝanta rande de la urbo) vintre la klubanoj kolektiĝis sabate aŭ dimanĉe por skii tra droninta en neĝo arbaro. Post kelkaj horoj lacaj skiantoj varmiĝis ĉe la klubeja tablo kun granda samovaro kaj senfinis feliĉa babilado. Ne nur vintro belas en nia regiono, ankaŭ somero havas siajn avantaĝojn. En la memoro restas someraj "aventuroj" en kuloplena arbaro surborde de la Hela lago kun ludoj, banado, berkolektado, manĝaĵoj, kuiritaj sur lignofajro, noktumado en tendoj aŭ simple apud lignofajro. La tradicia finsezona aŭ komencsomera ŝaŝlikumado atendas niajn klubanojn ankaŭ ĉi-jare.

**Saŝa Kurma (2005):** Esperanto estas bonega lingvo, kaj ĝia ĉarmo estas ke ĝi kunigas egan kvanton de lingvoj. Ĝuste tio helpis al mi lerni Esperanton. Kaj ankaŭ Esperanto estas korekta lingvo. En ĝi ĉio estas korekta, en ĝi ne estas esceptoj… Ĝi forte progresigas, ĉar por verki la vorton mi devas longe pensi por korekte starigi prefikson aŭ sufikson. Kaj por traduki la vorton mi devas malmunti ĝin popece. Mi ŝatas nian Esperanto-klubon, ĉar en ĝi estas multe da maturaj kleraj homoj. En la Esperanto-klubo mi estas la plej juna, tial al mi tre plaĉis, kiam oni donis atenton al mi. Mi pensas, ke estas plezuro viziti nian Esperanto-klubon.

---

## TRA ESPERANTISTA SIBERIO

Kiel vi jam scias, ĉi-somere okazos unika E-aranĝo "tRA Siberio". Jen estas la plano de tiu aranĝo en julio: la 09-11-a – Novosibirsk (loĝado ĉe la esperantistoj, ekskursoj tra la urbo, sportumado); la 11-13-a – Tomsk (loĝado ĉe la esperantistoj, ekskursoj tra la urbo); 14-17-a – Novokuzneck (loĝado surplanke en sporta bazejo, urba festo de metalurgiistoj); 18-20-a – Krasnojarsk (loĝado ĉe la esperantistoj, ekskursoj tra la urbo kaj al la naturrezervejo "Stolbi", amuzaj kursoj); 21-28-a – Bajkal (loĝado surlite en bazejo apud la lago, tajgo kun fungoj, beroj, raraj floroj kaj bestoj, ĉevalaj itineroj kaj piedaj promenejoj al kavernoj, rokoj kaj grandegaj cedroj, lueblaj pilkoj, rakedoj, boatoj, ĉevaloj, banejo). En ĉiuj urboj estas planataj renkontiĝoj kun lokaj esperantistoj. Pli detalajn informojn vi povas trovi ĉe <www.sciureto.front.ru>, la plej lastajn novaĵojn – ĉe <http://sail.hotbox.ru> aŭ de la ĉeforganizantino Katerina Arbekova <katka@dali.cis.ru>, h.t. +7-3832-468494.



# Aleksandr Milner (Moskvo)

## *Kiĉo de malfervora esperantisto*

*Ĉu esperantistoj estas normalaj homoj?*
*Ne, esperantistoj ne estas normalaj homoj.*
***Anatolo Gonĉarov. El prelegoj.***

### Mesioj aŭ ĝuuloj

Hazarda vizitanto de Esperanto-aranĝo ĉiam spektas bildon, nekutiman por rigardo de filistro: grupetoj de ne nur junaj seriozaj, gajaj, brilokulaj homoj, evidente obseditaj de io. Eble de dio? Aŭ de demonoj? Tuj troviĝos volontulo, ne nepre verda policisto, kiu klarigos al la profano, ke la ĉeestantoj nur strebas feliĉigi la homaron per universala interkomprenilo, kaj la konscio de propra modesta kontribuo al ĉi tiu historia misio aldonas specialan valoron al iliaj aspekto kaj pensmaniero. Sed se la vizitanto volas kaj kapablas analizi, li rapide trovos, ke inter esperantistoj troviĝas reprezentantoj de diversaj soci-psikologiaj tavoloj. La ideo, ke esperantistoj apartenas al specialaj naturaj psikologiaj tipoj, estas ne pli ol mito. Mi mem testis. Certe esperantistoj plejparte estas *scivolemaj, fervoraj, klerigitaj, celstrebaj, spritaj, menskapablaj* k.t.p. (*el la diskutlisto* **<*alt.talk.esperanto*>**). Tamen la menciitaj kvalitoj ne sufiĉas por "mesia sindromo" (malgraŭ ke tiaspeculoj ne mankas).

Ĉar mi, kiel ordinara esperantisto, estas scivolema, mi provis solvi la problemon per kompara metodo. Mi vizitis kelkajn sektojn, kies adeptoj same strebas feliĉigi la homaron. Kaj mi trovis, ke se la sekto ne estas totalisma, do plejmulto de la adeptoj, verŝajne krom la gvidantoj, tute ne estas obsedita de mesiismo. Ili vizitas la sekton por tie simple ĝui. Ekzemple la budaanoj certe kredas, ke la sorto donacis al ili la Veron, antaŭ kiu ombriĝas ĉiuj ceteraj atingoj de la homaraj scienco kaj kulturo. Sed ĉiuvespere ili vizitadas ceremionion de meditado ĉefe pro la kaŭzo, ke ĝi liveras primitivan kaj sufiĉe krudan fizikan ĝuon. Nu, la homoj ne volas sin limigi per banala maniero kaj aplikas ion alternativan. Ĉe kristanoj okazas la samo, sed sur "pli alta", spirita nivelo: ili akiras tiel nomatan "gracon".

### Kian gracon akiras esperantistoj?

Ĉiu esperantisto povas konjekti, ke por "samideanoj" nia kara lingvo estas ne nur interkomprenilo. Simpla pruvaĵo: Esperanton konstante uzas por komuniki inter si posedantoj de la sama gepatra lingvo. Kontraŭargumentoj pri lingva praktiko ne validas: Esperante parolas inter si ege spertaj samlingvaj esperantistoj. Pro kio? Sola respondo: ili amas Esperanton. Tamen pro kia graco?

La respondoj povas esti diversaj. Ekzemple:

1. Esperanto estas belsoneca. Nu, imagu du rusajn filologojn, interparolantajn itale aŭ ĉine pro la belsoneco. Frenezaĵo…

2. Esperanto estas logika, liberesprimiva k.t.p. Tio aspektas pli racie. *"Ĝi estas la plej viva lingvo el ĉiuj vivantaj… Probable ceteraj lingvoj nomindas mortaj, ĉar ilia gramatiko estas limigita per rigidaj kadroj: tiel ne parolendas, tiel oni ne parolas… Esperante vi povas ĉion esprimi eĉ uzante malgrandan vortprovizon, kaj estos komprenata. Tio estas vera kreado ebliganta kombini kaj novestigi."* ***Andrej***

***Korobejnikov*** *<http://www.rg-rb.de/2004/40/bw_1.shtml>.* Teorie tio aspektas jene: *"Esperanto integriĝas en la homa psiko je nivelo pli profunda ol ĉiu ajn alia fremda lingvo. Ne tuj, ne ĉe komencanto, sed ĉe tiu, kiun Janton nomas "matura esperantisto", homo kun sufiĉa sperto pri la lingvo por senti sin hejme en ĝi. Kial ĝi situas pli profunde en la psiko? Ĉar ĝi, pli ol iu ajn alia homa lingvo, sekvas la naturan movon de la cerbo ĉe homo, kiu volas esprimi sin… Ĉio ĉi, kaj ankaŭ la eblo krei vortojn laŭvole, kion oni ne rajtas fari en multaj lingvoj, kreas etoson de libereco, kiu lokas la lingvon en pli profunda tavolo de la psiko, pli proksime al ties kerno, al ties instinkta bazo. Estas pli facile esti spontana en Esperanto ol en la franca, ekzemple, ĉar oni devas observi malpli da arbitraj malpermesoj. En ĝi do oni sentas sin pli facile. Pro tiaj trajtoj Esperanto fiksiĝas pli profunde en la psiko ol la aliaj fremdaj lingvoj, kaj pro tio oni multe pli emas identiĝi al ĝi."* ***Claude Piron. Psikologiaj aspektoj de la monda lingvoproblemo kaj de esperanto*** *<ftp://members.aol.com/sylvanz/pirprel.htm>.*

Limigoj povas esti ne nur gramatikaj aŭ stilaj. Psikaj limigoj formiĝas en la infaneco lige kun kondiĉaj ekscitiloj, kies rolon ofte ludas vortoj, vortesprimoj, gramatikaj konstruaĵoj de la gepatra lingvo, kiuj samtempe kun negativa motivado povas formi t.n. minuskompleksojn aŭ malakcelojn. Dezirontoj legu: ***Anatolo Gonĉarov. La lango ne turniĝas diri tion ruse.*** *Literatura Foiro, 166 (apr. 1997), p. 93-94 <http://www.anatolog.narod.ru>.* Persono, kiu posedas grandan ŝarĝon de minuskompleksoj, iĝas neŭrozulo. Ekposedinte fremdan lingvon neŭrozuloj liberiĝas de minuskompleksoj. Kial neŭrozuloj abundas en Esperantujo? Ĉar Esperanto estas unika fremda lingvo, kiun neŭrozulo povas ekposedi rapide, libere kaj spontane. Des pli ke por regi etnan lingvon endas multe legi, dum neŭrozulo kapablas korekte paroli limigitan Esperanton leginte nur lernolibron. Kia ŝparo de mensa energio! Peli neŭrozulojn el Esperantujo estas same, kiel peli ftizulojn el Krimeo. Des pli ke: *"Al tiuj neŭrozuloj, al tiuj homoj, kiujn psikaj problemoj kripligis, ni havas grandegan ŝuldon, ĉar sen ili la lingvo simple formortus. Estas naive kaj maljuste rigardi ilin de alte, kiel emas fari kelkaj advokatoj de la Raŭma Manifesto. En la historiaj cirkonstancoj, en kiuj ili troviĝis, tiuj iom sektecaj verdsteluloj necesis, por ke la lingvo disvolviĝu. Normaluloj ne povis interesiĝi pri Esperanto, uzi ĝin kaj do vivteni ĝin. Se Esperanto ne estus konstante uzata, se neniu verkus en ĝi, se ĝi ne utilus en korespondado, kunvenoj, eĉ konsistantaj ĉefe el stranguloj, ĝi ne povus disvolvi sian lingvan kaj literaturan potencialon, ĝi ne povus riĉiĝi, ĝi ne povus iom post iom konduki al pli profunda analizo de la monda lingvoproblemo."* ***Claude Piron****, ant. cit.* Ni povas rememori plurajn esperantistojn, suferintajn pro balbutismo ruse, kiuj parolis Esperante flue dum multaj jaroj.

## Revolucio aŭ stagnado?

La tipa rusa demando "kion fari": uzi Esperanton kiel psikoterapian rimedon, kio donas tuŝeblan rezulton kaj pravigas nian eksterhobian ekzistadon, aŭ ekzerci en retorikaĵo pri la historia rolo de la internacia lingvo por popola interkomunikado. Laŭ kalkuloj de sociolingvistoj, por ke la lingvo kapablu ludi ĉi tiun rolon en la nuna socio, ĝi devas havi 50.000.000 da aktivaj uzantoj. Mankas proksimume 49.900.000. Sed en favoraj kondiĉoj la specikvanto kreskas eksponente.

A.J.Toynbee ***(A Study of History)*** asertis, ke la favoraj kondiĉoj por internacia lingvo *("lingua franca")* estiĝas en epoko de socia disiĝo, dum milito aŭ ĉe komerca traktado. Ĉu Esperanto estas lingvo de milito? Ĝuste dum la postrevolucia Civitana milito en Rusio Esperanto ricevis vastan ŝtatan subtenon kaj disvastigon. Same en Ĉinio. Sed tio okazis pro ideologiaj kaŭzoj. Poste la situacio ŝanĝiĝis. Esperanto estas hobio de homoj menspotencaj sed nerealiĝintaj, kiuj multiĝas dum stabilaj periodoj de stagnado kaj socia malmobileco. En Rusio ni observas komencon de tia periodo. Kaj kreskon de intereso al Esperanto. Post apero de la televida filmo pri Kazaroza la kresko fariĝos eksplodo. Kiu pretas? Ŝajnas ke pretas nemultaj. Do Esperanto dum ankoraŭ longa tempo devas ĝui ĉarmojn de stagnado kaj servi rifuĝejo por tiuj stranguloj, kiuj inklinas dependi de ĝia fascino. Normale. Verku ni versojn.

**Esperanto estas lingvo de poetoj?**

Kompetentuloj scias, ke versfarado en Esperanto pli facilas, ol en etna lingvo, eventuale krom la malnova ĉina. Vespere ĉininoj varmigis teujon da vino, dronigis penikojn en tuĉon, desegnadis ideogramojn kaj ĝuis kontemplante harmoniajn ritmojn de iliaj elementoj – soneco, rimoj kaj ceteraj bagatelaĵoj ne gravis. Tio estis ina okupo. Viroj (krom profesiaj instruistoj) okupiĝis pri tio precipe prepariĝante al ekzameno por okupi ŝtatan postenon. Ĉiu estro devis fari versojn. Feliĉuloj…

En Esperantujo ni observas similan bildon: ne nur la elito fervore plektas versojn. Tamen belsoneco, rimoj kaj ceteraj bagatelaĵoj plej gravas. Ĉar mankas ideogramoj. Kaj teujo. Ĉu al Esperantujo venas poetoj, kiuj estas ĝenataj por verki nacilingve? Kiu estas poeto? Demandu ni poeton. *"Homo ekverkas verson pro diversaj motivoj... Sed sendepende de motivoj, pro kiuj li ekprenas plumon… tuja rezulto de ĉi tiu ago estas la sento de rekta kontakto kun la lingvo, pli precize – la sento de tuja ekdependeco de ĝi, de ĉio, kio en ĝi jam estas eldirita, skribita, estigita… Poeto estas ekzistorimedo de la lingvo… Verkanto de verso verkas ĝin unue pro tio, ke la verso estas kolosa akcelilo de la konscio, pensado, mondpercepto. Spertinte tiun akceladon unufoje, la homo jam ne povas rezigni ripetadon de tiu ĉi sperto. Li ekdependas de tiu ĉi procezo, kiel oni ekdependas pro narkotaĵoj aŭ alkoholo. Homo, tiel dependanta de la lingvo, mi opinias, nomiĝas poeto."* ***Iosif Brodskij. Nobela prelego*** *<http://lib.ru/BRODSKIJ/lect.txt>*. R.Kipling antaŭe esprimis mote: *"Vortoj estas certe la plej potenca narkotaĵo uzata de la homaro."* ***Rudyard Kipling. A Book of Words. XXIII. Surgeons and the Soul*** *<http://whitewolf.newcastle.edu.au/words/authors/K/KiplingRudyard/prose/BookOfWords/surgeonssoul.html>*. La esperantologia scienco ankoraŭ ne difinis, kiujn substancojn produktas esperantistoj dum versplektado. Certe ne nur galon. Finfine ni esperu, ke Esperanto-dependaj poetoj feliĉigos la homaron, aplikante Esperanton kiel rimedon por substitua terapio de narkotismo anstataŭ metadono.

**For la kondiĉecon!**

En esperantologia literaturo eblas legi multajn receptojn, kiel indas admoni kontraŭesperantistojn pri senkomparaj avantaĝoj de la internacia lingvo. Leginto de la libro far ***A.S.Melnikov "Lingvokulturologiaj aspektoj de internaciaj planlingvoj…"*** (nur paragrafo 1.2) devas tuj fariĝi sinsekva adepto de la interna ideo. Ĉio

estas racie pruvita, tamen malĉiuj fariĝas… La afero konsistas en tio, ke ĉio estas pruvita racie. La tuta libro estas verkita per unu cerba duonsfero – la maldekstra, kiel ja devas esti verkita scienca libro, des pli diserta. Sed la maldekstra duonsfero nur plenumas, dum regas la dekstra, malracia. Ni povas ĝin forŝalti kaj ignori ĝiajn majstrojn, bone ili nin forgesis, iluziante, ke Esperanto formortis. Ilin ĝenerale movas iluzioj, tio estas ilia pensmaniero. Pri tio diru ni poste. Sed Esperanto vivas kaj reviviĝas. Se ili nin denove rimarkos, ni devos minimume ilin konsideri.

Ĉu povas ekzisti arto en Esperanto? Kompreneble jes, diros esperantisto. Kontraŭesperantisto pensas alimaniere per sia dekstra duonsfero: *"[La arto] estas nek intelekta ludo, nek mensa triko. Logikoluda pensado por ĝi estas kontraŭindikita… Dieca ingredienco de la arto, mem ĝia fenomeno – aperanta impreso de 'diktateco' kaj diinspireco – ĉeestas nur ĉe certaj kondiĉoj, nepraj limigoj kaj neevidentaj reguloj… [La arto] ne estas ludo, sed lingvo, kiu malgraŭ sia moderneco memoras multmiljaran historion… Al la arto, same kiel al la lingvo, nedeklarite imanentas kondiĉecoj kaj limigoj. Sed la lingvo diferencas de la ludo tiel, ke ĝi estas primara kaj memsufiĉa; ĝiaj reguloj eliĝas de ĝi mem, fariĝas de ĝia materialo, ne estas truditaj de ekstere… Inventita lingvo estas certe ne lingvo, sed ludo… Mi ege kompatas homojn – se tiaj certe ekzistas, kiuj pensas kaj sentas en Esperanto… Vidpunkte de la arto kiel lingvo, uzado de reguloj de ludaj 'lingvoj' estas primitiva fuŝado de la internaj kondiĉecoj de la arto. En la primitiva fuŝado estas nenio bona. Des pli ĝi estas hontinda…", k.t.p., k.t.p. –* ***Aleksej Purin, Rememoroj pri Eŭterpa.*** *Literatura almanako, vol. 9, SPb.: revuo "Zvezda", 1996.*

Unue ni konstatas, ke la esperantisto A.Melnikov (liaj ideoj ne bezonas citadon) kaj la kontraŭesperantisto A.Purin apenaŭ povus interkonsenti, restante kun siaj konceptoj, ja la konceptoj estas ridinde oponaj.

Due ni vidas, ke la oponantaj argumentoj baziĝas sur la ideo de kondiĉeco. Ĝi venis, verŝajne, de Nietzsche kun lia kulturologia diĥotomio inter Apolono kaj Bakĥo. *"Apolono kiel dio de ĉiuj fortoj, kreantaj per bildoj, estas samgrade dio, proklamanta la veron, aŭguranta la futuron… en kies gestoj kaj rigardoj kun ni parolas la tuta granda ĝojo kaj saĝo de la 'iluzio' kun ĝia beleco… Bakĥo simbolas teruron kaj ravon, 'teruran ravon' de homo, dubinta en formoj de fenomenekkono, kaj 'beata ravo, levanta el sino de homo kaj eĉ naturo', kiam estas rompita la principo de individueco, ĉiuj senmovaj kaj malamikaj limoj, starigitaj inter homoj per la mizero, arbitro kaj 'aroga modo'… ĉiu sin sentas ne nur unuiĝinta, paciĝinta, solidariĝinta kun sia proksimulo, sed integra kun li."* Cit. laŭ ***Kulturologio: Lernolibro por stud. de tekn. altlernejoj*** *(red. N.G.Bagdasarjan). – M.: "Visŝaja ŝkola", 1999.* Certe ni apenaŭ oponus, ke *"Bakanalo en Esperanto estas pasiiga aĵo."* ***Vjaĉeslav Sokolov.*** *Kovrovskije vesti, № 84, 20.04.2004 <http://kovrov.lgg.ru/media/Vesti/archives/kv20-07-04.shtml>.* Same ni agnosku, ke Esperanto apenaŭ travivus 118 jarojn, se ĝi nur rompus *"obstinajn barojn"* inter popoloj, ne en kapoj de individuoj.

Similan provon okazigis hipioj en la 1960-j jaroj. Ili fiaskis pro du kialoj. Unue ili plilarĝigis nur propran konscion. Due ili uzis LAD-on anstataŭ Esperanto. Certe Esperanto elvokas halucinojn ne ĉe ĉiuj homoj (se ni kredu al partoprenantoj de

REU-retlistoj, tio iam okazas), tamen ne detruas, sed plibonigas la sanon. Do, pro la dua kialo Esperanto ne povas fiaski, nur pro la unua. Se esperantistoj ne sukcesos trabati la *“obstinan baron”* inter ili kaj la ekstera mondo, nur restas por ni kun Lenina pasio proklami: jes, ni estas lingvaj narkotuloj, jes, ni estas intelektaj hipioj, jes, ni estas maldekstraj duonsferuloj, kaj ni fieras pro tio!

Alivoje ni devas kaj espereble povas apliki Esperanton por tio, por kio ĝi estis kreita, – por la pacbatalo. Pena laboro, sed fruktodona.

*10.05.2005*

# FORPASIS OLJGA SEMJONOVA




Kun Olja Semjonova mi konatiĝis somere de 1987 en Divnogorsk, kie la Krasnojarska esperantista klubo okazigis renkontiĝon. Al tiu renkontiĝo mi venis kun tri filoj, la plej juna el ili havis nur du jarojn. Eble ĝuste tiu fakto helpis al nia rapida amikiĝo kun Olja, ĉar ŝi havis la filinon Eva, kiu estis samaĝulino de mia malgranda filo. Ni ekkorespondis, kaj Olja invitis min kun la infanoj por la Novjara festado al Krasnojarsk. Ĝi estis neforgesebla festo! Plej multe min surprizis la granda kvanto de geesperantistoj, ĉefe junaj, kiuj venis al la klubejo por la Novjara nokto. Estis ornamita abio, ludoj, karnavalaj kostumoj kaj ĝismatenaj kantoj sub gitarakompano. Poste Olja invitis min al sia hejmo, kaj dum kelkaj tagoj mi kun la infanoj loĝis ĉe ŝi. La familio de Olja Semjonova kaj ŝia edzo Ĵenja Ĥabarov evidentiĝis tre gastama kaj amikiĝema. Ili loĝigis nin en aparta ĉambro, Olja zorgis pri tio, ke ni ne enuu. Tiutempe ŝi laboris en ekskursa buroo kaj kunprenis nin al la busaj ekskursoj tra la urbo. Precipe memorfiksiĝis la veturo tra la neĝozaj urbopartetoj de Krasnojarsk kun vizito al kafejo. Ankaŭ restis en la memoro, ke Olja ofte dum la parolado movis la manojn – ŝi lernis labori kun surdmutaj infanoj kaj uzis ĉiun eblon por trejniĝi. Post tio ni plu korespondadis kun Olja dum preskaŭ jaro. Sed poste mi naskis filineton kaj por 15 jaroj elfalis el Esperantujo. Mi ne plu vizitis E-aranĝojn kaj eĉ ne respondis la leterojn. Ankaŭ la leterojn de Olja. Mi ne plu renkontiĝis kun ŝi. Kiomforte mi nun bedaŭras pri tio! Restis nur ŝiaj fotoj. Kaj – la rememoroj. Pardonu min, Olja.




***Anĵela Belenko (Novosibirsk)***

# Anatolo Gonĉarov (Krasnojarska reg.)

## *Esperanto estas ne nur lingvo*

*Pro la fakto, ke la rusiaj esperantistoj ne povis aboni multekostajn E-revuojn, krom la enlandaj, ili tute ne imagas, aŭ imagas tro pale, kiaj procezoj pasas en la tutmonda, ĉefe eŭropa E-movado. Tie elformiĝas, ofte per akra polemiko, novaj tendencoj eĉ faroj sub la moto* ***Esperanto estas ne nur lingvo.***

*Fakte mi preparas libreton sub la titolo* ***Esperanto-identeco: citaĵoj kun komentoj****, kie mi komentas plurajn citaĵojn, kompreneble surbaze de miaj raŭmismaj konvinkoj. Eksciinte la temon de RET-05 (apud Jelec), mi decidis doni parton da kolektitaj citaĵoj per* ***REGo*** *(lasinte nur kelkajn komentojn) uzi en la tendara diskutado.*[1]

<u>Preter-PIV-aj terminoj.</u>

E-i d e n t e c o. Sumo da ecoj determinitaj de posedo de Esperanto kaj ties kulturo, historio kaj kreiĝantaj tradicioj, ne laste ĉiama deziro kunvivi en internaciaj E-lingvaj aranĝoj kaj konscio de virtuala Esperantio.

C i v i t o. Ŝajne PIV misvojigas nin rilate al la vorto *civito*. Civito devenas el la latina *Civitas*, kiu signifis unue urbanaron, due registaron, trie popolon. Civito paralelas al homaro, same kiel urbo paralelas al mondo. *Popularis civitas* signifis demokration. *Omnis civitas Helvetice in quattuor pagos distributa est*, la tuta popolo helveta en kvar kantonojn dividiĝas (Cezaro). Do **civito estas kolektivo memkonscia pri sia identeco, praktikanta komunan vivo-stilon kaj akceptinta komunan leĝaron**. (*Literatura Foiro*, 175 /okt.1998/, p.235)



1. La popolo samea, ekzemple, plu tenas sian kulturan kaj lingvan identecon, malgraŭ sia diseco tra Norvegujo, Svedujo kaj Finnlando. Ĝia kunteniĝo estas forĝita per la lingvo. Kulturo kaj lingvo formas nedisigeblan paron. **Dum kulturo estas fortika, la lingvo persistas.** (*Esperanto*, 1998/11, p.186 (trad. el "UNESCO Sources", sept.1998))

2. Per la konferenca temo *Eŭropa kulturo aŭ eropaj kulturoj?* oni sin demandis pri la ekzisto de eŭropa identeco. Sed apud ĉi tiu vorto (identeco) ni trovis tuj alian: volo. Kulturo ekzistas ĉar ni volas ke ĝi ekzistu, same kiel ni volas identecon aŭ rifuzas ĝin. Tiurilate J.Renan admonis, ke *kio igas aron da homoj popolo, tio estas la rememoro pri la kuna faritaĵo kaj volo pri kuna farotaĵo.* (Giorgio Silfer. *Literatura Foiro*, 210 /aŭg.2004/, p.182)

3. Nun, estante iom longe en Eŭropo, mi renkontis multajn esperantistojn famajn kaj malpli famajn, kaj ĝenerale mi povas diri, ke estas privilegio esti inter esper-

---

[1] *Bedaŭrinde la redakcio de REGo ne sukcesis kontroli ĉiujn citaĵojn, kolektitajn de la aŭtoro, tial pri ĝusteco de la cititaj tekstoj respondecas Anatolo mem. La grasigoj interne de la citaĵoj estas faritaj de Anatolo. (La red.)*

antistoj. Ili prezentas ian eliton de la homaro, ne ĉiurilate, sed almenaŭ pri la lingvaj problemoj ili konsistigas eliton. Kaj ili estas ĝenerale bone edukitaj personoj, sufiĉe malfermitaj kaj do jes, afabla grupo. (Trevor Steele. *La Gazeto*, 97 /dec.2001/, p.8)

4. Poste, eventuale je individua nivelo, ekzistas ankaŭ la solvo de la lingva problemo pere de alternativa komunikilo. Tia estas Esperanto. Tia estas fakte ĝia nuna rolo en la homa historio. Revenante al la vendista koncepto, ni povas konkludi, ke **la esperantistoj ofertas amasprodukton kiu elitigas siajn aĉetintojn.** (Giorgio Silfer. *Literatura Foiro*, 175 /okt.1998/, p.235)

5. Sed ke Esperanto estas bona lingvo, ke ĝi solvas komunikproblemojn ĉe tiuj, kiuj alprenis ĝin, multe pli bone, egalece, demokratie, kontentige, en psike pli sana maniero, ol la angla, tio restas fakto, ne halucino. Esperanto estas reala, la amikecoj, kiujn ni havas en ĝi estas realaj, la plezuro, kiun ni havas uzante ĝin, verkante en ĝi, ridante en ĝi estas reala. Mia amo, mia pasio al ĝi estas realaj. Mi multe legas en la angla, relative multe uzas ĝin, mi ŝatas tiun lingvon, sed ĝi ne alportas al mi korvibron, kiun alportas Esperanto. Mi ŝatas la anglan, sed Esperanton mi amas. Kaj ke mi kredas je ĝi baziĝas sur multjara esplorado pri la problemo. Kontraste, inter la multegaj homoj, kiuj admonis min realismi, kiel ili diras, kaj rezigni Esperanton, neniu bazis sin sur studo de la demando. Tial mi obstine restas ĉe mia kredo je Esperanto. Finfine kiom ajn pasiaj la homoj povas esti, ilia plej profunda motivado kuŝas en iliaj sentoj, en iliaj emocioj, kaj la granda diferenco inter la angla kaj Esperanto estas, ke **Esperanto tuŝas la korojn, la angla ne**. (Claude Piron. *Esperanto*, 2002/3, p.55)

6. Kiam mi eklernis Esperanton en 1987, mi komprenis, ke mi eniris plaĉe utopian mondon, kie ideoj havas valoron, kaj mi restis... Esperanto estas por mi lingvo tre alternativa, kaj en mia mondkoncepto ĝi iras absolute samtakte kun aliaj aferoj minoritataj, kiujn mi tamen taksas tre gravaj, ekzemple ekologio. (Daniele Vitali. *Kontakto*, 2000/3, p.6)

7. Jozefon Vitek ni spertis plurfoje. Li ĉiam sekvis la saman fabulon. Ni alveturis, manĝis, tranoktis. **Esperantistoj estas kvazaŭ unu familio**, ili vin ne lasas, inter ili vi ne perdiĝos. Nur en fremdlando – ni esperantistoj diras eksterlando – la niulo, ekkonas, kien li apartenas kaj kion tio signifas senti sin ie hejme. (Éli Urbanová. *La Gazeto*, 96 /okt.2001/, p.13)

8. Kiam mi malkovris Esperanton, certe tio respondis al iu bezono ĉe mi. (Nikolin' (Nicole Pairoux). *Literatura Foiro*, 149 /jun.1994/, p.155)

9. … verda stelo… estas magneto, estas kiel mielo por la urso, altiranta la veturantajn esperantistojn. Ektujaj salutoj, ĉirkaŭbrakoj, informinterŝanĝoj, samkiel homoj daŭrigantaj hieraŭajn konversaciojn. Ne temas pri vana retoriko. Vere senti sin parto de **tramonda familio** eĉ kun nekonataj personoj, senti sin ĉie kiel proprahejme… Nu, tio estas Esperanto! (Giuseppe Vallente. *La Gazeto*, 72 /okt.1997/, p.6)

10. Pri Esperanto oni scias, ke ĝi estas komunikilo por kultura interŝanĝo. Tamen por mi ĝi estas spegulo de vivo. Pere de Esperanto mi forskuas limigon de la

lernejo, familio kaj fabriko kaj mi min dediĉas al la kolora vivosceno. (Ŝaŭkio. *El Popola Ĉinio*, 2000/6, p.8)

11. Kiu vi estas? Ĉu filozofia demando? Se jes, mi ne certas kion respondi. Tute malfilozofie eblas diri, ke mi estas 28-jara, vivas en Stokholmo, ŝatas okupiĝi kaj spertiĝi pri "naivaj" aferoj kiel ekzemple Esperanto, kosmologio de Martinus, Unuiĝintaj Nacioj kaj vegetarismo. Ĉu tiuj aferoj iam fariĝos nenovaj kaj ludos rolon por la homaro aŭ ne, ne tiom gravas por mi mem, ĉar estas ili kiuj donas al mi inspiron ellitiĝi kaj pluvivi. Eble tio sonas iom draste. Fakte tiel fanatika mi ne estas por ili, nur foje… (Hokan Lundberg. *Kontakto*, 2000/6, p.6)

12. Mi tenis min fidela en la vicaro de ĉinaj esperantistoj, tamen, por diri la veron, Esperanto ja donis al mi neniun praktikan utilon en la socia vivo. Male, ĝi alportis al mi nemalmultajn sortobatojn: mi perdis la floraĝan, ĉarman, junan edzinon, mi perdis ankaŭ mian stomakon, sanon k.a. Jes, efektive ŝancoj en la vivo aperis unu post alia, ĉiam novaj. Ne malpli ol unu fojon mi frontis antaŭ allogaj ebloj: nur se mi konsentus iom konvertiĝi, pagante al alia sfero iomete, ekz. (kelk)dekonon da energio, kiom mi oferis al Esperanto, mi jam povus, laŭ la kriterio de utilismo "vivi pli senĝene". Tamen ĉiufoje mi nur ripetis mian unuafojan elekton, iri sur la vojo de ni esperantistoj, pli kaj pli malproksimen kaj neniam volas retroiri "ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita / Ĝi estas , la voj' elektita". Mi amas mian patrujon Ĉinio. Mi amas Esperanton. Por ĝi mi volonte oferus mian ĉion. Kio instigas min, estas la nobla idealo de Esperanto, estas la senegoisma sindonemo de eminentaj esperantistoj, veteranaj kaj samgeneraciaj. Tio estas la fonto de miaj fortoj, dank' al kiu mi sukcesis persiste marŝi kaj surgrimpi, venkinte multe da malfaciloj… Oni iam diris, ke estas tute inde, se ni lernu Esperanton eĉ nur kun la celo por legi kaj kompreni tiujn poemojn de Kaloscay. Mi konfesas, ke mi tute konvinkiĝas pri tiu aserto. (Guonzhu. *Fonto*, 254 /febr.2002/, p.24)

13. Pri la fakto, ke la fina venko iam estos realaĵo, alivorte, ke la mondo iutage akceptos novan, pli justan kaj oportunan komunik-ordon bazitan sur uzo de Esperanto, mi ne havas dubojn. Kion ni absolute ne povas scii, tio estas, kiam la afero okazos. Eble tio postulos kvar jarcentojn, eble nur du, eble jam post dudek aŭ tridek jaroj ni estos tre proksimaj al ĝi. La ritmo de konsciigo estas absolute neantaŭvidebla, kaj ŝancaj eventoj ĉiam povas roli. Laŭ mia opinio esperantistoj, malamikoj de Esperanto kaj indiferentuloj povos malakceli aŭ akceli la procezon, sed ili ne povos influi sur ĝian laŭgradan plenumiĝon; tiu dependas de socihistoriaj faktoroj, kiuj superas la individuojn. Kompreneble, multo el tio, kion ni faras pri kaj por Esperanto, dependas de nia volo, sed multego okazas sen partopreno de nia libereco. Tion mi tre bone sentas pri mi mem. Mi ne povus ne okupiĝi pri Esperanto, mi ne povus ne lukti kontraŭ la monda komunika fuŝordo. Ne mi kaptis kaj uzas Esperanton, sed Esperanto kaptis kaj uzas min. Multaj homoj similas al mi tiurilate. Jen eltiraĵo de letero, kiun mi ĵus ricevis el lando en Meza Oriento: *Mi opinias, ke mi suferas de psika perturbo, kiu estas mala al tiu, kiun vi diagnozis ĉe la vasta publiko, la psika rezisto kontraŭ Esperanto. Mi kredas, ke mi suferas de esperantozo, nome troa amo kaj korligiteco al nia lingvo, malsano, kiu manifesti-*

*ĝas per konstanta okupiĝo kaj obsediĝo pri ĉiu temo rilata al Esperanto [...] Fakte, mi ĝuas mian malsanon kaj ne vere suferas pro ĝi.* Tiu homo petas de mi psikoterapian helpon, kaj estas tute klare el lia kompleta letero, ke li serioze taksas sin mensmalsana. Ŝajnas, ke li sentis sin nenormala pro la mokoj de la medio, vizitis psikiatron, kiu diagnozis lian intereson pri Esperanto kiel obsedan-agtrudan ("obsedan/kompulsan") malsanon. Sed tiu ideo venas nur de la konstato, ke lia emo esperantumi estas pli forta ol li, ol lia volo. Miaopinie estas nenio malsana en tio. Por ke ni povu paroli pri malsano, necesas, ke la afero kaŭzu pli da sufero ol da feliĉo, ke ĝi havu negativajn konsekvencojn sur la familion kaj ĉirkaŭantojn, aŭ ke ĝi malhelpu lin funkcii normale en la praktika vivo. Sed se el tia obsedo rezultas nur socia bono kaj feliĉo individua, mi ne vidas, kial oni devus taksi ĝin malsano. Multaj sciencistoj, multaj homoj pasiaj pri sporto, hobio aŭ idealisma celo, kiu entute pliriĉigas la vivon de la homaro, havas similajn emojn, pli fortajn ol la propra volo. Ĉar Esperanto estigas tiajn nemastreblajn impulsojn agi favore al ĝi en homoj plej diverskulturaj (mi konas plurajn ĉinojn, japanojn, sudamerikanojn kaj afrikanojn, kiuj prezentas tiun saman esperantozon), ni povas esti certaj, ke ilia influo iom post iom sentiĝos, kun la rezulto, ke la homaro ekkonscios pri sia malsana situacio rilate interpopolan komunikadon, kaj pri la valoro de kuracilo "esperanto". Ke la socio ĝenerale estas malsana, oni povas vidi laŭ kriterioj similaj al tiuj, kiujn mi uzis pri la mezorientano: la sistemo kreas pli da sufero ol da feliĉo, da frustroj ol da kontentigo, da misfunkciado ol da efikeco, da maljusteco ol da justeco ktp. Verŝajne, la esperantozo, kiun mia mezorienta korespondanto imagas havi, estas respondo de la socio, de la historio, de la kolektiva intuicio de la homaro al la defio, kiun tiu misfunkciado prezentas.. Tial ĝi estas pli forta ol la individua volo ĉe la homoj, kiujn ĝi kaptas. Ni estas parto de saniga procezo socia, egale ĉu ni tion konscias aŭ ne. (Claude Piron (konata psikoterapiisto). *Literatura Foiro*, 186, /aŭg.2000/, p.184)

14. Kiam mi ektuŝis nian karan lingvon, nia majstro Zamenhof ŝajne injektis en mian animon ian impeton aŭ patoson, mi mem ne kapablas precize elparoli tian senton, sed mi trovis pli precizan esprimon ĉe Julio Baghy: *Esti esperantisto signifas ne nuran lingvoscion. Ĝi estas destino. Misio. Sopiro al pli bona mondo. Vera esperantisto ne fariĝas, kaj li estas antaŭ ol li lernis la lingvon.* (Chi Chengtai. *La Gazeto*, 85 /dec.1999/, p.13)

15. Ĉiam forfalas de Esperanto tiuj, kiuj komprenis ĝin kiel ludilon, nuran interkomprenigilon. Restis tiuj, kiuj serĉis en Esperanto ion pli ol la lingvo, do eble tiun al ni konatan internan ideon, komunan senton. Zamenhof estis judo, kaj la judoj vivis kaj vivas en diasporeco, kiujn ligas iliaj lingvo kaj religio. Nin esperantistojn, jes forte ligas la lingvo kaj apenaŭ la religio, sed nin ligas tiu komuna interna ideo, tiu malfacile priskribebla **komuna interna sento**. Ĝuste tio ĉi gvidas nin al iu neŭtraleco. (Tomasz Chmielik. *tejo tutmonde*, 1991/6, p.9)

16. Somere 2000 ĉe kunveno de aktivuloj en IvERo (apud Ivanovo) ties ĉeforganizanto Tanja Loskutova demandis ĉiujn: "Kial vi ĝis nun ne forlasis E-movadon?". Estis tre interesaj respondoj. Sed mi memoras tiun de Irina: *Mi sentas min en la*

*movado kvazaŭ mi sidas en ovoŝelo – estas al mi varme kaj agrable. Mi estas en mia medio... Sed jen mi elŝovas la kapon kaj vidas kio okazas ĉirkaŭe... Mi teruriĝas, mi rapide reenŝoviĝas. Kaj denove mi spertas varmon kaj agrablon. Kial mi forlasu tion?* (Anatolo Gonĉarov. *REGo*, 2001/5, p.1)

17. La zamenhofaj tekstoj primovadaj montras modelon de tri samcentraj cirkloj pri l' Esperanto-universo… La ekstera cirklo, do, entenas la lingvo-uzantojn (laŭ la bulonja difino: ĉiujn esperantistojn); la meza cirklo entenas la oficialan ĝeneralan Esperantismon, t.e. la oficialan movadon; kaj en la interna cirklo regas la interna ideo, la verda standardo... La **"interna ideo"** – laŭ Zamenhof – **estas la aŭtentika etoso de la movado esperantisma, kaj karakterizas tiujn, en kiujn enkorpiĝis profunde la esperantismo.** (Sándor Révész. *Literatura Foiro*, 96 /apr.1986/, p.21)

18. Ekzistas do supernacia esperanta komunaĵo, sed kiucele? Ĉu franco aŭ ruso elmetadas al si la demandon: kiucele mi apartenas al la komunaĵo de la francoj, de la rusoj? Analogie: ĉu nepras ke esperanto sciu "kiucele" li apartenas al la komunaĵo de esperantoj? La nura fakto de la ekzisto de la esperanto sufiĉas por ke kreiĝu etikaj kaj kulturaj valoroj. Esti esperanto, paroladi, vivi kaj pekadi en la esperanta lingvo, jam estas agado kontraŭ certaj negativaj premoj de la mondo, agado simila al la nuda defilado de duĥoborinoj. *(Duĥoboroj: sekto kies membrinoj kutimas publike senvestiĝi por protesti.)* Mi ne diras ke ni kontentiĝu per tio, aŭ ke ĉiuj devas kontentiĝi per tio. Mi nur konstatas, ke esperantoj esperis eskapi la spiritajn premojn de siaj naskiĝlingvaj komunikaĵoj kaj per sia lingvo ili iel sukcesas. (Eugéne de Zilah. *La Gazeto*, 89 /jun.2000/, p.5)

19. Movado estas tiu parto de la esperantistaro, kiu emas precipe disvastigi nian lingvon; ĝi povas konsisti ankaŭ el neesperantlingvanoj. Komunumo estas la sumo de ĉiuj lingvanoj, kiuj emas precipe utiligi Esperanton kiel komunan lingvon. Tiu komunlingveco siavice estas kultura identigilo. Tiurilate endas precizigi, ke kiam oni kvalifikas Esperanton kiel etne kaj kulture neŭtralan lingvon, tio veras nur en la senco de *sen-etnokultura lingvo*… Ĉar la Esperanto-kulturo ne estas neŭtrala, se konsideri ĝian celon: edukado al tutmonda konscio. La menciitan dinamikon trafe ilustras jena komentario de la redaktoro de revuo Esperanto (sept.1997): *Restas la fakto, ke ni ĉiuj ŝuldas nian ekziston al la informa agado de Zamenhof. [...] kaj se ne plu daŭros la informa agado, baldaŭ ŝrumpos la komunumo kiun ĝi sukcesis krei.* Tio plene veras por la movado; sed ju pli la komunumo iĝos la referenca dimensio de Esperantio, des pli ĝia prosperado dependos de ĝia kultura valoro kaj malpli de propagando. Cetere, informa agado estas dusenca nocio. Oni distingu inter unuflanke propagandi solvon al la monda lingvoproblemo kaj aliflanke diskonigi novtipan tutmondan kulturon: la komunumo povas prosperi sen la unua. (Kulturpolitika raporto pri 1997, aprobita de la LF-koop. *Literatura Foiro*, 173 /jun.1998/, p.118)

20. Estas kulpigeblaj mitoj kaj falsaj prezentoj, kiuj paralizas kaj kondukas al intelekta-etika degenero. Ja Esperanto nur en lingvistika abstrakto estas "nur lingvo", sed en la socia realo ĉirkaŭ ĝi kristaliĝis **komunumo kun difinita karaktero**. La "pracelo" neniam estis tutmonda disvastigo de la lingvo (escepte la argumentojn de

vulgaraj kaj senkleraj "propagandistoj"). En la socio Esperanto ĉiam estis kaj estas nur ilo por realigi ideojn, ilo por proksimigi la homaron al pli bona, pli paca mondo. Nur lingvistiko rajtas abstrakti la lingvon. Ĉiam ekzistas en Esperantio "nurlingvuloj", sed ĉiam nur en marĝenaj tendencoj. Malgraŭ iliaj klopodoj kaj malgraŭ ies ajn volo, la karaktero de Esperanto kiel tuto dekomence estas determinita. Ĝi ekzistas nur kiel kontribuo al paco, al internacia kompreniĝo kaj internacia toleremo. Nurlingva Esperantio ne ekzistas. (Árpád Ratkai. *Esperanto*, 1993/7-8, p.123)

21. "Esperantio" estas unika. Ĝia popoleto enklasiĝas ie inter internacia interes-grupo kaj lingvo-komunumo, sed ĝi plenumas la kutimajn postulojn de nek unu nek de alia. Neniu faka aŭ hobia lingvo estas kunligita per io tiel intima kiel unika propra lingvo; neniu senteritoria lingvo-komunumo estas tiel multnacia... (Stefan MacGill. *La Gazeto*, 19 /dec.1988/, p.11)

22. Iam mi ege ŝatis la gazeton *La Riverego* (regiona gazeto de E-societo Kebekia). Soleca novkebekianino, dank' al tiu organo mi sentis min ligita al la komunumo, kies membrojn mi persone apenaŭ konis. Mi memoras kun kiom da ekscito mi legis iam, ke Tamara Kozej gajnis poemkonkurson… Mi nur dufoje vidis Tamaran, sed kvazaŭ temus pri mia familiano… Tiu **komunumo iĝis kvazaŭ mia familio.** Poste, iom post iom, mi pli konatiĝis kun la lokaj samideanoj, kaj malkovris, ke la homoj malantaŭ *La Riverego* estas eĉ multe pli interesaj ol la gazeto mem. Mi amikiĝis kun multaj el tiuj, per kaj por kiuj la gazeto ekzistas; mi edziniĝis al la redaktoro. Kaj – ĉu hontinde, ĉu ne – mi preskaŭ ĉesis legi la gazeton… (*Eventoj*, 1996/2, p.2)

23. Ekde la komenco ekzistas du konceptoj pri esperantismo. Laŭ la unua, esperantisto estas persono kiu parolas Esperanton. Punkto, fino. Laŭ la dua, esperantisto estas persono kiu sentas apartenon al la Esperanto-komunumo, kiu sentas solidarecon kun ties membroj, kaj kiu dividas kun ili diversajn komunajn ideojn. (Nikola Rašić. *Esperanto*, 1995/5, p.91)

24. Laŭ mi Esperantujo estas diaspora komunumo de homoj loĝantaj en multaj malsamaj landoj, kiuj allogiĝas al la idealoj kaj uzado de Esperanto kiel rimedo de komunikado inter popoloj, kiuj sen ĝi, pro denaskaj lingvaj kialoj, ne povas inter si komuniki. (Kep Enderby. *Heroldo de Esperanto*, 2003/4, p.1)

25. En tia situacio ni povas malfacile disvastigi E-n kiel tutmondan kaj neŭtralan komunikilon. Nuntempe ĝi funkcias ĉefe kiel servanto al unuopuloj por kontentigi materiajn, edukajn kaj emociajn bezonojn… Multaj ĝuas la vivon **en Esperantujo, iuj eĉ pasigas sian vivon preskaŭ tute en ĝi.** Sendube la fidelecon de multaj aktivuloj kaŭzas ilia sento de hejmeco en la movado. Veninte en la Esperanto-familion pro iu (ofte hazarda) kialo, la plejmulto de nia anaro restas pro la sento de hejmeco, de aparteno. Ili rilatas inter si per leteroj, telefono, kongresoj, vizitoj… **Esperanto jam venkis.** *[ĉapitra titolo]* La situacio fakte estas jena: Esperanto jam nun rolas kiel internacia lingvo de iu komunumo. Tiusence ĝi jam venkis. La klopodoj venkigi ĝin en la "ekstera mondo" ne ĉesas, sed kutime malsukcesas, pro la kialoj, kiujn mi menciis. En tio fakte estas nenio malbona: se la "ekstera mondo" rifuzas

Esperanton – domaĝe por la ekstera mondo. Kial trudi Esperanton al la mondo rifuzanta? Kaj jen plia demando: kial E-to devas disvastiĝi pli ol nun? La lingvo bele funkcias en sia komunumo… Resume: ni ne povas multe disvastigi E-on nuntempe pro la malfavoraj cirkonstancoj. Sed eĉ se ni povus, estas demando ĉu ni volus ĝin disvastigi multe. Ni ne bezonas feliĉigi la mondon, se tiu ne volas. Ni feliĉigu nin mem, kiuj ja volas. Jen la alia strategio por E-agado. Anstataŭ disvastigi E-on, ni profundigu la jaman uzadon. Intensigu ĝin. Plivalorigu ĝin. Organizu ĝin pli bone. Tiu ĉi vidpunkto ne ĉiam vekas bonvolajn reagojn. Eĉ en la estrara *[de UEA]* diskuto iu titolis ĝin defetisma. Nu, ĉiu juĝu mem. (Hans Bakker. *Esperanto*, 1993/5, p.81)

26. **Esperantlingva komunumo** – unika ekzemplo de praktika realigo de la **eŭropa civitismo**... Ni agu "desube" kiel modelo por la makrosocio. Ni devas konstrui nian Eŭropon kaj ne perdi tempon kun la oficiala Eŭropo. Tiel la esperantistoj fariĝos socikultura avangardo, kaj ne nur neglektinda utopia premgrupo. (Kulturpolitika raporto pri 1996 de LF-koop. *Literatura Foiro*, 167 /jun.1997/, p.120)

27. La komunaj valoroj, la esperantista vivmaniero estas jam nun kaj ĉie observeblaj, eĉ envieblaj kaj imiteblaj. Niaj idealoj havas tiel daŭran allogpovon, nia komunumo estas tiel forta ke, eĉ se UEA kaj SAT morgaŭ malaperos, Esperanto tamen travivus. (Kep Enderby. *La Ondo de Esperanto,* 1998/11, p.15)

28. En la medio, kiun mi vizitadas, ne situas UK-oj kaj CO-oj, sed ekzemple la aŭtonomaj kulturcentroj. En unu el ili, *La Kvinpetalo*, mi havis la ŝancon renkonti simpatian sinjorinon pasintsomere. Ŝia nomo estas Marie-France Conde-Rey. Eklerninte antaŭ du jaroj, ŝi bele posedas nian lingvon… Dum paŭzo ŝi trafoliumis, unuafoje en sia vivo, iun numeron de LF, kiu hazarde enhavis la kulturpolitikan raporton pri la jaro 1993. Leginte la raporton, ŝi faris pli-malpli jenan komentarion. *Ekzistas en Esperantio tri partioj. Mi ne scias, kiom grandaj ili estas respektive, ĉar mi ne konas detalojn pri la kvantoj. Sed ili estas certe tri. Mi nomu ilin, laŭ la tendencoj: finvenkismo, raŭmismo kaj sektismo. La finvenkistoj volas enkonduki Esperanton kiel internacian helplingvon. La raŭmistoj vivas Esperanton kiel transnacian kulturlingvon. La sektistoj (kaj mi suspektas ke ili estas la plej granda partio) volas simple resti inter si, kun la propra klubo, la propra klaĉokafo, la propra ludilo kaj la propraj kvereloj*. Aŭskultinte ŝin, mi opinias ke s-ino Conde-Rey komprenis pri Esperantio dum du jaroj multon pli ol eĉ (eks)estraranoj dum dudek. (Giorgio Silfer. *Literatura Foiro*, 153 /febr.1995/, p.16)

29. Mi emas kabei, kaj rakontos kial. ... De jaregoj mi ne plu provas varbi iun ajn per niaj kutimaj duonfalsaj argumentoj. Same perdiĝis la emo iri al kongresoj (kie post kvinjara partopreno oni renkontas konstante la samajn vizaĝojn, la samajn gurditajn temojn) aŭ legi niajn revuojn kaj gazetojn. Mi ja admiras la lingvon Esperanto; sed la afero Esperanto, kiun mi lastatempe opiniis "nobla hobio", nun, kiel hobio, oscedigas min. Mi fajfas pri la sorto de niaj institucioj aŭ pri la estontado de nia lingvo. (Jorge Camacho. *La Ondo de Esperanto*, 2002/1, p.17; Represo el *Fonto*, 2001, 250)

30. Dank' al Esperanto, en la jaroj 70-aj mi trovis kelkajn geamikojn, kies intelek-

tajn ecojn sendube mi povas kompari almenaŭ al tiuj de iu docento universitata. Kaj kiun ni bezonas unuavice por Esperanto – universitatan profesoron aŭ ŝoforon de kamionoj? Jen la listo de miaj geamikoj: Adan Hasanbegoviĉ el Bosnio, Jaihme Eheverri Uribe el Kolumbio, Daniel Den Glass el Usono, Lilia Ledon el Brazilo, Jerzy Leyk el Pollando, Sandor Revesz el Hungario. Estas ses perfektaj esperantistoj, kiuj (mi esperas, ke nur pormomente) kabeis. Pro kio? Kie ili nun troviĝas? Mi konservas iliajn leterojn, kie mi diskutis kun ili pri filozofio, sociologio, (inter)lingvistiko, literaturo… Ni varbas kaj atingas "perfektajn esperantistojn" kiuj poste kabeas. Kiu analizis science tiun fenomenon? Kiu faras bilancon de la "profitoj" kaj "perdoj"? Ni estas rimarkeblaj de la ekstera mondo, se ni kiel esperantistoj povas montri ion eksterordinaran en la arto aŭ scienco […] ion internacie valoran. (Walter Zelazny. *Literatura Foiro*, 182 /dec.1999/, p.296)

31. Mi renkontiĝis kun lertaj esperantistoj, kun komencantoj kaj progresantoj, kun junuloj kaj veteranoj. Ĉiam mi konstatas preskaŭ absolutan sci-vakuon pri la E-kulturo, tion ĉe ĉiuj. Ekzemple, kiam mi informiĝas pri la nomoj de Esperanto-verkistoj, ĉiam nur la ses aŭ sep samajn nomojn mi ricevas, kaj eĉ koncerne ĉi tiujn aŭtorojn mi konstatas, ke la realaj konoj estas tre supraĵaj. Pri la historio mem de Esperanto regas preskaŭ absoluta nescio. (Claude Gacond. *Literatura Foiro*, 175 /okt.1998/, p.253)

32. Efektive necesas ke la parolantoj de Esperanto, kiuj ofte tre neperfekte kaj neadekvate parolas ĝin, plie enprofundiĝu en la lingvon. Necesas ke ni havu niajn literaturajn revuojn, ke ni profunde diskutu lingvajn problemojn, ke ni evoluigu la skriban kaj parolan lingvon. Necesas ke ni dediĉu parton de nia tempo al **lingva dommastrumado**. (Hunphrey Tonkin. *Esperanto*, 1994/2, p.22)

33. Mi, kiel konvinkita pracelano, estas relative indiferenta je la komunumo de E-parolantoj kaj de la kulturaj kaj literaturaj valoroj (kiujn ili asertas krei), sed estas multe pli atenta je la klopodoj disvastigi Esperanton kiel rimedon por interkompreniĝo inter neesperantistoj. Ne miskomprenu min. Mi, kiel ni ĉiuj, ĝuas niajn renkontiĝojn, aĉetas niajn librojn, legas niajn revuojn, interŝanĝas ŝercojn kun aliaj esperantistoj ktp, unuvorte **"vivas en Esperantujo"** kaj estas fiera pri ĝiaj atingoj kaj pri la valoroj antaŭenportataj de niaj homoj. Aliflanke mi kredas, ke nia devo estas plibonigi la situacion de la tuta homaro, ne nur de nia popoleto. Disvastigi Esperanton ŝajnas al mi pli grave ol nur ĝui ĝin. Pro tio mi volonte vidus malpli raŭmisman UEA-n. (Renato Corsetti. *La Ondo de Esperanto*, 1999/6, p.3)

34. Ankaŭ mi vidas en la finvenkismo la plej grandan obstaklon al la disvolviĝo de niaj lingvo kaj ideo. La strebado trudi Esperanton al ĉiuj popoloj pere de internaciaj kaj naciaj instancoj (UN, Eŭropa Parlamento, registaroj) kaj per ties leĝoj kaj dekretoj vekas en la subkonscio de centmilionoj da homoj sentojn kontraŭ E-to. **Kvankam uzado de E-to estus per si mem demokratia, klopodo trudi ĝin estas esence maldemokratia**… La finvenkismo forlogas niajn samideanojn de la uzado de Esperanto al ĝia nura propagando. En Esperantio svarmas eternaj komencantoj, kiuj persvadas aliajn lerni Esperanton, sed ili mem tion ne faras. Ili asertas ke Esperanton kapablas ellerni ĉiu ajn bona estaĵo, kvankam ili mem estas pruvo ke la

aserto mensogas. (Miroslav Malovec. *Esperanto*, 1996/10, p.176)

35. Ĉiukaze Esperanto vivas ne dank' al varbado kaj propagando, sed dank' al sia interna diaspora vivo, en la socia kaj kultura sencoj kaj mi dubas ĉu eventuala nombra kresko de la esperantistoj donus novan kvaliton. Do prefere plugi nian ĝardenon, atingi bonajn rikoltojn ol varbi. Kabeiĝo pro la politiko de la movado de tiaj nomoj kiel ĝuste Kabe kaj nunepoke J.Leyk aŭ S.Révész estas pli granda perdo por Esperanto ol tricent novaj kotizoj al UEA. (Walter Zelazny. *Literatura Foiro*, 186 /aŭg.2000/, p.189)

36. La plej grava danĝero por la Esperanta frataro estus ia distrudiĝo de venenaj herbaĉoj ŝovinismaj, verdaĉe apartismaj. Nia frataro ne estas kiel malgranda nacio. Ĝi tute ne estas nacio, nek etno, nek popolo. Ni ne estas rasa aŭ kultura diasporo. Ni ne havas komunajn ekonomiajn, politikajn, religiajn celojn, kvankam ĉiu el ni havas la siajn. Niaj piedoj plej ofte tretas ian patrujan grundon, niaj intestoj senpeziĝas en naciaj necesejoj, sed niaj mensoj superas ĉion nacian, niaj spiritoj ne haltas ĉe posedemoj malamikigaj, sed aliras la amikegan strebon al Plialtiĝo. Ni estas tiuj kiuj volas kreskigi niajn estojn, ne tiuj kiuj volas pufigi siajn havojn. Almenaŭ tion ni esperas, kiam ni kondutas kiel esperantoj. (Eugéne de Zilah. *La Gazeto*, 86 /jan.2000/, p.4)

*[La sekva citaĵo apartenas al konata portugala E-poeto, kiu kabeis, provis verki en Ido-lingvo kaj fine revenis al Esperanto.]*

37. … mia ĉefpenso en la lastaj dek jaroj poiome migris de la portugala al Esperanto. Forlasinte ĉi-lastan mi tuj revenis al la portugala, sed la rapido de tiu migro naskis iom da kap-doloroj. La migrenoj kreskis ĉe la konstato ke mia Ida esprimivo skandale nanas kompare kun la Esperanta. La arbara ekskurso kaj grimpo granita, kun plusa sonĝo en la nokto kiu sekvis la aventuron, ĉio ĉi montris al mi ke la rustika sed aŭtente bona lingvo de l' genia okulisto ne meritas dizerton pro la stulto movada. Sufiĉas vakciniĝi kontraŭ ĉi-lasta kaj ĝui la fortikajn radikojn de la lingvo. Resti kun la amikoj. Kun la bonaj aŭtoroj kaj fruktuzi kelkajn perlojn kiuj disas tra la mondo. Resume kaj pok-vorte, mi tute forlasos la movadon sed restos ĉe la lingvo por la supre menciitaj celoj. Tamen mi absolute rifuzos propagandi ĝin, ĉar dum la arbara ekskurso mi rimarkis ke **en la naturo ĉio iras mem sen varbo kaj instigo**. La suno leviĝas kaj sinkas; la birdoj pepas kaj fekas; la riveroj kuras en siaj fluejoj; la lacertoj rampas kaj la serpentoj svingas la voston. La bono kaj la aŭtento ne bezonas propagandon. Neniu rekomendas oranĝojn nek laŭdas pirojn. Reklamon postulas nur varoj de basa kvalito, kiel "Coca Cola" aŭ "McDonald's". **Esperanto estas bona kaj aŭtenta, mi supozas. Ĝi do bone fartas sen merkatiko.** (Gonçalo Neves. *Fonto*, 263 /nov.2002/, p.8)

38. Por forigi la konflikton inter la oficialaj celoj de la Esperanto-movado kaj la realaj bezonoj de la esperantofonoj estas necese: – konscii, ke la formale deklarataj celoj de esperantismo estas eble atingeblaj sed en nekonata malproksima futuro; – starigadi antaŭ si celojn realigeblajn en la daŭro de 10-15 jaroj; – intensigi laŭkvalitan kontribuadon al la esperantofona minoritata kulturo; – apliki en la Esperanto-movado strategion *per Esperanto por la aŭtoevoluo de la individuo* kontraste

al *per individuo al la ĉiuforma peno disvastigi pri Esperanto* – la individuo estu subjekto, ne objekto en la movado. Tio povos ne nur malhelpi seniluziiĝon de multaj movadaj aktivuloj, sed ankaŭ kreos ĉe la esperantlingvaj komunumanoj la senton de celkonscia stabiliĝo. Ĉe neesperantista socio ili efikos ĝuste per sia aŭtenteco, kultureco kaj nesintrudado. (El la Deklaro de Pola Studenta E-komitato, 1983. *Literatura Foiro*, 187 /okt.2000/, p.239)

39. La angla lordo Russel Johnston, prezidanto de la parlamenta Asembleo de Eŭropa Konsilio, diris en la parolado dum prilingva konferenco la jenon: *malbona angla lingvo estas hodiaŭ "lingua franca" de Eŭropo*. Tia konstato neniel mirigas min, ĉar kiam provoj paroli fremdan lingvon estas amasa aperaĵo, tiam logike devas la kvalito suferi… Pro tio, ke Esperanto, laŭ sciencaj esploroj faritaj en Paderborn (Germanio), estas sesoble pli facile lernebla ol la angla, mirigas min la bedaŭrinda fakto, ke inter E-parolantoj troviĝas tro multaj t.n. "eternaj komencantoj". Mi mem travivis plurfoje tiujn, kiuj pli diligente svingas verdajn flagojn anstataŭ pli diligente provi kreskigi sian lingvan vortprovizon aŭ plibonigi sian malzorgan prononcadon. Kiel akordiĝas tiu fakto kun la aserto ke nia mondlingvo estas relative facila?… Parte mi povas kompreni la gvidantajn strategojn de UEA ke kvantoj estas pli gravaj ol kvalitoj, ekz. rilate al enkasigo de membrokotizoj. Sen iluzioj mi devas finfine akcepti jenan celon: prefere limigita nombro de tre bone parolantaj individuoj ol amase balbutantaj eternaj komencantoj, se ni volas ĉe eksteruloj atingi pli altan renomon, respekton por Eo, ĉar la relativa facileco kompare al ĉiuj naciaj lingvoj meritas kvalitan evoluon. (Bertil Englund. *Heroldo de Esperanto*, 2002/2, p.4)

40. … post fino de la elementaj kursoj nur tre malmultaj personoj restas aktivaj en la Esperanto-medio: bone se unu el 50. Oni diskutas kiel plibonigi la situacion… Paralele kaj preskaŭ sen ligo kun tio daŭras la eterna diskuto inter raŭmistoj kaj finvenkistoj. Pleje bedaŭrindas, ke la diskutantoj nur tre svage imagas la esencon de la oponata koncepto – kaj iam eĉ de la propra. Aperas bizaraj fantazioj kaj reciprokaj akuzoj pri diversaj pekoj. Anstataŭ kune labori por la bono de Esperanto, oni disipas la fortojn en interkvereloj... Se ignori la plej ekstremismajn dirojn, la finvenkistoj revas kaj strebas, ke Esperanto estu la dua lingvo por ĉiuj, rimedo por ĉiutaga interkompreno en diversaj sferoj de la vivo: por tio necesas vasta propagando kaj instruado. La raŭmistoj pledas por "interna" evoluo de la Esperanto-medio, evoluigo de diversaj lingvo-tavoloj, pliriĉigo de la kulturo ktp, sen granda atento al ekspansio. Kiu pravas en la kondiĉoj de la nuna mondo, se konsideri la karakterojn kaj mondperceptojn de la plimulto de ordinaraj homoj? (Valentin Melnikov. *Esperanto*, 2002/10, p.198)

41. Laŭ mia opinio, pro diversaj kaŭzoj, la "fina venko" principe ne eblas. Sed la komunumo, kiu estas tre grava valoro en si mem, bezonas novajn homojn de ekstere. Do, la "praceloj" povas bone servi al serĉo kaj varbado de novaj esperantistoj, por kio ne taŭgas la komunumaj valoroj (ja por ilin vidi, necesas al la komunumo jam aparteni). (Nikolao Gudskov. *Literatura Foiro*, 152 /dec.1994/, p.322)

42. Ŝajnas al mi, ke raŭmismaj personoj kaj gazetoj multe estas pretaj diskuti fundamentajn kredojn de la esperantistoj ol estas aliaj. Raŭmisme estas pli grave, ke multaj homoj uzas Esperanton ol ke multaj homoj propagandas ĝin kaj varbas prozelitojn. Tio ne signifas indiferentecon ĉar **la uzado estas la plej efika reklamo**. (Bertil Nilsson. *Heroldo Komunikas* (retbulteno), 193)

43. Ekde la komenco ekzistas du konceptoj pri la esperantismo. Laŭ la unua koncepto Esperantio estas nur lingva komunumo... Tiuj ĉi ne sentas bezonon evoluigi iun apartan socian identecon kiel parolantoj de Esperanto. La adeptoj de la dua koncepto (nomu ĝin raŭmisma, se vi volas, kvankan ĝi ekzistis multe pli frue ol la raŭmismo metis ĝin sur sian standardon) sentas la kolektivon de Esperanto-parolantoj esti io pli ol nura lingvo-komunumo. Por ili Esperanto estas alternativa socio, kiu kreis alternativan kulturon. Pseŭdosocio, pseŭdonacio diras iuj... Diference de nura lingva kolektivo, tiel ĉi formita grupo havas ankaŭ memkonscion, sian "mi-senton", kio postuligas ke ĝi havu propran historion, kaj propran historiografion; siajn ideologiajn kaj aksiologiajn *(aksiologia=rilatanta al valor-sistemo)* sistemojn. Ĝi kreas kaj donas socian signifon al propraj instituciaj strukturoj; ĝi havas siajn elitojn, mezklasulojn kaj sian plebon, do siaspecan socian distavoliĝon. Tia grupo sekve havas ankaŭ sian politikon, kun ĉiuj implikoj kaj facetoj de ĝi. Fine la grupo posedas proprajn spiritajn superstrukturojn jurajn (La Fundamento, manifestoj, programoj, deklaracioj, regularoj, statutoj, strategiaj planoj, rezolucioj); religiajn (interna ideo, hilelismo/homaranismo, kiuj konstante resonadas ne nur en la Esperanta, sed ankaŭ en diversaj religiaj movadoj: bahaismo, Oomoto k.s.), literaturajn, filozofiajn ktp, ktp... Tiel strukturita kolektivo evoluigas fortajn spiritajn interligojn: konvinkojn, sintenojn, komunajn ideojn kaj idealojn, diversajn formojn de "mi-" kaj "ili-konscio". Estas sendube, ke tian mikroetoson kreas la membroj de la grupo mem, pro la bezono firmigi la rezistokapablon de la grupo, sed ankaŭ evidentas alia direkto de la influo: ke la interna kulturo modifas la antaŭajn sintenojn kaj konduton de ĝiaj adeptoj (samtempe ankaŭ ties kreantoj). (Nikola Rašić. *Fonto*, 165 /sept.1994/, p. 10-14)

44. Ni celas disvastigi Esperanton por pli kaj pli, iom post iom realigi ĝiajn pozitivajn valorojn: a) propedeŭtiko por lingvoinstruado; b) kontaktoj inter ordinaraj homoj; c) kontaktoj sendiskriminaciaj; d) novtipa internacia kulturo. Lige kun la lasta valoro, ni emfazas ke la serĉado de propra identeco igis nin koncepti esperantistecon kvazaŭ la aparteno al memelektita diaspora lingva minoritato. La kresko de niaj fortoj kaj la aliĝo de novaj homoj estas nepre kondiĉitaj de la konsciiĝo pri tiuj ĉi valoroj. (Manifesto de Raŭmo. *Literatura Foiro*, 185 /jun.2000/, p.153)

45. Por multaj sobriĝintoj la "IO" ne plu nomiĝas *la interna ideo* aŭ *la sankta afero*. Sed en la sciado de Esperanto tamen estas io, kio ne estas en la kono de aliaj fremdaj lingvoj. Estas io varma en nia esperantisteco, kio ne esprimiĝas en la klinika analizo de la Manifesto de Raŭmo: "Ni konceptas nian **esperantistecon** kvazaŭ **la aparteno al memelektita** (tiel do!) **diaspora, lingva minoritato."** Certe tio estas pli reala ol: "kvazaŭ la aparteno al malgranda, tamen mondampleksa respubliko, kies lingvo estas lingvo de amikeco". Sed malaperas la varmo. Kaj la

simpleco. (Leen C. Deij. *Literatura Foiro*, 189 /febr.2001/, p.10)

46. Esperantistoj estas eble **diaspora popolo**, sed ili ne estas nacio, nek etno. (Eugéne de Zilah. *La Gazeto*, 13 /maj.1986/, p.4)

47. Laŭ sia demografia konsisto, la Esperanto-movado en Svislando similas al partio aŭ premgrupo, kaj ne al "popolo", kiel asertas kelkaj aŭtoroj. Zamenhof proponis Esperanton, kiel lingvon kun kultura kaj etika animo. Eble ni troviĝas antaŭ kultura kaj etika movado kun lingvo. (Tazio Carlevaro. *Literatura Foiro*, 172 /apr.1998/, p.69)

48. **Esperantio estas lingva kulturpopolo**, eĉ se fizike ĝin konsistigas nekontinua, disa kulturgento, kun diaspora socia bazo, simple kiel Judio kulture ekzistis dum la lastaj du jarmiloj. (Juan Régulo Pérez. *Literatura Foiro*, 142 /apr.1993/, p.61; citita el *Rikolto*, Fonto, Brazilo, 1992)

49. Ĉiuj etnolingvoj bezonis kvin-ses jarcentojn por fariĝi kulturlingvoj. Eĉ se nin helpas la akcelo de la historio, endos du-tri jarcentoj por ke ĉirkaŭ nia lingvo kristaliĝu civilizo… Esperantisto estas tiu, kiu esperas, ke li sukcesos kompreni la valorojn de la aliuloj kaj komprenigi al aliuloj la siajn. (Eugéne de Zilah. *La Gazeto*, 20 /jan.1989/, p.4)

50. Multrilate Esperantujo tre similas al subevoluinta lando. En ĝi ekzistas tre klera elito kaj sufiĉe vasta publiko esperantlingve preskaŭ analfabeta. Kaj inter ambaŭ popoltavoloj mankas la perantoj: ne ekzistas minimuma instruado en la publikaj lernejoj kaj do la necesaj instruiloj… La elito rilatadas internaciskale, sed ĝenerale malmulte kun la popolo, kiu vivas en fermitaj rondetoj en pli kaj pli senesperaj situacioj. (Claude Gacond. *Literatura Foiro*, 175 /okt.1998/, p.254)

51. La "Neŭtraluloj" kaj "Ezogenemuloj", kiuj asertis, ke la lingvo de Zamenhof devas prezenti seriozan fasadon al la nun ekzistanta socio, kaj ke Eo estu uzata en komerco, diplomatio, interŝtataj organizaĵoj ktp, ktp, fiaskis dum unu jarcento. Sed ne fiaskis tiuj, kiuj spontanee faris el la unua broŝuro de Zamenhof "**vivantan lingvon de vivanta popolo**". Se kelkaj "praceloj" estas parte atingitaj (instruado en kelkaj lernejoj, uzado flanke de kelkaj ŝtataj radiosendiloj, de kelkaj urbaj turismaj oficejoj kaj ceteraj), tio estas ĉar la lingvo estas uzata de la ordinaraj bazaj esperantistoj kaj de ties verkistoj, ne tial, ĉar ĝi estas proklamata "la internacia lingvo" fare de propagandistoj. (Michel Duc Goninaz. *La Ondo de Esperanto*, 2002/5, p.11)

52. En Esperantio ni ĝenerale rekrutas novajn fortojn promesante al ili valoran komunikilon; sed se ili vere restas esperantlingvaj poste, tio ŝuldiĝas grandparte al la fakto, ke konscie aŭ ne, **ili malkovras en Esperanto eĉ identigilon.** (Giorgio Silfer. *Literatura Foiro*, 153 /febr.1995/, p.327)

53. Pli ol sep jaroj da ĉiutaga kontakto kun la Esperanto-realo faligas min de sirprizo en suprizon: malgraŭ rekoneblaj skemoj, antaŭvideblaj kaj tipaj ecoj, la esperantistaro ilustras kaj ekzemplas la heterogenon de nia "infana raso". Esperanto estas vivata, sentata kaj kreata malsame en diversaj landoj. En ĝi apudas unu la alian pragmatuloj kaj idealistoj, lingvemuloj kaj pliriĉigantoj, ĝisostuloj kaj dik-

haŭtuloj, "ĉiampravuloj", (pioniroj), (kundrivantoj) kaj multaj aliaj homoj kiuj simple tie loĝas (Heinz Kahlau). Homoj logiĝas kaj ligiĝas al Esperanto pro plej diversaj kialoj, kaj komence apenaŭ imagas kion tiu lingvo, unika laŭ funkci-maniero, efektive donos al ili. Sed finvojaĝinte longajn ofte nefacilajn etapojn de la enmovadiĝa itinero, ili neeviteble demandas al si kion do signifas atingi tiun provizoran celon; ili **eksentas sian esperantistan identon**. (Istvan Ertl. *Esperanto*, 1999/3, p.41)

54. Sed kio estas SEJM? Certe fenomeno unika. Ankoraŭ tiam ĝi fariĝis legendo… Tio estis perfekta organizo, kiu povus esti modelo por multaj aliaj… (Kiril Velkov, bulgaro, studinta en Sovetunio kaj kelkjare partopreninta SEJM-on. *Literatura Foiro*, 175 /okt.1998/, p.272)

*[Mi enmetis tiun citaĵon por aldoni kiel aktiva SEJM-ano, ke dank' al dekomenca forta lingva disciplino ni, kelkaj centoj da esperantistoj libere ekposedintaj la lingvon kaj ekskluzive en ĝi ĉie interkomunikantaj, vole-nevole eksentis firman amasan interligitecon, aŭ iasencan E-identecon. Niaj ĉiusomeraj aranĝoj kiel magneto allogis centojn da partoprenantoj. Mi memoras, kiel foje en majo mi demandis en E-klubo de fora siberia Barnaul, kiu volus veturi en E-tendaron kaj vidis dudekon aŭ pli da alten-brakoj. Sed por la dua demando – kiu reale povas partopreni SEJT-on – estis nur kelkaj firme levitaj brakoj. Kiam mi post unu-du monatoj eniras la vagonon al-tendaran je granda miro mi vidas ĉirkaŭ dudekon da feliĉaj "muzeloj". Per ĉiuj veroj kaj malveroj ĉiuj dezirantoj tamene venas al la somera Esperantio. Kial? Ja Esperanto tiam ĉe ni ne venkis lingvajn barojn, donis nenian profitigan utilon. Klarigi tion, ke E-to estis fenestro al la okcidento, estus tro simplisme. Ne multaj korespondis internacie (kio estis malfaciligata de la instancoj), preskaŭ neniu povis dank' al E-to veturi al eksterlando, do pri kia fenestro temas? Mia klarigo de la partoprenintо estas firma, ni sentis nin apartaj de la ĉirkaŭa mondo. Nin unuigis komuna lingvo, komuna historieto, komunaj E-kantoj, arde ŝatataj, ĝismatene kantataj, komuna vivstilo en E-kluboj kaj E-tendaroj, komuna kulturo en nerusa lingvo (multaj ŝatis legi E-librojn, viglis pluraj E-poetoj ktp) kaj ne laste persona amikeco kun interhelpoj. Ĉu ne de tiuj premisoj komenciĝas nova etno?*
*Kaj kiam ni decidis malorganizi SEJM-on favore al ŝtate kreita oficiala (sed ne memstara, kiel poste evidentiĝis) E-asocio, la aperinta oficialeco kun pluraj malpermesoj, ofte kun nepre uzenda rusa lingvo popaŝe malmuntis nian identecon, la rompiĝinta lingva disciplino aperigis krokodiladon kaj sen konstanta komuna lingvo jam ne eblas senti nin apartaj de la ĉirkaŭo. Kaj en Rusio aperis preskaŭ tipa eŭropa E-asocio...]*

55. Esperanto… dua lingvo por ĉiuj… tio estas utopio, ĉar estas necese, ke ĉiuj registaroj pli malpli samtempe aprobu kaj decidu multan monon. Mi kredas, ke tio neniam okazos, sed mi kredas, ke Esperanto povus havi tre gravan rolon eĉ nun kiel **minoritata lingvo**: en ĝi fakte estas ia plusvaloro, kiu faras, ke Esperanto estu pli ol lingvo: ekzemple ni konatiĝis antaŭ kvardek jaroj, kaj mi ne sentas min kiel fremdulo, ni estas kvazaŭ konatuloj de multaj jaroj. Estas tiu eco, kiun Esperanto fakte havas, kiu mortigas la fremdecon. (Manuel de Seabra. *Literatura Foiro*, 150

/aŭg.1994/, p.178)

56. La esperanisteco, danke al raŭmismo, evoluis de pure propaganda movadaneco al mem elektita lingva minoritato. Tiu **diaspora lingva minoritato estas evoluinta al civito**. Ni estas sojle de la formado de la civito. Por esplori la fenomenon venis la momento kunvoki kiel eble plej buntan forumon. (Perla Martinelli. *Literatura Foiro*, 162 /aŭg.1996/, p.177)

57. Jen la plej tragika miskompreno ebla en Esperantio. Mankas logika kontinueco en la historio de Esperanto, ĉar Esperantio ne evoluas. Ĉiun dekan jaron oni rekomencas la samon… Sub nova formo la varbado renaskiĝas kun iamaj skemoj, lastatempe apogantaj sin ideologie sur iu Manifesto de Prago… tute sen rezulto… Mia manifesto estas simpla: mia esperantismo venas de la civiliza valoro de Esperanto. Tiu valoro ne havas celon, ĝi estas unu el la elementoj de la interna strukturo de la diverstipaj etnoj el kiuj konsistas la civilizo. Alternative al la subpremo de ŝtato kaj la barbareco de etnoj – tie estas la loko por Esperanto. Mi revas, ke iam la esperantistoj komprenos, ke tion, kion ili atingas per "varbado" unuflanke, oni perdas per fuŝa movada politiko aliflanke. La aktuala solvo estas la konstruo de la Esperanta Civito, sed tio estas aparta afero, por aparta eseo. (Walter Zelazny. *Literatura Foiro*, 182 /dec.1999/, p.292-299)

58. … ni rememorigu nin pri la vortoj de Lanti antaŭ 80 jaroj kiam li diris: *SAT-anoj kutimiĝu al eksternacia sent-, pens-, kaj agadkapablo*. Ni strebu etendi tion al la tuta mondo. Ke ni kuraĝigu la senton de sennaciismo kaj strebu konsideri nin pli civitanoj de la mondo ol de iuj apartaj loko, gento, nacio aŭ ŝtato. Kadre de tio, kaj aludante nur al ni esperantistoj, mi aparte volas mencii al vi specialan neofte uzitan vorton. Tiu vorto estas "diasporo". Laŭ PIV, diasporo signifas: "disiĝo… rilate al kiu ajn nacio, gento aŭ komunumo". La vortoj ja taŭgas kaj aplikiĝas al la esperantistoj, homoj kiuj loĝas en malsamaj partoj de la mondo – fakto kiu konsistigas nin kiel esperantistan diasporon. Ne gravas ĉu ni konsideras nin esti finvenkistoj aŭ raŭmistoj. Estas pro tio ke mi mem bonvenigas la kreon de la Esperanta Civito. Pere de interreto esperantistoj nun havas la kapablon interplektiĝi ĉiuj kun aliaj kie ajn en la mondo ili loĝas. Foje mi opinias ke mi tage havas pli da kontaktoj kun alilandanoj ol kun miaj samstratanoj. (Kep Enderby. *Heroldo de Esperanto*, 2003/10, p.2)

59. Szilvasi rezonas simile. Li konkludas ke la esperantistoj posedas ĉiujn trajtojn de nacio (komuna lingvo, historio, kulturo k.s.), krom la elemento de komuna deveno. Sed ankaŭ tiu elemento ne plu rolas en la nuntempa mondo de intensa internacia migrado kaj kreiĝo de pluraj miks-devenaj nacioj. Szilvasi konkludas ke *La eduko do estas la faktoro, kiu difinas la konscion de aparteneco de la homo* kaj konsekvence konkludas ke – ĉar en baldaŭa estonto reale ne okazos la "fina venko" – se *ni ne volas malaperi simile al multaj malaperintaj en historio naciecoj, eĉ nacioj, sed volas paŝi al iu kvalite(!) pli alta ŝtupo, ni devas zorgi pri tio, ke la novaj Esperanto-parolantoj iĝu esperantistoj, do* ***ni devas zorgi pri ilia eduko!*** (*Eventoj*, julio (2), 1992)

60. La Universala Deklaracio de la Lingvaj Rajtoj, proklamita en Barcelono la 6-an de junio 1996, fiksas diferencon inter lingvokomunumoj kaj lingvogrupoj. La

diskriminacia faktoro estas la teritorieco. La esperantistaro estas inkluzivebla inter la lingvogrupoj, kune kun la duagradaj minoritatoj, nomadaj popoloj kaj diasporoj. La Deklaracio konkludas, ke lingvo ne ekzistas sen kolektivo, sed samtempe ĝi emfazas ke kolektivo povas esti alio ol nacio… La kolektiva identeco de la esperantistaro ne estas do nacia identeco. Tial ni havas delonge flagon kaj himnon, sed neniam havos delegacion ĉe Olimpikoj aŭ futbalteamon. Eble ni havos ankoraŭ bankon… Esperanto estas senŝtata lingvo. Sed ne havi ŝtaton signifas malhavi proprajn armeon, policon, justicon. Tio ne signifas malhavi proprajn religiajn kredojn, proprajn manĝokutimojn, proprajn kulturajn inklinojn. Manko de ŝtato signifas mankon de sendependeco, eventuale de libereco, sed ne mankon de kolektiva identeco… Ŝajnas, ke ni tendencas vivi pli internacie ol averaĝaj homoj. Sed ĝuste tio apartigas nin de najbaroj: ke ni emas dialogi kun barbaroj. Kaj ni ne ĉiam konscias pri nia propra vivostilo. Tri homoj emas bicikli, ili bicklas; tri esperantistoj emas bicikli, ili ankaŭ fondas asocion. Ses kolegoj deziras antaŭfesti Kristnaskon, ili kuniĝas por eta julo; ses esperantistoj havas la saman inklinon, ili kuniĝas por eta Zamenhofa festo. Ordinara paro volas libertempi eksterlande? Ili trafoliumas katalogon ĉe vojaĝagentejo. Verda paro celas la samon. Ili rigardas unue en la kalendaro de Esperanto-aranĝoj... Se do eblas konturi komunan vivstilon, ĉu eblas ankaŭ aserti ke la esperantistaro akceptis komunan leĝaron? Fakte jes. Ni posedas (ĉu nur lingvan, aŭ ankaŭ mondoperceptan?) Fundamenton. Ni havas la statutojn de niaj societoj, kiel bazon de verdula kunvivado. Ni subskribas senrezerve la Universalan Deklaracion de Homaj Rajtoj. Sed iamaniere ni vivas socilime. Ne lime inter landoj, sed lime inter socioj. Kaj same kiel juna turisto ne aŭdacus fari en sia norda lando tion, kion ekzemple li faras ĉe la Adriatika maro, esperantisto skribas en Esperanto-gazeto aŭ en retpoŝta forumo tion kion li neniam aŭdacus en lingvo kun ŝtato, do kun kodo, polico kaj justico. (Giorgio Silfer. *Literatura Foiro*, 175 /okt.1998/, p.236)

61. **La KVINTEZO.**

La Esperanto-komunumo estas diaspora lingva minoritato al kiu homoj apartenas pro libera elekto, pro libera konfirmo kaze de denaskaj esperantistoj.

La lingvokono estas sola komuna distingilo de la anoj de ĉi tiu komunumo. Ĉiu alia karakterizo (rasa, religia, etna, klasa, seksa…) ne gravas por difini la apartenon al la komunumo.

Konsekvence, laŭ la propra naturo, la Esperanto-komunumo respektas ĉiun religian (ne)kredon, ĉiun politikan opinion demokrate esprimitan kaj ĉiun kulturan tradicion.

Sed la Esperanto-komunumo ne povas evolui se ĝi konsistas nur el disigitaj eroj, indiferentaj unu al alia, konsiderantaj nur la proprajn regulojn kaj kutimojn, engaĝitaj je nura kunekzistado. Civito ne estas nur lingvanaro dotita je individuaj trajtoj: ĝi estas ankaŭ realaĵo kun komuna destino.

Ĉi tiun komunan destinon forĝis la jam 110-jara historio de la lingvanaro. Ĝin atestas la originala Esperanto-literaturo kaj la komunaj kulturaj trajtoj. Ĝin firmigas la oficialaj renkontoj de la lingvanaro mem, sub ĉiu formo, de la kurso ĝis la kongreso. Tiuj renkontoj estas esencaj por la vivo de nia civito, se ili

donas la ŝancon reciproke edukiĝi kaj integriĝi, lerni vivi kune kaj respekti unu la alian. Tiurilate, la kulturcentroj kaj Esperanto-domoj havas apartan signifon kaj specifan mision.

Akceptante la supran kvintezon, ni aliĝas al la unua Forumo por la Esperanta Civito. (Kooperativo de Literatura Foiro. *Literatura Foiro*, 171 /febr.1998/ p.53)

62. **Art.2 Celaro de Esperanto-Civito**

&1 – Konforme al la tradicioj establitaj en Bulonjo-ĉe-Maro en aŭgusto 1905 la Civito celas firmigi la rilatojn inter la esperantistoj kiuj sentas sin apartenantaj al senŝtata diaspora lingva grupo, laŭ la difino en la art. &5, de la Universala Deklaracio de la Lingvaj Rajtoj, proklamita en Barcelono la 6-an de junio 1996.

& 2 – La firmigo de tiuj rilatoj realiĝas per la difino kaj pacama evoluigo de komuna kondutkodo, transnacia kulturo kaj kolektiva identeco.

& 3 – Ne estante ŝtato, la Civito ne avidas politikan kaj ekonomian potencon, sed celas klerigan, edukan, kulturan evoluon, en komprenemo kaj toleremo rilate al la diversaj pensoskoloj al kiuj persone aliĝas la civitanoj. Teknologiaj kaj financaj rimedoj devas helpi la liberan kaj demokratan evoluon de la civitanoj, kaj ne utili per si mem.

(Projekto de Konstitucia Ĉarto de la Esperanta Civito *[fakte jam akceptita]*. *Literatura Foiro*, 181 /okt.1999/, p.265)

63. Kadre de ĉi tiu simpozio, estas interese cerbumi pri – kian politikon kaj ideologion alportos la Civito al Esperantujo, krom peni prizorgi la interesojn de la propraj civitanoj. Mi bonvenigas la Civiton kiel novan parton de Esperantujo. Ĝia celo estas doni novan senton de kolektiva identeco al la E-istoj. Aprobinda ideo. Mia sola dubo estas ĉu la financaj kaj homaj rimedoj de la tuta Esperantujo havas la kapablon elporti la koston de ĝi. La Civito estas raŭmisma kreaĵo, unika kiel koncepto, probable pli unika ol io alia en la pasinta kaj nova Esperantujo. La koncepto havas en si kapablon evolui kiel socia korpo en kiu la Civito havos la kapablon aktiviĝi en aferoj ekster Esperantujo, en sociaj kaj politikaj aferoj – aferoj kie SAT estas limigita de siaj klasaj interesoj kaj prioritatoj, kaj kie UEA ne povas agi. (Kep Enderby. *Heroldo de Esperanto,* 2004/11, p.4)

64. Tra la jaroj de mia E-agado mi kredis kaj ĉiam pli vidis, ke ne sloganoj aŭ promesoj pri la nebula fina venko, sed nur nia interna interese pulsanta vivo estas kaj estos la ĉefa altirforto por la junularo kaj tiuj nemalmultaj pliaĝaj, kiuj ne ordinariĝis sub la postuloj de la lango kaj aliaj nemensaj vivĝuiloj. La Esperanta Civito estas perfektaj ideo kaj perspektivo, ĝi savos nian lingvon el la stato kien venigis ĝin la tradicia E-movado (eĉ pri la malapero de la movado oni komencis paroli)... Kiel ĉiu tre avangarda inicato, ankaŭ la E-Civito ne rapide iĝos atentata de nia verda popoleto. Sed mian partoprenon ĝi jam gajnis. (Anatolo Gonĉarov. *Literatura Foiro*, 192 /aŭg.2001/, p.179)

65. Profitante la okazon mi volas esprimi kelkajn vortojn pri la partianoj de (laŭ ili) ebla kompromiso inter finvenkismo kaj raŭmismo, konata kiel *Proklamo de Poznano*. Laŭ ili ne ekzistas filozofia konflikto inter la finvenkismo kaj la raŭmismo: ambaŭ pravus, ambaŭ celus la samon, nur utiligus diversajn rimedojn

kaj pro ideologia kaŭzo aŭ blindeco la du skoloj ne povus sin kompreni, kaj rifuzus kune agi. Mi deklaras, ke ekzistas neniu ideologia obstaklo kompreni sin reciproke, sed ĉe la finvenkistoj bedaŭrinde ekzistas neniu ideologio. Nomi ideologio la strebadon al internacia paca mondo estas ripeti la paradigmon de ĉiuj homoj de bona volo solvi problemojn de la homaro per justa distribuo de nutraĵoj, detruo de armiloj, batalo kontraŭ epidemoj ktp. Tio ne estas ideologio. Tio estas deziro de ĉiu homo, kaj bedaŭrinde deziro maldolĉa, apenaŭ realigebla. Sed mi ripetas nur deziro, kiun mi mem ankaŭ posedas. La raŭmistoj havas ideologion. Ili estas unue homoj konsciaj pri sia rolo en la socio. Ne interesas ilin tiuj, kiuj utiligas Esperanton por ia ajn celo. Interesas ilin la homoj, **kiuj konscias sian identecon je Esperanto kaj ties kulturo.** Fina venko? Neniam ni estis kontraŭ la fina venko, sed ĝuste la fina venko kreas iluziojn kaj filozofian kaj organizan, ke ni ĉiuj povas fari ion pozitivan por la homaro. La rezulto estas katastrofa, ni ĉiuj tion vidas, en la movado, ĉar oni perdas pli da tempo por ripari la sinkantan ŝipon ol por navigadi direkte al la paco. Ion pozitivan por la homaro povas fari nur tiuj, kiuj scipovas organizi sin laŭ certa civiliza koncepto, ligita kun rajtoj kaj devoj, respondeco vidalvide al la aliaj civitanoj, ĉiuj kun propraj ideoj, por kiuj ili trovas lokon en la Esperanta Civito. Ne estas afero de tiu aŭ alia “paradigmo”, sed de jura kulturo kaj intelekta honesteco. Observante grandan parton de niaj samlingvanoj, kiuj revas solvi problemojn de la homaro en dudek kvar horoj, apogante sin je piramidaj organizaj modeloj kaj kredante en ilia honesteco, ni mem dubas pri ilia efikeco. Jen motivo por konstrui ion novan. Tion ni estas farantaj. (*Literatura Foiro*, 207 /febr.2004/, p.10)

66. SONETO XIII

Jes, Esperanto estas tragedio!
Neniam ni atingas nian celon.
Ni malperfekte trafas la orelon
per nia propra malperfekta scio.

Nin pelas brila duoniluzio:
ni volas levi plu la kler-nivelon,
sed ĉiam fuŝas nian gloran pelon,
kaj... restas nur la gloro de l’ vizio.

Sed io kreskas. Kaj ni devas kredi
ke sub sepala ingo, nun, sen bruo,
io formiĝas, io kun koloro,

ke mensoj povas doni kaj heredi,
ekzistas intelekta evoluo:
kaj el burĝono, iel, ŝprucos floro!

(Marjorie Boulton. *Literatura Foiro,* 142 /apr.1993/, p.87)

*[Nia poetino ankoraŭ en 1993 rezoluciis la krizon de finvenkismaj noblaj strebadoj kaj antaŭsentis la aperon de E-Civito.]*

Bulteno de REU

# 21-a Konferenco de Rusia Esperantista Unio

***Jekaterinburg, la 30-an aprilo – la 2-an de majo 2005***
***(enkadre de la 24-a Rusia Esperantista Kongreso)***

## DECIDOJ

1. Taksi kontentiga la laboron de la Estraro.

2. Aprobi la raporton de la Kontrol-revizia Komisiono.

3. Kiel la ĉefan labordirekton por la venonta agadperiodo konsideri informadon.

4. Elekti la Estraron en la konsisto: Andrej Grigorjevskij – Prezidanto, Nikolaj Gudskov – Vicprezidanto pri informado, Rafija Kudrjavceva – Vicprezidanto pri regiona agado, Irina Gonĉarova, Jurij Karcev, Andrej Peĉonkin.



*la nova Estraro de REU*

5. Elekti la Kontrol-revizian Komisionon en la konsisto: Gennadij Basov – prezidanto, Roman Bolŝakov, Galina Terentjeva.

6. Elekti Komisiitojn pri: dokumentado – Viktor Aroloviĉ, kontaktoj kun amaskomunikiloj kaj neŝtataj organizaĵoj – Abduraĥman Junusov, kultura agado – Mikaelo Bronŝtejn, laboro kun lernejanoj – Tatjana Vŝivceva, regionaj aranĝoj – Katerina Arbekova, faka agado – Vladimir Bespalov, kontaktoj kun ŝtataj organizaĵoj – Valentin Seguru.

7. Akcepti Regularon pri la rusiaj deklam-konkursoj kaj Regularon pri la Lingva Olimpiko por Novuloj.

8. Komisii al la Estraro prizorgi administradon de interretaj dissendolistoj de REU.

9. Aprobi la agadon de Valentin Seguru ĉe la Ministerio pri Klerigo kaj komisii al li daŭrigi tiun agadon.

# PROTOKOLO

**La 30-an de aprilo 2005**

### 1. Organizaj demandoj. Elekto de la konferencaj gvidorganoj

1.1. Kunvengvidanto: Georgij Kokolija (Moskvo) – elektita unuanime.
1.2. Kalkulkomisiono: Bronislav Ĉupin (Iĵevsk), Rimma Roganova (Ĉusovoj), Dilara Gadirova (Toboljsk), Aleksandr Belov (Tiĥvin) – elektita unuanime.
1.3. Redakta komisiono: Viktor Aroloviĉ (Moskvo), G.Kokolija, Rafija Kudrjavceva (Jekaterinburg) – elektita kun 1 sindeteno.
1.4. Respondeculo pri registrado de delegitoj kaj enmanigo de mandatoj: V.Aroloviĉ – elektita unuanime.
1.5. Protokolantoj: Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk), Vladimir Opletajev (Surgut) – elektitaj unuanime.
1.6. Tagordo de la Konferenco:
1) Elekto de la konferencaj laborogranoj.
2) Raporto de la Estraro de REU.
3) Raporto de la Kontrol-revizia Komisiono de REU.
4) Pridiskuto de la raportoj.
5) Akcepto de Regularoj.
6) Elekto de la Prezidanto de REU.
7) Elekto de la Estraro de REU.
8) Elekto de la Kontrol-revizia Komisiono de REU.
9) Elekto de la Komisiitoj.
10) Diversaĵoj.
11) Akcepto de decidoj de la Konferenco.
1.7. Laŭ la raporto de V.Aroloviĉ, la respondeculo pri la registrado de delegitoj de la Konferenco, estas registritaj 26 delegitoj kun voĉdonrajto[1].

### 2. Raporto de la Estraro de REU

2.1. La raporton prezentis la Prezidanto de REU Nikolaj Gudskov (Moskvo). (Tekston de la raporto vidu en REGo № 1/2005, paĝoj 11-13.)
2.2. Retpoŝtan raporton de la estrarano Valentin Seguru (Moskvo) voĉlegis G.Kokolija.
2.3. Financan raporton de la estrarano Miĥail Ĉertilov (Moskvo) voĉlegis N.Gudskov.

### 3. Raporto de la Kontrol-revizia Komisiono

3.1. Raporton de la Kontrol-revizia Komisiono voĉlegis membro de la komisiono R.Kudrjavceva. Ŝi plendis, ke la prezidanto de KRK Roman Bolŝakov (Moskvo) malgraŭ insistaj petoj ne povis ĝustatempe ricevi financan raporton de la kasisto de REU M.Ĉertilov. Ĝi trafis la manojn de R.Kudrjavceva nur kelkajn tagojn antaŭ la Konferenco, kio embarasis aŭ preskaŭ malebligis la

[1] Poste registriĝis ankoraŭ 9 malfruintoj, entute estis registritaj 35 delegitoj.

laboron de la komisiono. La financa raporto estas farita por la periodo 03.02.2004 – 31.12.2004. La REU-kaso havas negativan saldon je 2135 rubloj. La negativan saldon kaŭzis la malprofita RET-04 kaj la pruntedono al Anna Butkeviĉ (Sankt-Peterburg).

3.2. Decido de la Konferenco: la raporto de la Kontrol-revizia Komisiono estas aprobita unuanime.

### 4. Pridiskuto de la raportoj

4.1. En la pridiskuto de la raportoj partoprenis entute 11 personoj: Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja), G.Kokolija, Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg), Anatolij Gonĉarov (Artjomovsk), R.Kudrjavceva, Irina Gonĉarova (Moskvo), Jurij Karcev (Uljanovsk), N.Gudskov, Oleg Kukoba (Samara), V.Aroloviĉ, Aleksandr Kalaŝnikov (Tjumenj).

4.2. Pritakso de la laboro de la Estraro de REU. Estas proponitaj tri variantoj de la taksado: 1) G.Kokolija – pritaksi la agadon "nekontentiga"; 2) Tatjana Vŝivceva (Miass) – pritaksi la agadon "kontentiga"; 3) A.Grigorjevskij – pritaksi la agadon "parte kontentiga". Rezultoj de la voĉdonado: varianto 1 – 3 voĉoj, varianto 2 – 13 voĉoj, varianto 3 – 8 voĉoj, entute – 24 voĉoj. La Konferenco decidis taksi la laboron de la Estraro "kontentiga".

### 5. Akcepto de Regularoj

5.1. Regularo pri la Rusiaj Deklam-Konkursoj estas prezentita de V.Aroloviĉ en modernigita versio surbaze de la teksto en "Manlibro de la REU-membro" (2005), paĝoj 29-32. Rezulte de la voĉdonado la Regularo estas akceptita: por – 29, kontraŭ – 0, sindetenoj – 1, entute – 30.

5.2. Regularo pri la Lingva Olimpiko por Novuloj (LONo) estas prezentita de V.Aroloviĉ en modernigita versio surbaze de la teksto en "Manlibro de la REU-membro" (2005), paĝoj 32-34. Rezulte de la voĉdonado la Regularo estas akceptita: por – 29, kontraŭ – 0, sindetenoj – 1, entute – 30.

**La 1-an de majo 2005**

### 6. Elekto de la Prezidanto de REU

6.1. En la debatoj pri taskoj kaj funkciaj devoj de la Prezidanto partoprenis entute 9 personoj: G.Kokolija, R.Kudrjavceva, A.Grigorjevskij, Gennadij Basov (Moskvo), Andrej Peĉonkin (Krasnojarsk), T.Vŝivceva, I.Gonĉarova, V.Aroloviĉ, V.Kudrjavcev.

6.2. Estas kandidatigitaj 10 personoj: 1) Georgij Kokolija – propono de N.Gudskov; 2) Nikolaj Gudskov – propono de Firdaus Kasimov (Permj); 3) Viktor Kudrjavcev – propono de A.Grigorjevskij; 4) Andrej Grigorjevskij – propono de R.Kudrjavceva; 5) Jurij Karcev – propono de V.Aroloviĉ; 6) Andrej Peĉonkin – propono de T.Vŝivceva; 7) Irina Gonĉarova – propono de R.Roganova; 8) Rafija Kudrjavceva – propono de G.Kokolija; 9) Tatjana Vŝivceva – propono de I.Gonĉarova; 10) Anatolij Gonĉarov – propono de V.Kudrjavcev.

6.3. Ne konsentis kandidatiĝi 8 personoj: 1) Georgij Kokolija – pro la redaktado

kaj eldonado de REGo; 2) Nikolaj Gudskov – pro la elĉerpiĝo en la prezidanta posteno dum tri agadperiodoj; 3) Viktor Kudrjavcev – pro nedeziro esti prezidanto de REU; 4) Jurij Karcev – pro nedeziro esti prezidanto de REU; 5) Andrej Peĉonkin – pro malkapablo gvidi la Union; 6) Irina Gonĉarova – pro malkapablo gvidi la Union; 7) Rafija Kudrjavceva – pro malkompetenteco pri gvidado de la tutlanda organizaĵo; 8) Anatolij Gonĉarov – pro kategoria malkonsento kun la nunaj gvidprincipoj de REU.

6.4. Konsentis kandidatiĝi du personoj: 1) Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja); 2) Tatjana Vŝivceva (Miass).

6.5. Ambaŭ kandidatoj je prezidanteco prezentis siajn programajn tezojn. **Andrej Grigorjevskij:** Mi ne vidas specialan krizon en la nuna stato, ĉiuj servoj de REU funkcias normale. Sed normala funkciado post kelkaj senkrizaj jaroj por multaj jam ŝajnas memkomprenebla. Oni volas vidi pli da aktivado krom la plenumado de la rutinaj taskoj. Ne vidante tion, oni preferas ne membriĝi al REU. Prioritataj direktoj: aktivigo de la membroj, allogo de ili al decidfarado, refunkciigo de la sistemo de lokaj reprezentantoj, modernigo de aktivado de kluboj kaj lingvoinstruado, propono de novaj ideoj, spertoj kaj agaddirektoj. Por efektivigi ĉi tiujn taskojn antaŭ ĉio estas bezonata laborkapabla teamo, kiun elektu la Konferenco. **Tatjana Vŝivceva:** Unue mi elektus la teamon, kun kiu mi povus proponi al la membroj de REU kaj realigi ĉefajn agaddirektojn inter kiuj gravas kaj rutinaĵoj kaj novaj allogaj ideoj.

6.6. En la diskutoj pri la kandidatoj partoprenis 9 personoj: G.Kokolija, N.Gudskov, V.Kudrjavcev, R.Roganova, R.Kudrjavceva, A.Peĉonkin, I.Gonĉarova, G.Terentjeva, O.Kukoba.

6.7. Voĉdonilojn por la sekreta voĉdonado ricevis 31 delegitoj kun voĉdonrajto.

6.8. Post la voĉdonado kaj kalkulo de la voĉoj la prezidanto de la Kalkulkomisiono B.Ĉupin prezentis 2 protokolojn: Protokolon №1 "Pri la elekto de la prezidanto de la Kalkulkomisiono" (estas elektita B.Ĉupin) kaj Protokolon № 2 "Pri la elekto de la Prezidanto de REU".

6.9. Rezultoj de la sekreta voĉdonado: por Andrej Grigorjevskij – 21 voĉoj, por Tatjana Vŝivceva – 6 voĉoj, sindetenoj – 4, entute – 31 voĉoj.

6.10. La Konferenco unuanime aprobas la protokolojn de la Kalkulkomisiono, do Andrej Grigorjevskij per plimulto da voĉoj estas elektita kiel Prezidanto de REU.

6.11. A.Grigorjevskij estas elektita kiel kungvidanto de la Konferenco.

**La 2-an de majo 2005**

## 7. Elekto de la Estraro de REU

7.1. Laŭ propono de A.Grigorjevskij estas en apartaj laborgrupoj de konferencanoj diskutita temo pri la strategiaj agaddirektoj de REU en la proksima agadperiodo, de kio dependas la konsisto de la elektota Estraro. En la diskuto partoprenis 12 delegitoj. Kiel aktualaj evidentiĝis du agaddirektoj: informado kaj regiona agado.

7.2. Voĉdonado pri la ĉefa agaddirekto en la nova agadperiodo: por informado kiel

strategia agaddirekto – 18 voĉoj, por regiona agado kiel strategia agaddirekto – 13 voĉoj, sindetenoj – 1 voĉo, entute – 32 voĉoj. Kiel strategia agaddirekto de REU estas elektita kaj aprobita tiu pri informado.

7.3. Elekto de la Vicprezidantoj. G.Kokolija voĉdonigis sian proponon pri bezono aŭ nebezono de vicprezidanto(j) en la Estraro. Rezultoj de la voĉdonado: por elekti vicprezidanto(j)n – 23 voĉoj, por ne elekti vicprezidanto(j)n – 5 voĉoj, sindetenoj – 2 voĉoj, entute – 30 voĉoj.

7.4. Voĉdono pri kvanto de vicprezidantoj: por propono de A.Peĉonkin – 1 vicprezidanto – 5 voĉoj, por propono de I.Gonĉarova – 2 vicprezidantoj – 21 voĉoj, por propono de N.Gudskov – ĉiu estrarano estu vicprezidanto – 2 voĉoj, sindetenoj – 3 voĉoj, entute – 31 voĉoj. La Konferenco decidis elekti du vicprezidantojn.

7.5. Voĉdonado por Nikolaj Gudskov kiel Vicprezidanto pri informado – propono de A.Grigorjevskij: por – 25 voĉoj, kontraŭ – 1 voĉo, sindetenoj – 5 voĉoj, entute – 31 voĉoj. Nikolaj Gudskov estas elektita kiel Vicprezidanto pri informado.

7.6. Voĉdonado por Abduraĥman Junusov (Maĥaĉkala) kiel Vicprezidanto pri regiona agado – propono de A.Grigorjevskij: por – 12 voĉoj, kontraŭ – 10 voĉoj, sindetenoj – 9 voĉoj, entute – 31 voĉoj. Abduraĥman Junusov ne estas elektita kiel Vicprezidanto pro neatingo de simpla plimulto de voĉoj de la ĉeestantaj delegitoj.

7.7. Voĉdonado por Rafija Kudrjavceva kiel Vicprezidanto pri regiona agado – propono de A.Grigorjevskij: por – 24 voĉoj, kontraŭ – 0 voĉoj, sindetenoj – 6 voĉoj, entute – 30 voĉoj. Rafija Kudrjavceva estas elektita kiel Vicprezidanto pri regiona agado.

7.8. Elekto de la estraranoj. Voĉdonado pri kvanto de la estraranoj, sespersona Estraro inkludanta Prezidanton, 2 Vicprezidantojn, 3 estraranojn – propono de N.Gudskov: por – 21 voĉoj, kontraŭ – 1 voĉo, sindetenoj – 9 voĉoj, entute – 31 voĉoj.

7.9. Proponado de kandidatoj. Valentin Seguru (membro de la malnova Estraro) – propono de A.Grigorjevskij, Irina Gonĉarova (membro de la malnova Estraro) – propono de A.Grigorjevskij, Jurij Karcev (membro de la malnova Estraro) – propono de I.Gonĉarova, Rafija Kudrjavceva – propono de V.Kudrjavcev, Tatjana Vŝivceva – propono de I.Gonĉarova, Viktor Aroloviĉ – propono de A.Kalaŝnikov, Vladimir Opletajev – propono de R.Kudrjavceva, Andrej Peĉonkin – propono de V.Aroloviĉ, Gennadij Basov – propono de R.Roganova, Katerina Arbekova (Novosibirsk) – propono de I.Gonĉarova, Galina Terentjeva – propono de G.Kokolija, Anatolij Gonĉarov – propono de O.Kukoba, Aleksandr Kalaŝnikov – propono de Anatolij Radajev (Samara), Vladimir Bespalov (Soĉi) – propono de G.Kokolija, Roman Bolŝakov – propono de R.Kudrjavceva, Abduraĥman Junusov – propono de V.Aroloviĉ.

7.10. Malkonsentis kandidatiĝi V.Aroloviĉ, V.Opletajev, G.Basov, G.Terentjeva, A.Gonĉarov, A.Kalaŝnikov, R.Bolŝakov.

7.11. Sinprezento de la kandidatoj-estraranoj, iliaj preferataj agaddirektoj: 1) Ab-

duraĥman Junusov – informado, kontaktoj kun sociaj organizaĵoj (pertelefona konsento pro foresto de la kandidato); 2) Valentin Seguru – soci-politikaj aferoj, kontaktoj kun oficialaj instancoj (retmesaĝa konsento); 3) Irina Gonĉarova – instruado, regionaj renkontiĝoj, kluba agado; 4) Jurij Karcev – rutinaj aferoj serve al la REU-membroj; 5) Tatjana Vŝivceva – informado; 6) Andrej Peĉonkin – informado, scienca sistemigo de la agado; 7) Katerina Arbekova – dume ne difinis preferatan kampon de la agado; 8) Vladimir Bespalov – regiona agado.

7.12. Aparta voĉdonado por ĉiu proponita kandidato. 1) Abduraĥman Junusov: por – 12 voĉoj, kontraŭ – 6 voĉoj, sindetenoj – 13 voĉoj, entute – 31 voĉoj. 2) Valentin Seguru: por – 8 voĉoj, kontraŭ – 6 voĉoj, sindetenoj – 16 voĉoj, entute – 30 voĉoj. 3) Irina Gonĉarova: por – 27 voĉoj, kontraŭ – 0 voĉoj, sindetenoj – 5 voĉoj, entute – 32 voĉoj. 4) Jurij Karcev: por – 19 voĉoj, kontraŭ – 2 voĉoj, sindetenoj – 10 voĉoj, entute – 31 voĉoj. 5) Tatjana Vŝivceva: por – 15 voĉoj, kontraŭ – 7 voĉoj, sindetenoj – 10 voĉoj, entute – 32 voĉoj. 6) Andrej Peĉonkin: por – 23 voĉoj, kontraŭ – 3 voĉoj, sindetenoj – 6 voĉoj, entute – 32 voĉoj. 7) Katerina Arbekova: por – 16 voĉoj, kontraŭ – 5 voĉoj, sindetenoj – 10 voĉoj, entute – 31 voĉoj. 8) Vladimir Bespalov: por – 16 voĉoj, kontraŭ – 1 voĉo, sindetenoj – 14 voĉoj, entute – 31 voĉoj. Rezulto de la voĉdonado: kiel membroj de REU-Estraro estas elektitaj Irina Gonĉarova, Jurij Karcev, Andrej Peĉonkin.

## 8. Elekto de la Kontrol-revizia Komisiono

8.1. Elekto de la prezidanto de la Kontrol-revizia Komisiono. Voĉdonado por Gennadij Basov (propono de R.Kudrjavceva) aŭ Roman Bolŝakov (propono de V.Aroloviĉ): por G.Basov – 23 voĉoj, por R.Bolŝakov – 4 voĉoj, sindetenoj – 5 voĉoj, entute – 32 voĉoj. Rezulte de la voĉdonado Gennadij Basov estas elektita kiel prezidanto de la Kontrol-revizia Komisiono de REU.

8.2. Elekto de la membroj de la Kontrol-revizia Komisiono. Voĉdonado por Galina Terentjeva (propono de T.Vŝivceva) kaj Roman Bolŝakov (propono de V.Aroloviĉ): por – 29 voĉoj, kontraŭ – 0 voĉoj, sindetenoj – 1 voĉo, entute – 30 voĉoj. Rezulte de la voĉdonado kiel membroj de la Kontrol-revizia Komisiono estas elektitaj Galina Terentjeva, Roman Bolŝakov.

## 9. Elekto de la Komisiitoj

9.1. 1) Voĉdonado por Viktor Aroloviĉ – Komisiito pri dokumentado de REU – propono de N.Gudskov: por – 30 voĉoj, sindetenoj – 1 voĉo, entute – 31 voĉoj. 2) Voĉdonado por Abduraĥman Junusov – Komisiito pri amaskomunikiloj kaj kontaktoj kun neŝtataj organizaĵoj – propono de A.Grigorjevskij: por – 29 voĉoj, sindetenoj – 2 voĉoj, entute – 31 voĉoj. 3) Voĉdonado por Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin) – Komisiito pri kultura agado – propono de G.Kokolija: por – 28 voĉoj, sindetenoj – 3 voĉoj, entute – 31 voĉoj. 4) Voĉdonado por Tatjana Vŝivceva – Komisiito pri laboro kun lernejanoj – propono de N.Gudskov: por – 27 voĉoj, kontraŭ – 1 voĉo, sindetenoj – 3 voĉoj, entute –31 voĉoj. 5) Voĉdonado por Valentin Seguru – Komisiito pri kontaktoj kun

ŝtataj organizaĵoj – propono de N.Gudskov: por – 28 voĉoj, sindetenoj – 3 voĉoj, entute – 31 voĉoj. 6) Voĉdonado por Vladimir Bespalov – Komisiito pri faka agado – propono de G.Kokolija: por – 27 voĉoj, sindetenoj – 4 voĉoj, entute – 31 voĉoj. 7) Voĉdonado por Katerina Arbekova – Komisiito pri regionaj aranĝoj: por – 26 voĉoj, sindetenoj – 5 voĉoj, entute – 31 voĉoj.

9.2. Kiel Komisiitoj de REU estas elektitaj Viktor Aroloviĉ, Abduraĥman Junusov, Mikaelo Bronŝtejn, Tatjana Vŝivceva, Valentin Seguru, Vladimir Bespalov, Katerina Arbekova.

**10. Diversaĵoj**

10.1. Voĉdonado por la proponoj de Valentin Seguru. V.Seguru turnis sin retmesaĝe al la Konferenco pri voĉdonigo de du siaj proponoj: 1) pri kreo de Komitato de Klubestroj; 2) pri koresponda elektado de la gvidorganoj de REU. Post la diskuto kaj la ekspertaj klarigoj de V.Aroloviĉ pri kontraŭstatuta esenco de la menciitaj proponoj ili estis rezulte de la voĉdonado malakceptitaj: la unua propono – per 22 kontraŭaj voĉoj el 29, la dua – per 22 kontraŭaj voĉoj el 29.

10.2. Voĉdonado por la propono de Vladimir Minin (Usono) pri ŝanĝo de moderigantoj de la interretaj dissendolistoj de REU. Estas decidite laŭ la propono de G.Kokolija komisii al la Estraro prizorgi la administradon de la interretaj dissendolistoj de REU: por – 27 voĉoj, sindetenoj – 1 voĉo, entute – 28 voĉoj.



*la protokolantoj*

**11.Akcepto de decidoj de la Konferenco.**

***Protokolis: V.Opletajev, G.Terentjeva***
***Finpretigo de la protokolo: la 10-an de majo 2005***

## KLUBA RANGLISTO POR 2004

Dum fermo de la 24-a Rusia Esperantista Kongreso en Jekaterinburg estis anoncitaj la rezultoj de Kluba Ranglisto de REU por la jaro 2004:

***1. Moskva EK MASI – 1003 poentoj***

***2. Samara E-organizaĵo – 442***

***3-4. Tiĥvina E-klubo kaj Moskva E-klubo "Lev Tolstoj" – po 362***

***5. Volgograda E-klubo "Espero" – 236***

**GRATULOJN AL LA KLUBOJ!**

## NOVAĴOJ DE LA TTT-EJO DE REU

La Libroservo de REU, kiu nun fizike troviĝas en Ĉeboksari, finfine ekhavis sian retan reprezentiĝon – en la retejo <www.reu.ru>. Antaŭe, pro transira periodo en administrado de la REU-Libroservo kaj ligitaj problemoj pri preparado de la katalogo, tie estis reprezentita partnera libroservo de Moskva E-Centro. Por viziti la libroservon klaku la ligilon "Libroservo" sur la starta paĝo de la retejo aŭ uzu la rektan adreson <www.reu.ru/ls>.

En la forumo de la retejo <www.reu.ru> aperis nova kategorio – Aranĝoj. En ĝi povas aperi anoncoj pri planataj renkontiĝoj, rakontoj pri la okazintaj. Jam nun en ĝi estas ses informleteroj pri la plej proksimaj renkontiĝoj. La adreso estas <http://forumo.reu.ru/viewforum.php?f=9>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## AGADO POR LA NOBEL-PACPREMIO RELANĈATA

UEA denove iniciatas agadon por instigi rajtigitajn personojn kandidatigi UEA por la pacpremio de Nobel. Tiucele la Estraro ĵus elektis s-ron Ivo Osibov kiel komisiiton por kunordigi la agadon. Osibov gvidis ankaŭ la agadon por kandidatigi UEA por la pacpremio de la jaro 2001. Tiam almenaŭ 34 rajtigitaj personoj el 10 landoj kandidatigis UEA. UEA estis unuafoje kandidatigita por la Nobel-premio en la jaro 1954 kaj estis kandidato ankaŭ en multaj postaj jaroj. Plej multe da apogo UEA ricevis en 1966, kiam estis 253 proponintoj, sed plej proksime al premiiĝo UEA estis en 1988, kiam laŭ gazetaraj informoj ĝi estis unu el la kandidatoj, inter kiuj la fina decido estis farita.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 207)***

## LA 90-A UK: JAM SUPER 2000 ALIĜINTOJ

Ĝis la 1-a junio entute 2040 kongresanoj el 60 landoj aliĝis al la 90-a Universala Kongreso de Esperanto en Vilno (23-30 julio 2005). Sekve jam du monatojn antaŭ sia komenco la Vilna UK superis la pasintjaran UK en Pekino, al kiu aliĝis 2031 kongresanoj el 51 landoj kaj kiu estis la plej granda UK post la jaro 1999, kiam la UK en Berlino arigis 2712 aliĝintojn. Kun 357 aliĝintoj la gastigonta lando Litovio estas ĉe la pinto de la statistiko. Ĝin sekvas Francio (225), Japanio (165) kaj Germanio (154). Multnombre reprezentataj en Vilno estos ankaŭ Pollando (95), Rusio (91), Italio (78), Nederlando (73), Finnlando (68), Svedio (62), Belgio (59), Ĉeĥio (45), Britio (44) kaj Danio (40). Krom Japanio, plej multe da ekstereŭropaj aliĝintoj ĝis nun liveris Usono (38), Korea Respubliko (32), Irano (24), Aŭstralio kaj Brazilo (po 21).

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 207)***

## LA MEMBRARA KRESKO DE UEA PLIFORTIĜAS

La kresko de la individua membraro de UEA plifortiĝis en la unuaj monatoj de la nuna jaro. Ĝis la 31-a de majo en UEA estis registritaj 5424 individuaj membroj, kio estas je 312 pli multe ol en la sama dato pasintjare. En 2004 la tutjara kresko

estis 142. Parte la pli forta kresko en la maja statistiko verŝajne rezultas el pli efika administrado de kotizoj en la Centra Oficejo, sed ĉefe temas pri efektiva kresko. Komence de junio la Centra Oficejo dissendos memorigan leteron al tiuj pasintjaraj membroj, kiuj ankoraŭ ne kotizis por la nuna jaro. Tiu dissendo ĉiujare rezultigas novan ondon de aliĝoj. La Centra Oficejo antaŭvidas, ke ĉi-jare la fina nombro de individuaj membroj denove superos 6000, unuafoje post la jaro 2001.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 207)***

## ORATORA KONKURSO EN VILNO

En la 90-a UK en Vilno denove okazos Oratora Konkurso por junularo. La precizaj dato kaj loko estos anoncitaj en la Kongresa Libro. Rajtos partopreni gejunuloj ĝis 30-jaraj, kiuj aliĝis al la UK. La partopreno estos senpaga, sed ĉiu kandidato devos skribe anonci sin minimume unu tagon antaŭ la konkurso al la estrarano pri kulturo, s-ino Claude Nourmont <moonmont@pt.lu>.

La junaj oratoroj povos elekti inter kvar temoj: “Universalaj Kongresoj de Esperanto: por mi persone, kion ili signifas? Kiel Universalaj Kongresoj influis al mi?”; “Ĉu la Fundamento bremsas la lingvan evoluon de Esperanto, aŭ ĉu ĝi funkcias kiel unuigilo?”; “Modo, ĉu esprimo de liberiĝo, ĉu esprimo de sklaviĝo?”; “Eŭropo, ĉu nova potenco, ĉu nova kolonio?”.

Per kio nesperta programisto diferencas de la sperta? La nesperta opinias, ke en kilobajto estas 1000 bajtoj, dum la sperta opinias, ke en kilometro estas 1024 metroj.

***(per-esperanto-humuro)***

Oni devos paroli pri la elektita temo libere, sen antaŭpreparita teksto, sed oni rajtos uzi memorigajn notojn. La maksimuma daŭro de parolado estos ĉ. 10 minutoj. La paroladoj estos juĝataj el vidpunktoj enhava, lingva, stila kaj laŭ la ĝenerala sinteno de la kandidato kiel oratoro. La plej bonaj konkursantoj ricevos libropremiojn.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 206)***

## NAŬ PRELEGOJ EN IKU KAJ TRI AIS-KURSOJ EN VILNO

Naŭ fakuloj prelegos en la 58-a sesio de la Internacia Kongresa Universitato en la 90-a Universala Kongreso en Vilno. La Estraro aprobis la programon de IKU surbaze de la rekomendoj de la Komisiono pri IKU. Du el la prelegoj funkcios ankaŭ kiel enkondukoj al samtema kurso de Akademio Internacia de la Sciencoj. Ekster la formala kadro de IKU okazos krome tria AIS-kurso.

La Vilnan IKU-sesion inaŭguros ĝia rektoro, prof. Aloyzas Gudaviĉius (Litovio). Post la inaŭguro li prelegos pri etnolingvistikaj aspektoj de Esperanto. Ankaŭ aliaj prelegoj rilatos al Esperanto aŭ interlingvistiko. D-ro Vilmos Benczik (Hungario) pritraktos skriban kaj voĉan Esperanton en semiotika spegulo, kaj d-ro Aleksandr Duliĉenko (Estonio) – la serĉadon de komuna lingvo por Eŭropo. Pri la aĝo de lingvoj parolos prof. Jouko Lindstedt (Finnlando), demandante, ĉu la litova vere estas maljuna kaj Esperanto – juna lingvo. Pri granda publiko povas sendube jam anticipe kalkuli inĝ. Toon Witkam (Nederlando) kaj d-rino Jane Edwards (Usono), kies temoj estos respektive aŭtomata tradukado kaj vampiroj. D-ro Shi-

geaki Nagamachi (Japanio) prelegos pri la evoluo de matematiko kaj moderna matematika fiziko.

La prelego de d-ro Hans Michael Maitzen (Aŭstrio) kaj prof. Amri Wandel (Israelo), "La Lakta Vojo – nia hejmo en la universo", kaj tiu de prof. Ieva Ŝvarcaite (Litovio), "Homara agado en la teritorio de la lasta kontinenta glaciepoko en la ĉebalta regiono: ekologia aspekto" enkondukos AIS-kurson. Trian kurson de AIS en Vilno donos prof. Helmar Frank (Germanio) pri la temo "La Sibiua programo de eŭrolingvistiko".

Same kiel en ĉiuj Universalaj Kongresoj ekde 1997, ankaŭ en Vilno la kongresanoj povos aĉeti presitan kolekton de la IKU-prelegoj, kiu estos vendata post UK en la Libroservo de UEA.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 206)***

## KONTRIBUU AL LA KLERIGA TAGO DE LA 90-A UK !

En Gotenburgo kaj Pekino ni organizis en la kadro de la Universala Kongreso specialan kaj tre sukcesan Klerigan Tagon, en kiu okazis plej diversaj kunvenoj – pri la lingvo Esperanto, pri ĝia historio, pri la kongresa lando, pri novaj metodoj de informado, pri tio, kiel organizi kongresojn, ktp. Multaj kongresanoj partoprenis (verŝajne eĉ plimulto de la kongresanoj), kaj sekve iris hejmen kun novaj ideoj kaj nova entuziasmo.

En Vilno ni denove prezentos Klerigan Tagon. Ni invitas vian partoprenon.

Ĉu vi en via urbo aŭ lando ellaboris sukcesan elpaŝon por la disvastigo de Esperanto? Eble vi trovis manieron enpenetri la lokan gazetaron, aŭ utiligas lokajn foirojn por prezenti Esperanton, aŭ ellaboris novajn kaj trafajn informilojn, aŭ organizas novstilajn kongresojn aŭ kunvenojn? Ni deziras, ke tiuj bonaj ideoj cirkulu en la Esperanto-movado, kaj ke vi prezentu ilin en nia Kleriga Tago.

Ĉu vi aparte interesiĝas pri iu aspekto de lingvoj – pri la minoritataj lingvoj en via lando, aŭ pri la stato de la angla lingvo, aŭ pri lingvo-instruado? Ĉu vi havas ion seriozan por diri pri la lingvo Esperanto kaj ĝia funkciado? Se jes, proponu vin kiel parolanton en la Kleriga Tago. Ĉu vi havas ion por diri pri la historio de nia lingvo, eble en via regiono? Ĉu ion pri la Esperanto-literaturo, kiun eble vi aparte studis aŭ deziras prezenti? Aŭ pri tradukado? Aŭ pri utiligo de Esperanto en Interreto? Aŭ pri Esperanto en radio? Aŭ en scienco?

Bonaj ideoj kaj interesaj informoj abundas en nia movado, sed ili ofte ne atingas la tagolumon. Jen okazo por prezenti viajn ideojn kaj opiniojn. Ni ankaŭ aparte interesiĝas pri plenaj programeroj. Se du-tri personoj deziras kune prezenti ion novan, aŭ organizi podian diskuton pri iu temo, ili nepre proponu tion.

Tradicie, nur fakaj asocioj kaj instancoj de UEA aŭ aparte invititaj personoj havis rajton prezenti programojn en la kadro de la Universalaj Kongresoj. Nun, per la Kleriga Tago, la vojo estas malfermita ankaŭ al vi. Kaptu la okazon! Sendu vian proponon kiel eble plej baldaŭ al la organizantoj Humphrey Tonkin <tonkin@hartford.edu> aŭ Michela Lipari <michela.lipari@tiscali.it>. Ne prokrastu!

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 206)***

## ĈALK-EKZAMENOJ DUM REK-EOLA

Dum REK-EoLA en Jekaterinburg plenumis A-nivelan (elementan) ekzamenon de ĈALK 4 personoj: Margarita Bistrova (Tiĥvin), Galina Sarapulova (Tjumenj), Marina Stepaĉova (Tjumenj) kaj Nikolaj Neĉajev (Irkutsk), ĉiuj kun la noto "perfekte". Gratulojn al la sukcesintoj!

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***



## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2005

### ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ

**Moskva EK MASI** (+4 aligitaj membroj): *Ŝtondina Anna, Valiulina Tatjana, Zatulov Sergej, Zatulova Marija*

**Murmanska E-klubo** (10 membroj): *Davidenko Jelena, Goriĉenko Oljga, Ĵeltuĥina Nadeĵda, Makarov Aleksej, Masiukas Aleksandras Julius, Poĵilova Ljudmila, Poliŝĉuk Valentina, Portsel Nikolaj, Rjazancev Andrej, Romanova Valentina*

**Sankt-Peterburga E-societo "Espero"-2** (10 membroj): *Ejst Svetlana, Kliŝo Nina, Kondratjev Boris, Kosarev Vladimir, Krajuĥin Sergej, Semjonov Vjaĉeslav, Sidorov Anatolij, Skladnova Irina, Ŝevĉenko Oljga, Teluĥ Dmitrij*

### INDIVIDUAJ MEMBROJ

*Arbekova Katerina (Novosibirsk), Belenko Anĵela (Novosibirsk), Ĉajka Oleg (Moskvo), Djerevjanniĥ Sergej (Moskvo), Djomuŝkina Nina (Leningrada reg.), Gadirova Dilara (Toboljsk), Grigorjevskij Andrej (Ĉuvaŝio), Junusov Abduraĥman (Maĥaĉkala), Kopajev Jurij (Orjola reg.), Kulakov Viktor (Jekaterinburg), Kuleŝova Nadeĵda (Sankt-Peterburg), Kuzjmenko Larisa (Niĵnij Tagil), Liskov Andrej (Moskvo), Mamkin Mansur (Tjumenj), Melnikov Aleksandr (Rostov-na-Donu), Obrazcov Konstantin (Tomsk), Osincev Aleksandr (Jekaterinburg), Peĉonkin Andrej (Krasnojarsk), Popov Nikolaj (Jekaterinburg), Radajev Anatolij (Samara), Skvorcova Natalja (Sankt-Peterburg), Uljanova Oksana (Neftejugansk), Uspenskaja Jelena (Jekaterinburg), Vŝivceva Tatjana (Miass), Zaĥarova Valentina (Usinsk)*

### FAMILIAJ MEMBROJ

*Grigorjevskaja Natalja (Ĉuvaŝio), Vŝivcev Timofej (Miass)*

---

***Ĉe la adreso <www.comail.ru/~esperanto/membroj-05.htm> ĉiam eblas vidi aktualan liston de la membroj.***

50 rubloj (por eksterrusianoj – 5 eŭroj) – ***individua kotizo*** (la membrokarto, Jarlibro de REU, REU-bulteno kaj aliaj informoj de REU, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

1250 rub. (por eksterrusianoj – 125 eŭroj) – ***dumviva kotizo*** (ĉio la sama dum la tuta vivo);

25 rub. – ***familia kotizo*** (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

100 rub. + 25 rub. por ĉiu aligita membro (ne malpli ol 5; krom individuaj membroj de REU) – ***kolektiva kotizo*** (po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliaj informoj de REU por la kolektivo; la membrokartoj, voĉdonrajtoj en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj).

*La rabatita abono de REGo por ajna individua membro de REU (inkluzive la dumvivajn kaj familiajn, sed ne por la aligitaj) en 2005 kostos 100 rublojn (por la eksterrusianoj – 12 eŭrojn). La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003 (kaj tial ilia kotizo enhavis la koston de REGo), plu ricevados REGon sen aldona pago. Aliaj dumvivaj membroj (kies kotizo ne inkludis la koston de REGo) por ricevi la gazeton devos pagi ĉiujare la rabatitan abonkoston.*

***La rublaj kotizoj sendendas al: Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская обл.; la eŭraj kotizoj pagendas al la konto reua-p ĉe UEA.***




*post la elekto de la Estraro tiel aspektis la tabulo kun la nomoj de ĉiuj kandidatoj kaj ricevitaj de ili voĉoj*

# Eksciu, ke...

## LF EN VOLGOGRAD

En Volgograd 17.04.2005 sukcese pasis la 4-a regiona Lingva Festivalo. Estis prezentitaj 17 lingvoj: la angla, la armena, tutmonda skribado (iu antikva maniero de skribado), la vjetnama, la hispana, la itala, la kalmuka (eĉ alvenis junulara teamo el Kalmukio por subteni LF), la ĉina, la korea (unuan fojon), la germana, la pola, la tatara, la franca, la cigana, la ĉeĥa, Esperanto, la japana (unuan fojon). Ankaŭ estis lingvaj konkursoj, kie ĉiuj dezirantoj povis provi siajn fortojn en tiu tereno. Post lingvaj prezentadoj okazis internacia koncerto kaj loterio. En LF partoprenis ĉirkaŭ 300 personoj.

***Anatolij Krasnokutskij (Volgograd)***

## FINIĜIS LA VICA E-KURSO EN SANKT-PETERBURG

Finiĝis la vica Esperanto-kurso en Sankt-Peterburg, aranĝita de Sankt-Peterburga Interlingvistika Rondo (SPIRo <www.computer.edu.ru/spiro/>). La kurson gvidis Mikaelo Kolodin (REU-membro) kaj Oksana Burkina (REJM-komitatano). Slavik Ivanov estis invitita por rakonti pri aplikebloj de Esperanto kaj Aleksandr Osokin – por prezenti Esperanto-kantojn. Kursfinintoj planas plian aktivecon en Esperantujo, kelkaj jam veturos al kongresoj.

***Oksana Burkina (Sankt-Peterburg)***

## E-KURSO EN NIĴNIJ NOVGOROD: NOVA PAGSISTEMO

Marte-aprile en Niĵnij Novgorod okazis dekleciona kurso de Esperanto por komencantoj. Sep homoj estis instruitaj laŭ tre interesa luda metodo de Andrej Grigorjevskij. Instruado laŭ ĉi metodo okazis en Niĵnij Novgorod unuafoje. Instruis juna instruisto Alekseo Kozlov, por kiu ĉi instruado estis unuafoja.

Esenco de la metodo estas ĉiama kunligo de lernataj vortoj kaj parolturnoj kun konkretaj agoj kaj situacioj forme de diversaj ludoj. Tiel lernantoj jam ekde la unua leciono multe parolas inter si, lernas aŭskulti kaj kompreni fremdan lingvon. Kaj kunligo kun agoj kaj situacioj donas bonegan eblon memorfiksi ĉion kaj poste en la samaj situacioj kaj dum samaj agoj tuj rememori kaj apliki jam lernitajn parolturnojn.



La metodo tuj pruvis sian efikecon. Lernantoj bone progresis, kaj kiam al la tria leciono venis gastoj, instruitaj antaŭe laŭ ordinara lernolibra metodo, ili ekkriis: "Ĉu estas nur la tria leciono?! La novuloj

jam tiel bonege parolas! Kial oni nin ne instruis tiamaniere?!" Ekde la oka leciono preskaŭ ĉio dum lecionoj estis klarigata per Esperanto. La rusan lingvon oni uzis nur por ega bezono, kiam estis malfacile klarigi iun regulon, aŭ por ankoraŭfoja klarigo por certeco ke lernantoj ĉion komprenis ĝuste.



Kroma novaĵo enigita en instruadon estis sistemo de pago por la kurso. Spertinte multajn kursojn oni tre bone povas vidi ke foje (eĉ tre ofte) homoj preterlasas lecionojn aŭ tute ĉesas viziti ilin. Ĉi tio tute ne dependas de pagendeco de kurso. Ĉi-foje estis aplikita jena sistemo: la kursanoj antaŭpagis po 500 rubloj por tuta kurso, kaj fine de la kurso la mono estis redonata laŭ kondiĉo ke ĉiu preterlasita leciono kostas 100 rublojn. Tiamaniere okazas ke:

1. Se la kursano tre volas lerni Esperanton kaj diligente lernas ĝin, tio kostos al li neniom! Tre taŭgas por malmultehava studentaro.
2. Al tiu, kiu ne volas lerni Esperanton, tio kostos 500 rublojn!
3. Ĉiufoje vizitante lecionon, la kursano kvazaŭ perlaboras 100 rublojn.

Nura manko de ĉi tiu sistemo – se ĉiuj lernantoj bone vizitas la lecionojn, la intruisto perlaboras neniom. Sed kio povas esti pli bona rezulto ol kelkaj novuloj bone parolantaj Esperanton? Do fakte okazis tiel ke estis preterlasita nur unu leciono fare de unu persono, kaj tio okazis pro simpla forgesemo de la lernanto – li forgesis ke vespere okazos vica kursero.

Nun en Niĵnij Novgorod estas je sep Esperanto-parolantoj pli!

***Alekseo Kozlov (Niĵnij Novgorod)***

## SOCIA FORUMO PASIS EN MOSKVO

La 16-17-an de aprilo en Moskvo pasis la unua Socia Forumo, kiu kolektis pli ol 1000 partoprenantojn kaj ĉirkaŭ 100 organizojn. Antaŭe ĝi nomiĝis Moskva Forumo de sociaj iniciatoj kaj kunvenigis dekoble(!) malpli da partoprenantoj. Ĉi-jare ĝi iĝis vere tutrusia, dank' al organizklopodoj de la Instituto de Kolektiva Agado (IKD ruse). Enkadre de la Socia Forumo kun siaj apartaj programeroj pasis ankaŭ Kleriga kaj Junulara forumoj. Ĝuste al la lasta kontribuis REJM.

La unuan tagon oni pasigis en komunaj diskutoj, kies temaro estis riĉega, ekde pli teoriaj "alterglobalismo" (alternativa tutmondiĝo) kaj estonteco de marksismo, ĝis plej konkretaj metodoj de kontraŭstaraj movadoj, funkciado de sendependaj amaskomunikiloj kaj mastrumado de lokaj agadoj. Vespere okazis manifestacio en unu el ĉefaj urboplacoj – Puŝkinskaja. Malgraŭ ke verda E-flago ne aperis inter la

ruĝaj kaj ruĝ-nigraj, estis videblaj 7 moskvaj aktivuloj (Indiano, Benita, Mirina, Sankta, Maksim Ĵitĉenko, Oleg Izjumenko kaj Diana Sakaeva). Poste, aliloke, okazis rondotablo pri la rolo de amaskomunikiloj en soci-tema informado kaj koncerto por partoprenantoj de la Forumo.

La duan tagon ĉiuj ĉeestintoj devis elekti inter samtempaj, sed tre interesaj kaj seriozaj programeroj. Ekde la 10-a matene ĝis la 16-a horo pasis pli ol 30(!) diverstemaj seminarioj, diskutrondoj, trejnadoj. Por la 2-a horo posttagmeze estis planita diskutrondo pri lingvaj rajtoj kaj toleremo kun eta prezento de REJM, iniciatitaj de la respondeculino pri eksteraj rilatoj de REJM. Tamen venis malmulte da homoj, verŝajne pro "neŭtraleco" de la temo, surfone de sufiĉe maldekstraj kaj kontraŭreĝimaj sloganoj de aliaj programeroj. Tiel la diskutrondo iĝis amika rond' de veraj interesiĝintoj. Inter aliaj venis deputito de Parlamento de Udmurtio el Iĵevsk, profesoro de Viena Instituto de kulturaj kaj religiaj rajtoj el Aŭstrio kaj jam konata al ni aktivulino de Junulara Rajtprotekta Movado (MPD ruse). La konversacio rezultiĝis surprize interesa, por la gvidanto de la diskutrondo inkluzive, ĉar unuflanke eblis ekscii, kio reale okazas en regionoj, kie plejparto de loĝantaro origine regas iun lingvon krom la rusa (ekz. en Udmurtio kaj Ĉuvaŝio), aliflanke – kiun sperton rilate al minoritataj aŭ minacataj lingvoj havas eŭropaj landoj (Aŭstrio, Germanio, Slovenio). Bedaŭrinde mankis tempo por priparoli valorojn, kiujn kunsentas esperantistoj, sed evidentiĝis, ke la plej bona argumento estus konkreta kunlaboro en subjektoj de Rusia Federacio. Tamen presitaj Pragaj manifestoj kaj novaj ruslingvaj informiloj pri REJM estis disponeblaj sufiĉkvante en multaj homplenaj anguletoj de la ejo.

La Forumo finiĝis per komuna kunveno, kie estis akceptitaj kelkaj deklaracioj laŭ rezultoj de diskutoj, kaj kelkaj organizoj kaj ties koalicioj anoncis plej proksimajn agojn kaj alvokis al kunlaboro. Tio montris, ke la pasinta Forumo ne estis babil-tipa, sed vere ebligis al multaj aktivuloj konatiĝi, trakti problemojn, pri kiuj oni diversopinias kaj foje agadas unu kontraŭ la alia, anstataŭ trovi konsenton kaj interkomprenon. Estis klare, ke bezonatas asociiĝi, se ni vere volas plibonigi la mondon kaj niakaze – la vivon en Rusio!

Ruslingvaj ttt-ejoj ĉi-teme: <http://www.soc-forum.ru/>, <http://ikd.ru/Campaign/RSF/Article.2005-04-18.395>.

Dankon al Onjo Ĉerniŝova, Tina Sidorova, Slavik Ivanov kaj REU-anoj Nikolao Gudskov, Garik Kokolija, Irina Gonĉarova pro la diversflanka helpo kaj aparte al tiuj, kiuj venis al la Forumo.

***Alla Kudrjaŝova (Moskvo)***

## ESPERANTO ĈE LA INTERNACIA KOALICIO

Majkomence en Sankt-Peterburg okazis la vica konferenco de la Internacia Koalicio "Por Humanismo!".

La Koalicio ekzistas kiel neformala unuiĝo de unuopuloj kaj organizoj, kiuj subtenas kaj disvastigas humanisman vivstilon kaj humanismajn ideojn pri la vivmaniero alternativa al la nuna konsumsocio, pri la harmoniaj homo kaj homaro. Ĉiujare la Koalicio okazigas konferencajn kunvenojn por opini-interŝanĝo kaj ko-

natiĝo. Ruslingva informo troveblas ĉe <www.forhumanism.org>.

Ĉi-jare inter programaj prezentoj troviĝis ankaŭ la prelego de Oksana Burkina “Humanismaj tendencoj en la nuna socio. Lingva aspekto”. Ties mallonga varianto legeblas en la paĝaro de la Koalicio. Krom tiu “baza” teksto, en la prelego estis menciitaj faktoj el lingva vivo de Eŭropo, el historio kaj nuna vivo de Esperanto kaj Esperanto-komunumo. En t.n. libera diskuto, kiu okazas por pridiskuti ĉiun prezenton kaj ellabori finan deklaracion de la konferenco, partoprenantoj interŝanĝis impresojn, kaj la temo de Esperanto estis aktive diskutata. Laŭ opinio de koalicianoj, esperantistoj jam sekve de sia lingvoelekto subtenas humanisman pens- kaj agaddirekton kaj tiamaniere estas samideanoj por la Koalicio. Krom iom neatendita granda entuziasmo de partoprenintoj, la rezulto estis la decido uzi ankaŭ Esperanton en eksteraj rilatoj de la Koalicio, rekomendo al ĉiu koaliciano lerni kaj uzi ĝin, decido skribi amikan alvokon al esperantistaro kun invito al kunlaboro kaj decido strarigi rilatojn kun esperantlingvaj humanistoj kaj humanismaj organizoj.

Post la konferenco multaj vere komencis lerni Esperanton, plejparte per libroj kaj per retaj ebloj. En la forumo de Humanisma Unio de Junularo (rusia organizo, unu el membroj de la Koalicio) aperis aparta temo “Esperanto”...

***Oksana Burkina (Sankt-Peterburg)***

– Saluton, sinjoro Kruko! Kiom longe mi vin ne vidis, kien vi malaperis? Kiom multe vi ŝanĝiĝis! Vi estis dika, malalta, preskaŭ kalva, sed nun vi fariĝis alta, svelta kaj krisphara.
– Sed mi ne estas Kruko!
– Ho, vi ŝanĝis ankaŭ la familinomon?

***(per-esperanto-humuro)***

## NESTo – NATURISTA ESPERANTISTA SOMERA TENDARO

Esperanto-klubo de Niĵnij Novgorod invitas ĉiujn naturemulojn viziti la vican NESTon – Naturistan Esperantistan Someran Tendaron. La tendaro okazos jam la trian fojon. Vin denove atendas bela naturo de la apudurbaj arbaroj, pura rivero, varma suno, interesaj konkursoj kaj donacoj de INOE – Internacia Naturista Organizo Esperantista. La tendaro okazos de la 9-a ĝis la 17-a de julio. Pliajn informojn vidu ĉe la retejo <http://boogier.chat.ru/nesto>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## AROMA JALTO EN 2005

Foriris al historio la 17-a lingva Esperanto-festivalo. 114 esperantistoj el 38 loĝlokoj de 11 landoj partoprenis ĝin ĉi-jare.

La lingva programo estis streĉa, kion fakte strebis atingi la organizantoj. Okazis kursoj, por plialtigi la lingvonivelon, en 4 grupoj. Du grupoj por komencantoj sub gvido de Anna Dubrovina (Kievo) kaj Katerina Semjonova (Berdjansjk); paroliga grupo, gvidata de Ole Pokotilo (Kievo) kaj perfektiga, kies gvidanto d-rino Ilona Koutny, membro de la Akademio de Esperanto, estas ankaŭ gvidanto de Interlingvistikaj Studoj en Poznan, Universitato Adam Mickiewicz. Fine de la festivalo okazis ekzamenoj en la grupoj de komencantoj. 25 sukcesintoj ricevis la atestojn.

Krome, okazis 2 seminarioj por E-instruantoj. La seminarion por eduko de Cseh-metodaj instruistoj gvidis Tereza Kapista (Beogrado). Ĝin partoprenis pli ol 10 esperantistoj, sed ricevi la atestojn rajtis nur 6 personoj. La seminarion pri instrumaterialoj gvidis Ana Montesinos (London).

La turisma parto same estis streĉa. Ekskursoj: tra la urbo, al Baĥĉisaraj, al Alupka, Livadia palacoj, al Nikita Botanika Ĝardeno; piedmarŝoj: laŭ Cara pado al "Hirunda nesto", laŭ Botkina pado, al Masandra palaco; 2-taga turista marŝo al la kavernoj de Ĉatirdag.

Dum juĝproceso okazas pridemandado de atestanto.
– Atestanto, ĉu vi bone konas la juĝaton?
– Jes. Ni kune laboris en banko.
– Kiam tio estis?
– Proksimume antaŭ du monatoj. Ĉirkaŭ la kvara horo matene.

***(per-esperanto-humuro)***

Interkona vespero kaj KGS, koncertoj de Pavel Moĵajev, jaltanoj, pola koruso "Gaja velo", Esperanto-filmoj, demonstritaj de Tatjana Auderskaja (Odeso) kaj Aida Cizikaite (Kaunas), aligatorejo kaj anekdota rondo, "Kio? Kie? Kiam?" kaj solena fermo, dancado – jen koncize estas programeroj de la vespera parto de la "Aroma Jalto". Nature okazis aliaj gravaj improvizaj aranĝoj ekster la programo, sed ili estis tre diversaj, delikataj, intimaj kaj multenombraj.

Malkrokodilan konkurson gajnis kelkaj partoprenantoj, precipe eksterlandanoj, kaj "Miss" kaj "Mister" Aroma Jalto-2005 estas elektitaj Aleksandra Kuguŝeva (Sebastopolo) kaj Pavel Moĵajev (Simferopolo).

La adiaŭa amika rondo disigis nin espereble ĝis la sekva 18-a lingva Esperanto-festivalo Aroma Jalto.

***Volodimir Hordijenko (Ukrainio)***

## AROMA JALTO EN 2006

Ukrainaj esperantistoj invitas vin viziti la plej prestiĝan kuraclokon de Ukrainio, la krimean urbon Jalta. Tie dum la 29.04-09.05.2006 okazos tradicia, jam la 18-a lingva E-festivalo "Aroma Jalto". Belega ekzotika naturo, altaj montoj, senlima Nigra maro, florantaj kreskaĵoj, historiaj kaj naturaj vidindaĵoj inspiros Vian animon, kaj la aranĝo iĝos neforgesebla evento de la jaro. Krimeo ĉiam allogis multajn homojn, kiuj strebas alten. Famaj verkistoj, poetoj, pentristoj vizitis tiun ĉarman bordon de la duoninsulo por krei siajn ĉefverkojn. Venu kaj komprenu, kial Krimeo estas nepre vizitenda almenaŭ unufoje en la vivo, des pli en la gastama kaj amika Esperanto-etoso.

La programo: seminarioj por Esperanto-instruantoj; lingvaj diversgradaj kursoj; Universitato; ekskursoj, piedmarŝoj; koncertoj; KGS; ludoj.

Eventualaj prezoj. Loĝado: en 2-litaj ĉambroj kun luksaĵoj – kontraŭ 7 eŭroj tage; en 3-litaj ĉambroj kun luksaĵoj – kontraŭ 6 eŭroj; en 4-litaj ĉambroj kun lavabo kaj necesejo – kontraŭ 5 eŭroj; en 5-litaj ĉambroj sen luksaĵoj – kontraŭ 3 eŭroj. La loĝado ne estas ebla sen nutrado. Manĝado en la bazejo estas 3-foja, kontraŭ 5 eŭroj tage.

Lingva ordo – tradicie severa. Nulaj komencantoj ne estas akceptataj. Dum la registrado ĉiu partoprenanto memstare plenigas la aliĝilon kaj respondas simplajn

demandojn.

Aliĝkotizo por la rusianoj estas 6 eŭroj antaŭ 01.03.2003, 10 eŭroj surloke. Kontribuantoj al la programo havos rabaton laŭ interkonsento.

La organiza komitato: Volodimir Hordijenko (Kievo, ĉeforganizanto, loĝado, sportaj aranĝoj), Atilio Orellana Rojas (Den Haag, la seminario por E-instruantoj), Ana Montesinos (London, Seminario pri instrumaterialoj), Ole Pokotilo (Kievo, paroliga grupo, Verda polico), Anna Dubrovina (Kievo, komencanta grupo), Oleksandra Gricenok (Kievo, informtabulo, Universitato), Katerina Semjonova (Berdjansk, Interkona vespero, KGS), Aleksandro Koval (Gomel, retpaĝo, koncertaj programeroj), Jelena Snigirjova (Jalto, ekskursoj), Vjaĉeslav Katin (Jalto, piedmarŝoj, lokaj zorgoj), Miĥail Ĵdanov (Jalto, ornamado, artaĵoj, lokaj zorgoj).

La aliĝkotizon bonvolu sendi al Volodimir Hordijenko ĝis la 1-a de marto 2006 laŭ la adreso: UA-01133, Kijiv-133, p.k. 35. Por la kontaktoj: tel. +7-10-38044-2851701; rete <volodimir_h@yahoo.com>, <www.aromajalta.by.ru>.

La 2-an informleteron ricevos ĉiuj aliĝintoj. Bonvenon al E-parolantoj!

***(landa agado)***

## FORPASIS LUDOVIKITO

Post multjara malsano forpasis la 25-an de aprilo en Kioto s-ro Ito Kanzi, en la Esperanto-movado konata kiel Ludovikito. Li naskiĝis la 15-an de januaro 1918 kaj esperantistiĝis en 1959. Ke li eklernis Esperanton en la sama jaro, kiam oni festis la 100-an datrevenon de la naskiĝo de L.L.Zamenhof, kvazaŭ aŭguris, ke kolektado kaj publikigo de la verkoj de d-ro Zamenhof estis fariĝonta lia vivoverko, al kiu li sin komplete dediĉis dum pli ol tri jardekoj.

Kiam UEA petis lin verki biografieton pri si mem por la revuo “Esperanto”, la linioj, kiujn li verkis, krom la jaroj de liaj naskiĝo kaj esperantistiĝo menciis nur: “komencis eldonadi la pvz-on en 1973”. Tiu modesta informo kaŝis en si kolosan laboron, pro kies eksterordinara valoro la Komitato de UEA distingis s-ron Ito per la honora membreco de la Asocio en 1990. La minuskle skribita PVZ – Ludovikito konsekvence ne uzis majusklojn – estas mallongigo de Plena Verkaro de Zamenhof, al kiu li aldonadis la vortojn “iam kompletigota”, ĝis li fine povis anstataŭigi ilin per “iel tiel kompletigita”. En tre bela fizika prezento tiu kompleto konsistas el 16 volumoj da originalaĵoj, 7 volumoj da tradukoj kaj 8 miks-enhavaj kromkajeroj. Laŭ alia redakta koncepto Ludovikito kunmetis ankaŭ tri volumojn de “iom reviziita plena verkaro de l.l.zamenhof” (Originalaroj I-III). Tria serio estas Ludovikologia Dokumentaro, “eble neniam kompletigotaj necesaj aldonoj al la pvz”, kies plano antaŭvidis 26 volumojn, el kiuj aperis 21.

Antaŭ ol komenci sian laboregon pri la verkoj de Zamenhof, Ito Kanzi verkis pli ol 4000-paĝan japanlingvan biografian romanon pri la aŭtoro de Esperanto. Ĝia unua volumo aperis en 1967 kaj la sepvoluma verko kompletiĝis en 1973.

Iom pli frue forpasis ankaŭ s-ino Maeda Kimiko, kiu mortis 77-jara la 21-an de januaro. Menciita en la verkoj de Ludovikito kiel “unusola mia amikino”, ŝi estis lia sekretario en la eldonejo, kie s-ro Ito laboris kiel redaktoro de medicinaj faklibroj. Ŝi eklernis Esperanton kune kun s-ro Ito kaj estis poste, sub la pseŭdonimo

"emilia k. m. ĝojkampf", unu el la tri "provizoraj komitatanoj" de PVZ. Ĉiujn verkojn de Ludovikito ornamis litografaĵoj de ŝia fratino, Tanaka Sachiko, plumnome "m. fruscieva".

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 205)***

## NOVAĴOJ EL LITOVIO

La 23-an de marto 2005 la urba konsilantaro de Vilnius akceptis proponon de Litova Esperanto-Asocio okaze de la 90-a jubilea UK en Vilnius nomi unu straton de litovia ĉefurbo je nomo de Ludoviko Zamenhof. Laŭ decido de la urba konsilantaro tiu strato estos en Fabijoniskes, unu el novaj regionoj de Vilnius. La inaŭguro de la strato okazos dum la kongreso julie. Ankaŭ oni konsideras starigi tie specialan tabulon, sur kiu estos surskribo, ke tiu ĉi strato ricevis la nomon de L.Zamenhof okaze de jubilea UK en Vilnius.

La 15-17-an de aprilo 2005 en Respublika Instruista Domo en Vilnius okazis jam la 8-a tradicia librofoiro-festo "Printempo de libroj". Ĝin partoprenis pli ol 30 litovaj eldonejoj kaj eldonejo de komunumo de litovoj en Pollando. Jam la trian fojon tiun ĉi librofoiron partoprenis kaj havis konstantan tre solidan standon Litova Esperanto-Asocio. En esperantista stando estis eksponataj kaj vendataj kelkaj dekoj da libroj en Esperanto kaj pri Esperanto, dum lastaj jaroj eldonitaj en diversaj eldonejoj de Litovio kunlabore kun Litova Esperanto-Asocio. Ankaŭ estis granda atento direktita al la venanta jubilea 90-a UK en Vilnius julie ĉi-jare – pri tio atentigis kongresaj afiŝoj kaj diversaj eldonaĵoj. Ĉe la stando konstante dum tri tagoj deĵoris esperantistoj de Vilnius, vendis librojn, klarigis al la interesiĝantoj pri Esperanto, disdonis senpagajn informilojn pri Esperanto, invitis al Esperanto-kurso. Krom la eksponado kaj vendado de libroj dum tri tagoj okazis multaj kulturaj aranĝoj (prezentoj de novaj libroj, renkontiĝoj kun aŭtoroj kaj eldonistoj, koncertoj, ekspozicioj k.s.). En la ekspozicio de la plej novaj libroj Litova Esperanto-Asocio prezentis 10 eldonaĵojn aperigitajn fine de 2004 kaj komence de 2005. La aranĝo altiris atenton de amaskomunikiloj. Esperantistan standon prizorgis respondeca sekretariino de Litova Esperanto-Asocio Irena Alijoŝiute helpe de multaj ĉefurbaj esperantistoj.

Pro meritoj en popularigo de Vilnius kaj pro instigo de internacia agnosko de Litovia ĉefurbo okaze de la 50-jariĝo kaj la 35-jariĝo de esperantistiĝo prezidanto de Litova Esperanto-Asocio Povilas Jegorovas estas honorigita per dankfolio de la urbestro de Vilnius Arturas Zuokas. Tio ĉi estas rezulto de kelkjara kunlaboro de Litova Esperanto-Asocio kaj la municipo de Vilnius en preparado de la 90-a jubilea Universala Kongreso de Esperanto, okazonta la 23-30-an de julio 2005 en Vilnius.

La 15-an de marto 2005 en Vilnius prezidanto de Litova Esperanto-Asocio Povilas Jegorovas kaj direktoro de renoma Instituto pri eldonado de sciencaj kaj enciklopediaj libroj Rimantas Kareckas subskribis kontrakton pri eldono de tri novaj libroj. Temas pri libro de Robert Philipson "Ĉu nur angla Eŭropo?" (traduko el la angla), libro de Rene Centassi kaj Henri Masson "Homo, kiu defiis Babelon" (traduko el la franca) kaj originale en litova lingvo verkita libro de direktoro de

Vilniusa teknika kolegio, estrarano de Litova Esperanto-Asocio Algimantas Piliponis "Sociaj lingvaj aspektoj de merkatado de nuntempa lingva komunikado". La unuaj du libroj aperos en po 1000 ekz., la tria – en 500 ekz. Tio estas jam la dua kontrakto inter Litova Esperanto-Asocio kaj tiu ĉi instituto. Laŭ la unua kontrakto estis antaŭvidite eldoni sep librojn, el kiuj ses jam aperis. La sepa aperos ĝis la 90-a jubilea UK en Vilnius ĉi-jare.

***(esper-inform)***

## "ESPERANTO NEDERLAND" 100-JARA JUBILEO

En aŭgusto de tiu ĉi jaro en Nederlando oni festos la 100-jariĝon de lande organizita Esperanto-movado. La marborda "Egmond aan Zee" gastigos esperantistojn el la lando kaj el najbaraj regionoj. Alparolos la kunvenon i.a. la Litova ambasadoro. Ankaŭ la jarkunveno de la asocio havos aparte festan karakteron. Oni petas gratulmesaĝojn per papera poŝto aŭ per e-poŝto. La adreso estas *Asocio Esperanto Nederland, ĉe s-ino J.Hoobroeckx, Marquettelaan 33, 1964 JR Heemskerk, Nederlando*; rete <*informado@esperanto-nederland.nl*>. Viaj mesaĝoj atingos la festantojn kaj poste estos kolektitaj en ekspozicio.

***Ans Bakker-ten Hagen (Nederlando)***



***La 28-an de aprilo geedziĝis Nadeĵda Ĥaritonova kaj Vitalij Malenko – du aktivuloj de nia landa junulara movado. La nuptofesto okazis en Prago. Gratulojn al la nova E-familio!***

## LAŬREATOJ DE EoLA-17

***Jekaterinburg, la 02-05-a de majo 2005***

### Ĉefaj premioj




*la ĉefrolantoj de la teatraĵo "Marvirineto"*

***Novosibirska E-klubo*** – pro la teatraĵoj "Ora ansero" kaj "Marvirineto".

***Tjumena E-klubo*** – pro la teatraĵo "Mocart' kaj Saljeri".

***Bronislav Ĉupin*** (Iĵevsk) – pro la partopreno en poezia konkurso.

***Novosibirska E-klubo*** – pro la kanto "Terkabaneto".

***Anna Maciboruk*** kaj ***Konstantin Ĥlizov*** (Krasnojarsk) – pro ĝenerala kontribuo al la programo kaj konkursoj de EoLA.

### Premioj

***Katerina Arbekova*** (Novosibirsk) – pro la preparo de novosibirskaj kontribuoj.

***Julija Bajborodina*** (Novosibirsk) – pro artistismo en la roloj.

***Anĵela Belenko*** (Novosibirsk) – pro la kanto kaj fabelo.

***Aleksandr Belov*** (Tiĥvin) – pro la prezento de humuraĵoj.

***Jekaterina Gajdukova*** (Novosibirsk) – pro la plej bona rolo.

***Anatolo Gonĉarov*** (Krasnojarska reg.) – pro la humuraĵo.

***Nikolaj Neĉajev*** (Irkutsk) – pro la versaĵoj.

***Anatolo Radajev*** (Samara) – pro la tradukoj el N.Hohlov.

***Margarita Reŝetnikova*** (Jekaterinburg) – pro la proverboj.

***Oljga Tiĥomirova*** (Tiĥvin) – pro la kantoj.

***Tatjana Vŝivceva*** (Miass) – pro la fabelo.



*Margarita Reŝetnikova*

# L A T E R K A B A N E T O

***muziko de K.Listov, teksto de A.Surkov, tradukis P.Stepanov***

Viglas en la forneto la flam',
Gutas larme de l' ŝtipoj rezin',
Harmoniko kantetas pri l' am'
Kaj pri via ridet', amatin'.

Al mi flustris arbustoj pri vi
Apud Moskvo en neĝa kampar'.
Volas mi, ke aŭdeblu al vi
Mia voĉ' pri sopir' kaj amar'.

Nun vi estas tre fore de mi,
Inter ni nun senfinas neĝar';
Longa estos la vojo ĝis vi –
Ĝis la morto – da paŝoj nur kvar'.




*la novosibirska koruso prezentas la kanton*

Kantu vi, harmoniko, pri l' am',
Spite al la milito kaj vent'.
En la terkabaneta malvarm'
Min varmigas la arda amsent'.

## "EŬGENO ONEGIN" APEROS EN "ORIENTO-OKCIDENTO"

La Estraro de UEA decidis aperigi en la prestiĝa libroserio "Oriento-Okcidento" la versromanon de Aleksandr Puŝkin "Eŭgeno Onegin", kiun tradukis moskva poeto kaj literaturisto Valentin Melnikov. En ĉi tiu serio aperas verkoj aparte gravaj kaj reprezentaj de la nacilingvaj literaturoj de diversaj landoj en la Okcidento kaj Oriento. Ekde 1961 aperis 39 numeritaj kaj du sennumeraj volumoj. Ĝis 1991 en "Oriento-Okcidento" la rusan literaturon reprezentis "Elektitaj fabloj" de Ivan Krilov, aperinta eksterlande en 1979. Sed ekde 1991 la serio riĉiĝis per "La majstro kaj Margarita" de Miĥail Bulgakov (tradukis Sergio Pokrovskij), "Krimo kaj puno" de Fjodor Dostojevskij (Andrej Parfentjev) kaj "Malvivaj animoj" de Nikolaj Gogol (Vladimir Viĉegĵanin). "Eŭgeno Onegin" havos la numeron 40 en la serio. La traduko de Valentin Melnikov aperos en julio 2005. Ĝi estos aĉetebla dum la 90-a Universala Kongreso de Esperanto, kiun la tradukinto partoprenos. Sed jam nun legu fragmentojn el la traduko, kiuj aperis en 2003 en "La Ondo de Esperanto": <http://www.esperanto.org/Ondo/Ondo/104-lode.htm#104-20>.

***(esperanto-rus-informoj)***

# *Mikaelo Bronŝtejn*

## REVUO de REVUOJ

Ha-lo, ha-lo! Parolas **Fola Radio** en Esperanto. Kiel ĉiam salutas kaj bonvenigas vin kore via **Balpara Pidĵak**. Karaj geaŭskultantoj povas trovi nin en ĉiuj ondolongoj, grandoj kaj larĝoj…

La temo de nia hodiaŭa dissendo estas subrigardo de niaj **espe-vantaj** gazetoj.

Ĵus atingis nian redakcion freŝa numero de **"La Ronko de Nespiranto"**. En la rubriko "**Tribano"** ties sindonema **reduktoro Salamander Skurĝenkov** publikigas sen eĉ minimuma moderigo aŭ cenzurado la opiniojn de legantoj, laŭdantaj la revuon kaj mem la reduktoron. **"LRdeN"** informas pri **lunĉo** de la **Almoko** por **Nova Ekstero**, farita de kelkaj **enminutaj graveduloj**. Estas intervjuata interalie la **Sensulo de la Esperanta Subito**, sinjoro **Maŭzer Boljazny**, kiu diris ke la **Almoko**, mi citu: "ne kritikas obscenaĵojn, nur emfazas, ke en la Subito ekzistas tiu abunda **sintetika facila vento**, kiu mankas aliloke." Fino de la citaĵo. La muzikrecenzanto de "La Ronko" **Blago Malnormalcev** ĉi-foje ne nur pikas siajn ŝatatajn kvakantajn papagojn, sed ankaŭ grave subtenas la bandon **"Bolĉe-mar'"**, mi citu: **"Mi esperas, ke mia polica tono provokos la bandon krei ion…"** Fino de la citaĵo.

La vican numeron de **"KadREGo"** kutime plenigas raportoj de ĉarmaj infanoj pri ĉuokazintaj-okazontaj-okazuntaj junularaj eventoj. La **ridaktoro Senzorgij (Suĥarik) Fenkolija** eĉ plidensigis la supon, aldoninte al tiuj raportoj vican longegan kaj enuan fanfaronadon de **Senmielo Portvejn** pri ties **trelegvojaĝo** al kvarlandaj kantinoj kaj kantistinoj. Tamen unu publikita materialo provokis sinceran intereson de la legantoj. Temas pri la jubileula listo por la jaro 2005. Eĉ la reton skuis vigla diskuto, lanĉita de fraŭlinoj **Tegita Puramuro** kaj **Bolis Samogonker**, kiuj pridubis la aĝon de samideanoj X, Y kaj Z kaj petis ke la redakcio urĝe komuniku iliajn familiajn kaj financajn statojn.

La unua ĉi-jara numero de **"Pacienco kaj torturo"** regalas la legantojn per mondrenversa **pacienca** hipotezo de famega doktoro de **medicina pacienco A.Fortepjan**. La doktoro asertas, ke sciante la precizan daton kaj lokon de la koncipo pere de simpla magneta kampo, eblas ne nur influi naskiĝon de knabo aŭ knabino, sed ankaŭ enmeti la emociajn trajtojn de la estonta karaktero, la emon al certa esperantista agado kaj **certan monsumon en la poŝon de la ĉemizo, en kiu naskiĝos la bebo**. Pri la **tortura** parto ni intervjuos mem la modestan fajfanton de la revuo, s-anon **Malodaj.** Sed pro kompreneblaj kaŭzoj tio okazos post la noktomezo.

Laŭkutime tre ĉarma estas la freŝa revuo **"Kundancanto",** brave redoktata de s-ano **Nestor Mudrjavcev**. La plej impresa paĝo de la numero estas **"Lignaj respondoj"** de certa **LLZ**, kie estas publikita lia antaŭjarcenta sed plu aktuala respondo sub titolo **"Pri idiotoj en Esperanto"**.

Ni ricevis ankaŭ freŝajn numerojn de **"Desurlatura foriro", "La Parcel-Peniko", "Libela talio", "Puna amiko"** kaj aliajn. Sed nia tempo elĉerpiĝas, do la subrigardon de tiuj ni prezentos en nia vica disaŭdigo.

Ĝis la reaŭdo!

---

# MERDUZOJ

## *(trejna skeĉo pri diskutado en la retejoj)*

***Enkondukaj klarigoj de la aŭtoro:***

*1. Kvankam la skeĉo estas destinita ĉefe por retumantoj, ĝi estas esence universala: dezirantoj povas surscenigi ĝin kiel teatraĵon aŭ opereton. Tiuokaze bonvolu peti konsilon de la aŭtoro pri preferataj voĉoj por la roluloj.*

*2. La aŭtoro intence ne prezentas plenan tekston por ĉiu rolulo – devas ja, liaopinie, esti ia spaco por talenta improvizo! Tamen li sentas sian devon iel limigi eventualan troimprovizon, do montras maksimuman volumenon de ĉies mesaĝo (parolo, ario) en krampoj per kB aŭ mB.*

*3. Kurtegan karakterizon por ĉiu rolulo la aŭtoro prezentas enkrampe tuj post eniro de la rolulo en la retdiskutadon.*

*4. Ĉiuj roluloj estas fikciaj – ili aperis kiel duonebria elpensaĵo de la malsobra aŭtoro. Simileco al certaj personoj povas okazi nur hazarde pro imaginflamo de certaj personoj.*

**Harri Kolli** *(trankvilega estono)*: – Saluton! Mi prezentas al la listanoj freŝan novaĵon diskutendan. La Asocio Sudalanda vendis al la nia merduzojn grandkvante kaj – trankviliĝu – etpreze. Merduzoj estas, onidire, tre utilaj por sano korpa kaj mensa. Ju pli aktive ni manĝos ilin, des pli sanaj estos ni ĉiuj. Sed, bedaŭrinde, la importintoj ne provizis la varon per konvena instrukcio pri kuirado kaj manĝado de la produktaĵo. Mi petas listanojn urĝe interŝanĝi ideojn kaj opiniojn, ĉar la tempo por konservi la merduzojn estas limigita. *(18 kB)*

**Ardeo Pitoresku** *(diketa sudulo)*: – Fakte mi dum sufiĉe longa tempo ne okupiĝis pri konsumado de merduzoj. Mi estis ekster tio kaj eĉ nun mi ne certas, ke mi volas reveni al tio. Mi eniras la diskuton nur por difini, ĉu manĝado de merduzoj jam denove interesas min. *(1,1 mB)*

**Kolin Goodscou** *(impulsema irlandano)*: – Kamaradoj! Ni nepre devas trovi la solvon de tiu problemo. Tamen mi, okupiĝanta pri ĝi dum konsiderinde longa tempo, ne plu deziras esti la ĉefa aŭtoritato, des pli ĉar la aŭtoritato jam mankas. *(850 kB)*

**Selesten Guru** *(nekomprenebla persono)*: – Bravulo Kolin! Honestulo! *(sekvas ripeto de plenaj tekstoj de la du antaŭaj mesaĝoj, sume ĉ. 2 mB)*

**Muelisto Valentinov** *(muelisto)*: – Ha-ha-ha! Tri ha-ha! Samideano Pitoresku – estu honesta! Mi scias, ke vi treege, enorme deziras manĝi, ne – voregi niajn merduzojn! Ĉar oni vin eksigis el la kapa asocio pro tro aktiva manĝado. Vi havas nenioman kulturan imagon pri tiu proceso! Nek programon, nek freŝajn ideojn, nek receptojn. Sed vi pretendas gvidi la manĝadon! Tri ha-ha! Dekomence prezentu vian programon! *(150 kB)*

**Ardeo Pitoresku**: – Mi estis eksiĝinta el la kappa firmao pro miaj familiaj problemoj – ne tuŝu ilin. Mi ofte klarigas mian programon – ĝia esenco estas, ke ne estu ia programo. Sed se la anaro konfidos al mi instruadon pri manĝo de merduzoj, mi eble konsentos fari tion por la certa rondo de kunmanĝantoj. *(760 kB)*

**Muelisto Valentinov**: – Diru al avinjo! Mi estas sufiĉe sperta por deĉifri viajn trukojn! Uzante la rimedojn de KIP (Kaciga influprogramo) vi trompas la popolon por uzurpi la potencon kaj formanĝi ĉiujn merduzojn – tute sen programo. Kaj sen utilo! *(150 kB)*

**Kolin Goodscou**: – Tamen, s-ano Valentinov, vi ne pravas. Samideano Pitoresku iam estis sperta pri merduzoj, poste li elektiĝis al la supera merduzmanĝa asocio – tio ja atestas ion! Se eĉ li ne havas programon nun – li havos ĝin poste. Ĝi aperos per diskutado en la Certa Rondo. *(280 kB)*

**Muelisto Valentinov**: – Ha! Neniu ŝatas kritikon! Sed vi devas akcepti ankaŭ ĝin – nur tiam viaj merduzoj portos utilon. Cetere, kiu scias, kio ĝi estas – merduzo? *(150 kB)*

**Skatolo Janiĉarov** *(saĝa siberiano)*: – Mi provos respondi al vi, sed ĉu vi scias la sistemteorion? Aliokaze miaj klarigoj devus esti tro longaj sub hi-hi-kado de preterscienciaj personoj en la listo. *(650 kB)*

**Selesten Guru**: – Bravulo Muelisto! Ni kuraĝe akceptu kritikojn! Ankaŭ mi atendas sinceran klarigon de Ardeo pri la merduzoj! *(Sekvas plenaj tekstoj de la tri antaŭaj mesaĝoj, sume ĉ. 1,1 mB)*

**Harri Kolli**: – Mi avertas, ke mi moderigos s-anon Guru pro longaj vostoj el antaŭaj mesaĝoj. *(15 kB)*

**Vespo** *(anonimulo)*: – Do, vi eĉ ne konas tiom simplajn aĵojn! Ha-ha! Ankaŭ mi ne konas! Ha-ha! Do, kion vi havas kontraŭ s-ano Pitoresku? Kial vi konstante kontraŭas lin? Ĉu ne plaĉas al vi lia vizaĝo? *(230 kB)*

**Muelisto Valentinov**: – Kial do li plaĉu al mi? La sama profilo purova! Sed kiu vi estas? Mi ne deziras vidi anonimulojn en la listo! Sufiĉas la merduzoj! *(150 kB)*

**Harri Kolli**: – Mi avertas, ke mi moderigos s-anon Valentinov pro mencio de ovoj. *(18 kB)*

**Vespo**: – Ĉu gravas, kiu mi estas? Mi estas multaj. Nun mi estas eble Ponton

Skvernij. Sed tio ne gravas absolute. Mi volas scii, kio estas merduzoj, kaj kiel oni manĝas tion. Ni volas scii. Ĉiuj ni volas scii! *(230 kB)*

**Muelisto Valentinov**: – Aha! Nun mi scias, kiu vi estas, sinjoro Skvernij! Antaŭe oni nomis vin Klozeto, kio signifas eta klozo! Cetere, via multo similas ordinaran skizofrenion. Ĉiuj vi ne bezonas sciojn pri merduzoj – instrui vin estas vana tempoperdo. *(150kB)*

**Selesten Guru**: – Brava knabo estas Vespo! Ne timas malkovri sian nomon! Eĉ ĉies nomojn. *(Sekvas kopioj de la kvar antaŭaj mesaĝoj, sume ĉ. 1 mB)*

**Harri Kolli**: – Mi fortranĉos la voston de s-ro Guru! Ja mi avertis! Kaj mi avertas, ke mi moderigos Mueliston pro mencio de klozo, ĉar mi ne scias, kio ĝi estas. *(18 kB)*

**Mordeĥaj Ferŝtejn** *(duonfranco, duonjuristo)*: – Niĥt ferŝtejn! Homoj, revenu al niaj ŝafoj! T.e. al niaj merduzoj. Mi gratulas la ĉefmanĝulon Ardeon Pitoresku – estas bonŝanco, ke ni havas lin. Aŭ li nin – ne gravas. Sed mi proponas, ke li pli rapide komencu la manĝadon, kaj raportu pri ĝi post ĉiuj tri monatoj. *(90 kB)*

**Selesten Guru**: – Bravulo Niĥt Ferŝtejn! Sed mi proponas, ke Pitoresku raportu ĉiumonate. *(15 kB)*

**Harri Kolli**: – Aha! Mi fortranĉis vian voston, s-ano Guru! *(18 kB)*

**Skatolo Janiĉarov**: – … la gvidismo denove venkis! *(200 kB)*

**Kefirina** *(tre aktiva samideanino)*: – Homoj! Mi partoprenis antaŭ nelonge manĝadon de… eble de la merduzoj. Mi ne povas rememori ekzakte. Sed mi faris gravan kaj tute pravan konkludon: la unua parto estas ekscelenca. Bedaŭrinde, la dua estas tute magra. Ni devas zorgi pri ampleksigo kaj kvalitigo de la dua parto. Mi proponas nutri la merduzojn dum kelkaj monatoj, poste elekti taŭgajn por konsumo. *(280 kB)*

**Harri Kolli**: – Mi avertas, ke mi moderigos s-inon Kefirina pro uzo de la vorto "merduzoj" po parte. *(18 kB)*

**Kolin Goodscou**: – Tio estas maldemokratia! Ĉiu havu liberon por eldiri ĉiun ajn vorton eĉ po unu litero sinsekve! Ne uzurpu la retliston, s-ano Kolli! *(130 kB)*

**Ardeo Pitoresku**: – Kefirina multe pravas. Mi, scianta ĉion pri merduzkonsumado, ŝatus konigi al vi la historion. Tre mallonge. Ni komencu de la jaro 1812. Tiam la merduzoj estis tre grandaj, sed kostis tre multe – pro la Civila milito… *(sekvas historio de ĉiuj merduzmanĝadoj, sume 3,5 mB)*

**Hektoro Muŝoloviĉ** *(rigorega ulo)*: – Mi korektu la estimatan s-anon Pitoresku. Unue, la Civila milito okazis ne en 1812, sed en 1861 – en Usono. Ĝi apenaŭ povis influi la prezojn en Eŭropo. Due, estas misinformo pri la kvantoj de manĝitaj merduzoj en 1873, 1904 kaj 1956. *(120 kB)*

**Ardeo Pitoresku**: – Mi ĉiam estas malsatdormanta organizanto… Sed viaj korektoj estas sfero de onidiroj… Mi memoras tute alion. *(1,1 mB)*

**Selesten Guru**: – Bravulo Ardeo! La historio ja ne estas vosto hundaĉa! I.a. mi sendas la mesaĝon frumatene, kiam dormas tiu moderigisto! Mi ne ŝatas, kiam oni fortranĉas mian ion. *(sekvas la kvin antaŭaj mesaĝoj, sume ĉ. 6 mB)*

**Skatolo Janiĉarov**: – Mi ne scias kio estas merduzoj. Sed jam plurfoje mi estis proponinta por ties kuirado kaj manĝado la metodojn, priskribitajn en la teorio de sistemevoluo. Tiuj metodoj estas taŭgaj por ĉio ajn. Ĉar ili estas sciencaj. Kiu estas kontraŭ scienco, tiu neniam sukcesos korekte manĝi merduzojn. *(540 kB)*

**Muelisto Valentinov**: – Aperas la demandoj, al kiuj mi ŝatus argumentitan respondon: 1. Kial s-ano Janiĉarov opinias, ke li ĉi tie estas la sola kompetentulo pri la teorio? 2. Kial s-ano Janiĉarov certas, ke li mem komprenis la teorion korekte? 3. Kial s-ano Janiĉarov entute opinias ĝin scienco? Ŝovu li sian teorion en… *(150 kB)*

**Harri Kolli**: – Mi vekiĝis. Mi avertas, ke mi moderigos s-anon Valentinov pro uzo de la tripunkto. Kaj mi fermas aliron al la listo por s-ano Guru – por tri tagoj. Por ke li ne emu ŝteliri en la liston dum mi dormas. *(18 kB)*

**Kolin Goodscou**: – Vi iĝas pli kaj pli maldemokratia! Ne ŝtopu la buŝon al aktivuloj! *(230 kB)*

**Harri Kolli**: – S-ano Goodscou, vi vane akuzas min. Mi zorgas kaj zorgos pri pureco de la retlisto, eĉ se ni diskutas pri merduzoj. Se vi ne ŝatas tion – iru en … (Mi avertas, ke mi moderigos min pro uzo de tripunkto!) Iru en alian diskutejon! *(18 kB)*

**E.S.Petalo** *(mezazia avo)*: – Ĉesu vian sentaŭgan babiladon, samideanoj! Ni devas zorgi pri progreso de la merduzoj kaj manĝi ilin aktive. En nia urba bazaro jam estas verda cepo, rafanetoj, salatoj kaj multaj aliaj legomoj, kiujn vi ne havas. Ni ekmanĝu la merduzojn – kio ajn estu ili! *(430 kB)*

**Villiam Minni** *(ekstereŭropano)*: – Diablo prenu! Mia salivo gutas jam dum kelkaj monatoj! Kio estas tiuj merduzoj, kaj kiam ni ekmanĝos ilin? Mi proponas transdoni la tutan stokon da merduzoj al alia retlisto, pli demokratia, kie mi mem ekmanĝos ilin sen viaj konsiloj. *(260 kB)*

**Harri Kolli**: – Kun granda bedaŭro mi informas la listanojn, ke la merduzoj subite ekodoraĉis. La remizmastro protestis kontraŭ plilongigo de konservado, kaj ni devis urĝe donaci la tutan stokon al la centra azilo por hundoj. *(18 kB)*

**Selesten Guru**: – Jen! Jen do! Ĉion – sub hundan voston. Vi devis pensi, anstataŭ tranĉi la mian, s-ano Kolli! Tion mi nomas "VENKO DE BUROKRATIO SUPER DEMOKRATIO". Ĉiuj timas vin kaj s-anon Muŝoloviĉ. La sola respondeto de s-ano Pitoresku estis tro timema. Verŝajne li ne kuraĝis eĉ unulitere oponi al Hektoro Muŝoloviĉ. *(230 kB)*

**Muelisto Valentinov**: – Jes, jes! Al ili estas tre komforte! Neniu al ili malhelpas kredi, ke ili estas la plej bonaj en la mondo… *(150 kB)*

**Harri Kolli**: – S-ano Valentinov, mi avertis, ke mi moderigos vin pro uzo de tripunkto. Sed hodiaŭ vi estas bonŝanca kaj mi – bonkora. Ĉar la Tudalanda asocio sendis al la nia donace stokon da maĉpugoj. Mi proponas ekdiskuti pri la problemo de kuirado kaj manĝado de tiuj ekzotikaĵoj. *(20 kB)*

**Karabasov** *(nova membro)*: – Kiu klarigos al mi: kio estas tiuj maĉpugoj?! Eble ni kreu du novajn listojn por pridiskuti la ekzotikaĵon poparte? Kelkajn interesas la unua parto, la ceteraj iru al la dua listo. *(860 kB)*

**Harri Kolli**: – Mi avertas, ke mi estas kontraŭ uzo de tiu vorto po parte! *(18 kB)*

**Ardeo Pitoresku**: – Dankon por ofte interesaj demandoj. Private por mi la plej logika skemo ŝajnus aparta labor-diskutlisto private por mi. Iam mi okupiĝis pri maĉpugoj, kaj nun mi engaĝiĝas en la diskuton por kompreni, ĉu ili plu interesas min. *(600 kB)*

**Muelisto Valentinov**: – Mi envias al tiu elokvento… *(150 kB)*

**FINO**

---




*ankoraŭ unu bildo de REK-EoLA en Jekaterinburg – Vladimir Samodaj kaj Anatolo Gonĉarov reklamas la revuon "Scienco kaj kulturo"*

***Solvoj de la taskoj en REGo № 2 (27)***

**1. Koktelo:** *1) devi; 2) sen; 3) kun; 4) oro; 5) semi; 6) tuŝi; 7) legi; 8) peli; 9) konto; 10) sen.*

**2. Vortoĉenoj:** *a) LEZO - PEZO - PETO - RETO - RATO - SARO - SANO; b) LUPO - LAPO - LAFO - ŜAFO; c) KATO - KASO - MASO - MUSO.*

**3. Anagramoj:** *a) Vojaĝo en Esperanto lando; b) Kredu min, sinjorino!; c) Streĉita kordo.*

## *POR LA JUBILEO DE V.V.S.*

Riveroj emas flui nur al maro,
ĉielen – fumoj, teren – blankaj neĝoj,
al dancoj impetegas junularo,
sed ni? – Nu certe al komfortaj seĝoj

por diskutad' nehasta kaj sentiga,
por vodkumad' agrabla kaj sufiĉa...
Apenaŭ floro dum ekzil' entiga
komplete povas senti sin feliĉa.

Renkontoj niaj kurtas kaj ne oftas,
do mankas tempo por sidad' ĉe brandoj.
Sen diskutado pensoj miaj orfas,
la kapo jam ŝveladas pro demandoj.

Do mi demandu vin, amiko kara:
Ĉu plu ĝojigas vin ĉebranda sido?
Ĉu ne tro pezas premo sepdekjara?
Ĉu tente logas la fraŭlina rido

por amindum', almenaŭ por fotado?
Ĉu la okup' Scienca-kaj-Kultura
restadas daŭre la ŝatata pado
por vi, la Membr' Honora kaj ho – nura

en la Esperantujo tutrusia?
Ĉu stultajn leĝojn vi akceptas pace?
Ĉu venas foje verso emocia?
Ĉu plu bonigas homojn vi kurace?

Se respondados vi per jesa gaj',
do restas vi plej sama Samodaj',
kaj mi deziras kun sincer' aklama,
ke ĝis la centjariĝ' vi restu sama.




*Aperis nova poezia libro de Bruna Ŝtono "Iam, kiam...". La aŭtoro skribas enkonduke: "La poemoj, kiujn mi kolektis en tiu ĉi libreto, plejparte estas faritaj en 2001-2005, sed mi aldonis ankaŭ kelkajn pli fruajn aĵojn. Ne pro nesufiĉa kvanto de nova materialo, sed ĉar la aldonitaĵoj, miaopinie, bone agordas la ĝeneralan humoron de la poemaro". La libro komenciĝas per jenaj vortoj: "Al la 70-jara jubileo de la Homo Vladimir Vladimiroviĉ Samodaj mi dediĉas tiun ĉi poemaron." Apude vi povas legi la versaĵon el la libro, kiu estas gratulo de Mikaleo Bronŝtejn al Valdimir Samodaj.*

---

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://www.reu.ru/>.

**REJM:** retadreso <komitato.rejm@mail.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.




***Vladimir Samodaj***, *Honora membro de UEA. Filologo-arabisto. Eklernis Esperanton en 1958. El la esperantista agado: Kunfondis SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado) en 1965-66; Vic-prezidanto de Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetiaj esperantistoj – 1970-79; Vic-prezidanto de ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj) – 1979-89; Prezidanto de SEU (Sovetrespublikara Esperantista Unio) – 1989-90; Kompilanto-redaktoro de "CkK" ("Cerbe kaj Kore" – organo de Moskva Literatura E-klubo) – 1990-97; Respondeca redaktoro de "SkK" ("Scienco kaj Kulturo" – organo de Eŭropa Jura Universitato Justo) ekde 1995. Aŭtoro de la libro "Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM" (1999).*

*Tiu ĉi informo pri la elstara persono troveblas en lia libro "Konfesoj", kiu ĵus aperis ĉe la eldonejo "Impeto". La suba versaĵo* ***"Maljuna aktoro"*** *estas prenita el la libro.*

Jam la vivo – spektaklo proksimiĝas al fino
Kaj finiĝas la lud' de l' maljuna aktor',
Morne pentris la rolon la aŭtoro – destino
Kaj pli morna ĝin faris la sort' – reĝisor'.
Ja en ĉiu spektaklo, eĉ la plej tragedia,
Estas larmoj kaj rid', kaj trankvila moment'.
Devas preti aktor' kun inklin' komedia
Al la ploro kaj ĝem', al anima turment'.
La doloron per ŝerco, larmon per la rideto
Longe provis mildigi la gajema aktor',
Tamen rompis senĉese kun obstina impeto
Tiujn provojn kruele la sort' – reĝisor'.
Vanaj estis la penoj kontraŭludi la rolon,
Vanaj estis rezisto kaj spitema aplomb',
Ne sukcesis l' aktoro ravi sian popolon,
Ne atendos lin danke velka floro ĉe l' tomb'.
*/9.11.1993, trajno Soĉi-Moskvo/*



*li ankaŭ scipovas danci*

**REGo (Rusia Esperanto-Gazeto)** ***№ 3 (28) junio 2005***
***komuna eldono de REU kaj REJM*** ***aperadas ekde 2000***

*redaktas* Garik Kokolija *kunredaktas* Viktor Aroloviĉ
*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

*materialoj de la gazeto povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

***abontarifoj por 2005:***
*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 140 rubloj sendendaj al:*
Георгий Владимирович Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*